XXª jaro. Nº 285 (5) ☆ Monata ☆ Majo 1924

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

| REKLAMO | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |

*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## La konferencoj en Ĝenevo.

### Kunsidoj de K. R. kaj UEA.

Modeste, senbrue kaj tre diligente laboris la unua aparta konferenco de niaj oficialaj institucioj. La du elektantoj de la Centra Komitato, nome la Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj (K. R) kaj la komitato de nia Universala Asocio (UEA) kunsidis en Ĝenevo por diskuti gravajn aferojn de nia internacia movado en maniero serioza kaj regula, for de ĉiu festo kaj distro.

La oficiala protokolo aperas entute en tiu ĉi numero kaj ĉiu nacia societo same kiel la tutmonda anaro de UEA povos kontroli la laboron kaj decidojn de siaj reprezentantoj. Laŭ la deziro mem de D-ro Zamenhof, nia movado posedas nun regule funkciantan organizon, kiu ebligas pli metodan kunlaboradon por nia komuna celo. Dumaniere la esperantistaro estas reprezentata, unuflanke per naciaj societoj por la bezonoj de nacilingva propagando, aliflanke universale per UEA kiel individuoj internacie uzantaj nian lingvon.

Nun la naciaj societoj kaj UEA interkonsentis pri certaj precizaj taskoj entreprenotaj dum la venonta aŭtuno, aliflanke la Centra Komitato ricevis instrukciojn de siaj elektantoj kaj subtenantoj por plenumi certajn precizajn dezirojn de la esperantistaro.

Montriĝis dum la tuta kunsidaro granda kontentiĝo pri tiu unuafoja ebleco konsiliĝi iom pli trankvile. De nun ĉiu grava propono por antaŭenpuŝi nian aferon povos ĉiujare esti ekzamenata de tiuj mem, kiuj poste havos la respondecon ĝin efektivigi en sia aparta lando aŭ fako. Bona estas la kutimo ne plu diskuti teorie kaj ĉion aprobi per aplaŭdo, sed anonci kion oni povos fari, kiel kaj kiom oni partoprenos, kaj lojale rifuzi tion, kion oni ne povos plenumi. Tiamaniere ĉiu jesa voĉdono fariĝas samtempe promeso. Tion signifas labori.

### Konferenco pri Radio-telefonio.

Ni esperas, ke ĝoje surprizis la esperantistaron la depeŝoj pri la Internacia Konferenco pri Radio-telefonio, kiu kunsidis en Ĝenevo ĉe Palaco Eynard la 22 kaj 23 aprilo.

Nur en mezo de marto okazis la decido pri tiu konferenco. Tamen ĝi tre bone sukcesis eĉ post tiel mallonga preparo. La Svisa Radio-Elektra Societo dissendis nur tre malmultajn invitojn, apenaŭ tridek. Venis eĉ pli da respondoj.

Kvardek kompanioj, stacioj, societoj kaj administracioj de radiotelefonio el diversaj landoj sendis delegitojn al Ĝenevo, plejparte inĝenierojn. Inter tiuj kompetentaj spertuloj, teknikistoj kaj praktikantoj, nur dek-duo sciis Esperanton, sed ĝuste tiu nova situacio montriĝis la plej bona formo de teknika konferenco, laŭ nia vidpunkto. Efektive la oportuneco kaj flueco de internacia diskuto per Esperanto estis tiel impresaj, ke nia lingvo aŭdiĝis almenaŭ je 50% kaj ĉiuj ceteraj delegitoj estis varbataj per la fakto kaj miro.

Ankaŭ feliĉe oni parolis ne pri Esperanto, sed pri aliaj aferoj. La mondlingvo estis nur flanka punkto sur la programo kaj la diskuto pri ĝi daŭris nur tre mallonge kaj konkludiĝis plej favore. Multe pli elokventa estis la uzo mem. Legante la protokolon, kies resumon ni donas ankaŭ en tiu ĉi numero, oni vidos la gravajn rezoluciojn de la konferenco pri urĝaj punktoj de internacia vivo radio-telefonia kaj pri Esperanto. Ankaŭ oni vidos la partoprenon de la svisa registaro, de la Ligo de Nacioj, de sep eŭropaj radio-stacioj kaj de gravaj kompanioj en diversaj landoj. La tutmonda gazetaro enpresis longajn depeŝojn pri la konferenco kaj tio igas ĝin eĉ pli sukcesa laŭ rezultatoj ol la komercista en Venezia aŭ la instruista en Ĝenevo. Dankon al ĉiuj kunhelpintoj!

*Edmond Privat.*

# Prepara konferenco por internacia radiotelefona interkonsento.

Tiu konferenco solene malfermiĝis je la 3a posttagmeze en la festa salono de Palaco Eynard, mardon 22 Aprilo 1924. Ĉirkaŭ la verda tablo sidis oficialaj reprezentantoj de 39 diverslandaj radio-telefonaj stacioj, societoj kaj kompanioj.

Inter la 35 oficialaj reprezentantoj oni kalkulis dekduon da personoj sciantaj Esperanton kaj la aliaj parolantaj precipe francan, germanan kaj italan lingvojn.

Unue la instrua ministro de la Ĝeneva Registaro S-ro *Mussard* salutis la konferencon en la nomo de la Ĝeneva Respubliko.

Oni senpacience atendas la grandan ekspozicion pri radiotelefonio okazonta en Ĝenevo en la fino de Majo venonta. La rapida kaj mirinda progreso de tiu nova scienco kaj industrio estas afero plej internacia kaj pro tio ne estas strange, ke oni klopodas nun interkonsenti pri kelkaj gravaj punktoj.

S-ro *Mussard* rakontas, ke liaj kolegoj en la registaro elektis lin por veni hodiaŭ pro unu vorto sur la tagordo de la konferenco. Inter la punktoj diskutotaj troviĝas interalie la problemo de internacia helplingvo por radiotelefonio. Nun ĝuste li mem kontrolis eksperimenton faritan dum du jaroj en la Ĝenevaj elementaj lernejoj, kie oni instruigis devige Esperanton en certaj klasoj. La rezultato lin konvinkis pri la rimarkinda facileco de tiu lingvo, kiun la junaj lernantoj sukcesis skribi kaj paroli post unu vintro kun du lecionoj ĉiusemajne, dum ili tute ne atingis similan sukceson pri aliaj lingvoj malgraŭ kelkjara studado kun pli granda nombro da horoj.

En la nomo de la Ĝeneva Registaro li bonvenigas la konferencon kaj li esperas, ke ĝi trovos rimedojn por faciligi la pli ĝeneralan kaj ankoraŭ pli sukcesan disvastigon de radiotelefonio en la mondo.

S-ro *Maurice Rambert*, prezidanto de la Svisa Radioelektra Akcia Societo kaj delegito de la Romanda Societo Radiofona (stacioj de Ĝenevo kaj Lausanne), klarigas la celon de tiu prepara konferenco. La rapida disvastiĝo de radiotelefonio necesigas novajn internaciajn aranĝojn pri apartigo de ondlongoj, helpa uzo de internacia lingvo kaj organizo de internacia centro kaj ligilo inter sendostacioj.

Li bonvenigas la oficialajn reprezentantojn de la Ligo de Nacioj (S-ro *Haas*), de la Internacia Labor-Oficejo (S-ro *Boisnier*), de la Svisa Ministrejo Poŝta kaj Telegrafa (S-ro *Calame*), li salutas ankaŭ Kolonelon *Hilfiker*, stabestro de la inĝeniera fako de svisa armeo, kaj la delegitojn de diverslandaj tre konataj grandaj kompanioj, interalie Svisa Marconi.

Li kore esperas, ke la konferenco povos instigi movadon por baldaŭ alveni al interŝtata konvencio apartigonta la ondlongojn de radiotelefonio kaj de senfadena telegrafio, por ke la dua ne plu ĝenu la unuan.

Laŭ lia propono la konferenco elektis kiel prezidanton S-ron *Isbrücker*, inĝeniero de la Bell Telefonfabrika Kompanio, delegito de la Nederlanda Radiotelefona Asocio, de la Nederlanda Scienca Societo por Radiostudado, de la Gazetinforma Radiostacio Vaz Diaz en Amsterdam ktp., kiu diras kelkajn salutvortojn france kaj poste faras tre interesan teknikan alparoladon en Esperanto pri la scienca revolucio efektivigita per la lampoj, nun ebligantaj la tutan radiofonan disaŭdigadon en la mondo.

Li proponis elekti S-ron Maurice Rambert kiel honoran prezidanton de la konferenco pro lia laŭdinda iniciata laboro. Tio estas akceptita per aklamo.

S-ro *Haas*, direktoro de la Trafika Sekcio de Ligo de Nacioj, anoncas, ke la speciala subkomitato elektita de la trafika komisiono de Ligo de Nacioj por studi la problemojn de senfadena telegrafio, ankaŭ konvinkiĝis pri la neceseco kunvoki iam interŝtatan konferencon por revizi la Londonan konvencion de 1912 rilate al multaj punktoj. La nuna rapida disvastiĝo de radiotelefonio postulas, ke tiu-ĉi punkto ankaŭ troviĝu en la tagordo kaj tial la Ligo de Nacioj plezure ricevos sugestojn aŭ deziresprimojn de la nuna prepara konferenco, kiu reprezentas opiniojn de specialistoj. Tiamaniere ekestos praktika ligilo inter la klopodoj privataj kaj la oficialaj, ĉiam pli malrapidaj.

Unu post la alia S-roj *Edmonds*, reprezentanto de Wireless World de Londono, *Saggiori*, prezidanto de Radio-Klubo de Padova kaj delegito de Radiosocieto Lombarda, Modena, Rovereta, Coma, S-ro *Pillík*, komisaro ĉe Komerca Ministrejo Ĉeĥoslovaka kaj delegito de la Radioslavia Kompanio, S-ro *Kreuz*, delegito de la Südwestdeutscher Rundfunkdienst-Aktien-Ges. (Radiostacio de Frankfurt a. M.), kaj de la Radio-sekcio de la Foiro de Frankfurt a. M. Inĝeniero *Scholze*, delegito de la Radiosekcio de la Foiro en Reichenberg, klarigas en Esperanto la situacion, la progreson kaj la malfacilaĵojn de radiotelefonio en sia respektiva lando, kie ankaŭ ĉiuj petas, ke oni ĉesigu ĝenaĵojn per ia internacia interkonsento. Rezolucioj de la konferenco povus tre utili al ili por instigi grandan movadon de publika opinio kaj petskribon al registaro.

S-ro *Reut*, prezidanto de la Ĝeneva sekcio de Svisa Radio-Klubo, prezentas la proponon, kiu servu kiel bazo por la morgaŭa diskuto pri apartigo de ondlongoj kaj fervore pledas por la rajtoj de la amatoroj, kies eksperimentado tiom progresigis la tutan aferon de radiotelefonio.

D-ro *Privat*, membro de la internacia jurista komitato pri radio-telefonio kaj delegito de la svisa komisiono por reguligo de senfadena telefonio, prezentas proponon pri internacia organizo de radiostacioj por interŝanĝi siajn horarojn kaj defendi la komunajn interesojn.

La kunsido finiĝas je la 5a horo kaj la delegitoj estas fotografataj sur la teraso de l' Palaco. Oni rimarkis inter la partoprenantoj S-ron *Chaponnière*, reprezentanto de la Kompanio Marconi, S-ron *Filliâtre*, direktoro de Interligilo de PTT en Parizo, S-ron *Rambal*, vicprezidanto de la Svisa Radio-Klubo, D-ron *Merz*, direktoro de „Radio“ en Bern, S-ron *Kubick*, direktoro de „Svisa Telegraf-agentejo en Genève“ ktp.

* * *

## Urbestra akcepto.

Mardon vespere, en la festsalonoj de Palaco Eynard, la Ĝeneva urbestraro solene akceptis la diverslandajn delegitojn invitinte ankaŭ la membrojn de la Ĝeneva Radio-Klubo, la delegitojn de K. R. kaj UEA, kaj la membrojn de la Ĝeneva Grupo „Stelo“.

Bonvenigante ĉiujn invititojn, la urba konsilanto S-ro *Marius Stoessel* ĝojis pri la progesoj de radiotelefonio kaj akcentigis la necesecon de neŭtrala helplingvo por ĝin faciligi.

Tiu lingvo ekzistas: Esperanto vivas kaj utilas!

Respondis esperante la prezidanto de la konferenco radiotelefona, inĝeniero *Isbrücker*, gratulante la urbon Ĝenevon pri ĝiaj internaciaj interesoj kaj celadoj.

* * *

## Apartigo de ondlongoj.

La prepara konferenco por internacia radiotelefona interkonsento komencis merkredon matene je la 10a horo la efektivan diskutadon pri la grava temo de la apartigo de ondlongoj inter radiotelefonio kaj senfadena telegrafio. Treege vigla fariĝis la

diskutado inter la partianoj de precizaj ciferoj kaj la prudentuloj preferantaj lasi la detalojn al posta interŝtata konferenco kaj limigi sin momente nur al esprimo de ĝeneralaj deziroj por unuigi ĉiujn klopodojn kaj akceli la necesan oficialan kunvokon de interŝtata konferenco ĉe la Ligo de Nacioj aŭ per Universala Telegrafa Unio.

La Ĝeneva sekcio de Radio-Klubo montriĝis la plej fervora por la unua tezo kaj ĝiaj proponoj estis disdonataj dulingve france kaj esperante, al ĉiuj delegitoj.

Kontraŭe, la registaraj reprezentantoj subtenis energie la duan punkton. Ankaŭ naskiĝis tre vivoplena interargumentado pri la rajtoj kaj meritoj de la amatoroj, kies pionira eksperimentlaboro tiom progresigis la tutan radiosciencon.

Rimarkinda estis la uzo de la lingvoj dum la diskutado. 50% okazis france kaj 50% esperante. France parolis ĉiuj svisaj kaj francaj delegitoj, dum preskaŭ ĉiuj alilandanoj parolis Esperante. Nur unu- aŭ dufoje aŭdiĝis germana kaj itala lingvo. La rapida esperanta interargumentado treege impresis la aliajn delegitojn.

Post ofta interveno de S-roj *Reut,* prezidanto de Ĝeneva Radio-Sekcio; *Rambal,* vicprezidanto de la Svisa Radio-Klubo; inĝeniero *Isbrücker;* inĝeniero *Dufour;* inĝeniero *Rambert;* S-ro *Kreuz,* delegito de la Frankfurta Radio-Stacio: inĝeniero *Leonello Boni,* prezidanto de la Itala Societo de Radio-komunikado; inĝeniero *Stromboli,* membro de la Itala Elektro-teknika Societo; S-ro *Calame,* oficiala delegito de la Svisa Poŝta kaj Telegrafa Ministrejo; inĝeniero *Scholze,* de la Radio-Sekcio en Reichenberg, la jena rezolucio estis fine akceptata por interkonsentigi ĉiujn vidpunktojn:

**Deziresprimo I.**

„La prepara konferenco por internacia interkonsento pri radiotelefonio en Ĝenevo, 22 kaj 23 Aprilo 1924,

Konstatinte, ke la Londona Konvencio de 1912 kaj la interkonsento de Washington de 1920 ne plu sufiĉas kaj entenas gravajn mankojn pro la nuna disvastigo de radiotelefonio,

Esprimas la deziron, ke nova interŝtata Konferenco estu tre baldaŭ kunvokita por ripari tiujn mankojn, kaj doni al la radiotelefonio la eblecon disvolvi kiom eble plej senbare en la interesoj de tutmonda popola kulturo kaj ĝenerala informado,

kaj rekomendas:

1. ke oni rezervu certajn kampojn de ondlongecoj ekskluzive al la radiotelefonia disaŭdigo, kaj ke ili estu tre nete apartigataj de la kampoj dediĉotaj al radiotelegrafio;

2. ke pro la konsiderinda helpo alportita de la amatoroj al la disvolvo kaj progreso de radiotelefonio, iliaj rajtoj estu konsiderataj kaj certaj kampoj estu rezervataj al ilia eksperimentado;

3. ke oni rezervu la uzon de malkontinuaj (dempataj) ondoj, ekskluzive al signaloj de danĝero de ŝipoj kaj horsignaloj;

Petas la Ligon de Nacioj kaj la Universalan Telegrafan Unuiĝon, ke ili faru ĉion eblan por akceli la kunvenon de la necesa konferenco, se eble tutmonda, kaj, se ne eble, almenaŭ Eŭropa;

Instigas ĉiujn radio-organizaĵojn, ke ili kreu publikan opinimovadon kaj petskribu al sia registaro, por ke ĝi intervenu en Ĝenevo kaj Bern, por kunvokigi la Konferencon".

* * *

## Uzo de Esperanto kiel helplingvo radiotelefona.

Poste la Konferenco diskutis la duan punkton de sia tagordo, nome la uzon de Esperanto kiel helplingvon por radiotelefonia disaŭdigo.

La reprezentanto de Wireless World, S-ro *Edmonds,* kiu paroladis en la Londona Radio-Stacio, la 7 Majo, pri la progresoj de radiotelefonio en Anglujo, prezentis raporton pri la ĝisnuna uzado de Esperanto.

Li anoncis, ke la Brita Brodkasta Kompanio, kiu administras ĉiujn anglajn radiostaciojn, jam ekuzis tiun lingvon je diversaj okazoj kaj nome por disaŭdigi la paroladon de la Reĝo ĉe la ekzpozicio de Wembley, tiamaniere, ke ĝi povu esti komprenata en la tuta mondo.

La enketo de tiu kompanio, oni lastatempe aŭdis kvardekon da esperantaj radiotelefonaj disaŭdigoj el 7 malsamaj landoj:

| | |
|---|---|
| Granda Britujo . . . | 9 |
| Usono . . . . . . | 6 |
| Kanado . . . . . . | 5 |
| Ruslando . . . . . | 6 |
| Ĉeĥoslovakio . . . . | 6 |
| Svislando . . . . . | 6 |
| Francujo . . . . . | 3 |

Kial Esperanto estas uzata prefere al iu ajn simila sistemo? Ĉar ĝi estas nepre la plej disvastigata kaj eĉ la sola praktike utiligata en ĝenerala vivo. Alia kaŭzo estas ĝia rimarkinda aŭdoklareco, kiu plej evidentiĝas per radiotelefona uzado. Ankaŭ tial la Brita Scienca Asocio ĵus oficiale rekomendis Esperanton, por ke estu nur unu mondlingvo uzata.

S-roj *Pitlik* kaj *Scholze,* ĉeĥoslovakaj delegitoj, montris kiamaniere la turisma ministrejo kaj specimenaj foiroj de ilia lando akcelis sian eksterlandan propagandon, organizante radiotelefonajn disaŭdigojn en Esperanto. La sukceso estis granda kaj ili ricevis multnombrajn gazeteltranĉaĵojn de pli ol 8 diversaj landoj.

Inĝeniero *Leonello Boni* prezidanto de la Itala Societo de Radio-Komunikado, parolante itale, transdonas instrukciojn de sia societo, subteni la alprenon de Esperanto kiel radiofonan helpan mondlingvon. Li mem esprimas sian intereson vidante la uzon de Esperanto dum la Konferenco. Estus rekomendinde, ke ĉiuj radiostacioj regule unu- aŭ dufoje ĉiusemajne, je fiksaj tagoj, donu internaciajn informadojn en Esperanto kaj ankaŭ organizu kursojn de Esperanto en nacia lingvo.

S-ro *Kreuz* anoncas, ke li ricevis instrukciojn de la Frankfurta Radio-Stacio subteni ĝuste la saman ideon, kiun ĝi estas preta mem efektivigi siaparte.

Kolonelo *Hilfiker,* stabestro de la inĝeniera Fako de la Svisa Armeo, parolante france, esprimas sian surprizon kaj admiron pri la flua maniero en kiu diverslandaj delegitoj rapide interdiskutas en Esperanto pri teknikaj temoj. Antaŭ tiel fortpruva demonstracio oni povas nur konstati kaj laŭdi la utilecon de Esperanto, ne por anstataŭi naciajn lingvojn, sed por servi kiel helpa mondlingvo, kiun li unuafoje aŭdis dum la konferenco, kun plena konvinka efiko.

S-ro *Rambert,* delegito de la Romanda Societo Radiofona kaj S-ro *Chaponnière,* reprezentanto de la Marconi-Stacio en Ĝenevo, konstatas la grandan sukceson de la Esperanto-kurso, sekvata de granda nombro da personoj en multaj urboj kaj vilaĝoj, norde kaj oriente.

Post lego de kelkaj leteroj de radiotelefonaj kompanioj el Francujo, Anglujo, Germanujo, Italujo kaj Ĉeĥoslovakio, rekomendantaj al la konferenco la alprenon de Esperanto kiel helpa mondlingvo, la jena rezolucio estas unuanime akceptita:

**Deziresprimo III.**

„La prepara konferenco por internacia interkonsento pri radiotelefonio en Ĝenèvo, Aprilo 1924,

Konstatinte, ke la radiotelefonio disvastigas la homan parolon trans ĉiaj limoj kaj renkontas la barilon de la diversligveco,

Opinias urĝe necese la uzon de helpa internacia lingvo por tiu parto de la brodkastado, kiu celas atingi la eksterlandon,

Gratulas la radiostaciojn, kiuj jam komencis brodkasti en Esperanto en Eŭropo kaj Ameriko aŭ kiuj mem disaŭdigis kursojn pri tiu lingvo.

Rekomendas al ĉiuj radiostacioj regulan momentan brodkastadon en Esperanto almenaŭ unu vesperon ĉiusemajne, je difinita tago, kaj kiom plej eble disaŭdigon de Esperanto-kurso, ĉar tiu lingvo montriĝis facile klare aŭdebla kaj jam disvastigata inter aŭdantoj de ĉiuj landoj laŭ konsiderinda proporcio".

* * *

## Internacia Centro de Radiotelefonaj stacioj.

Merkredon posttagmeze, je la 4ª horo, inĝeniero *Rambert* raportas pri la neceseco starigi ligilon kaj Centron inter la radiostacioj diverslandaj, tute speciale por interŝanĝi horarojn; ankaŭ estas necese elekti ian konstantan komisionon kiu daŭrigu la instigan laboron de la konferenco por akceli kunvokon de interŝtata kunveno.

S-ro *Kreuz*, kiel reprezentanto de la Radio-Sekcio de la Frankfurta Foiro, akcentas la komercan flankon de la tuta afero kaj informas, ke nun la Foiroj pli kaj pli interesiĝas je elmontrado de radiotelefonaj aparataj ktp. La Frankfurta Foiro ekz. nun havas apartan radiofakon. Por finance ebligi la starigon de Centro oni povus ne nur peti kotizon de ĉiu radiostacio sed ankaŭ aliĝon de gravaj kompanioj.

Inĝeniero *Chaponnière* akcentas la gravecon de horarinterŝanĝo kaj S-ro *Edmonds* el Londono rekomendas, ke la Centro estu fiksata en Ĝenevo pro la sidejo de la Ligo de Nacioj. Tion subtenas inĝeniero *Boni* el Ferrare pro samaj motivoj kaj ankaŭ inĝeniero *Stromboli* el Ĝenova.

Unuanime oni voĉdonas la jenan rezolucion:

**II.**

„La konferenco komisias sian estraron formi provizoran plenuman komitaton por daŭrigi la klopodojn de la internacia interkonsento pri radiotelefonio, kaj fondi konstantan ligilon inter la elsendantaj societoj, la kompanioj kaj radiotelefoniaj ĵurnaloj, kun centro en Ĝenevo, sidejo de la Ligo de Nacioj".

* * *

## Teknika vortaro.

Poste tre interesa kaj tre vigla diskutado okazas, precipe en Esperanto pri la problemo de internacia teknika vortaro radiotelefona, la ĉina delegito de la internacia Centra Komitato Esperantista, S-ro Won Kenn énergie protestas kontraŭ la enkonduko de senutilaj novaj radikoj kiel „brodkastado", dum ĉiu lingvo, Esperanto same kiel la ĉina, povas trovi en sia propra fundamento la necesajn elementojn por kunmeti la taŭgan vorton. S-ro *Calame*, oficiala delegito de la Svisa Poŝta kaj Telegrafa Ministerio en Bern, subtenas tiun vidpunkton rilate al la franca lingvo kaj informas, ke pluraj societoj skribis al la federala administracio por insisti favore al la vorto „Radio-diffusion" (en Esperanto: Radio-disaŭdigo).

Poste oni ankaŭ interdiskutas pri la plej bona maniero esprimi la ideon de fajreraj malkontinuaj ondoj. Inĝeniero *Isbrücker* preferas la vorton „dempataj ondoj", dum inĝeniero *Stromboli* preferas „amortizataj ondoj". Kiel neŭtrala observanto S-ro *Rambal* esprimas preferon por la radiko „Demp" laŭ li pli oportuna kaj pli internacia.

La tuta afero estu referota al lingva kaj teknika aŭtoritato.

Post diskuto inter multaj delegitoj, oni akceptas la jenan rezolucion prezentitan de D-ro *Privat* kaj subtenitan de S-ro *Edmonds*.

**IV.**

„La konferenco konstatas la laboron jam faritan de la Internacia Radio-Asocio, kies prezidanto estas S-ro Pierre Corret en Versailles kaj sin turnas al ĝi kun la peto akceli la preparon de la teknika terminaro por la senfadena telegrafio kaj telefonio interkonsente kun la sekcio por teknika vortaro de la esperantista akademio".

* * *

## Regiŝtaraj malpermesoj.

S-ro *Grenkamp*, simpla pola ĉeestanto, petas permeson plendi antaŭ konferenco pri la absoluta malpermeso ekzistanta en kelkaj ŝtatoj kiel la sia, kontraŭ ĉiu privata uzo de senfadena telefonio, eĉ por nura amatora aŭskultado. Aklame la konferenco alprenas lastan deziresprimon por respondi al la petinto:

**V.**

„La konferenco esprimas la deziron, ke kelkaj ŝtatoj, ankoraŭ malpermesantaj la uzon de radiotelefonio, bonvolu rekonsideri sian decidon kaj permesi la amatorajn ricevilojn".

La prezidanto, inĝeniero *Isbrücker*, fermas la konferencon je la 5.30 horo, gratulante la delegitojn pri la bona laboro plenumita.

Publika aŭdigo ĉe Radio-Klubo Ĝeneva merkredon vespere je la 9ª ĉe la loka Sekcio de la Svisa Radio-Klubo en la granda salono de l'Office de l'Industrie: multnombra ĉeestantaro premiĝis por aŭdi kelkajn adiaŭajn paroladojn.

S-ro *Reut*, prezidanto de la gastiganta klubo, salutis la eksterlandanojn kaj ĝojis pri la bonaj rezultatoj de la konferenco. Respondis en Esperanto S-roj *Isbrücker, Edmonds, Stromboli, Kreuz* kaj *Delanoue*. Poste per laŭtparolilo oni aŭdis en la ĉambrego la Ĝenevan radio-stacion de Cointrin, kiu dissendis esperantajn paroladojn de S-roj Wadham, Pitlík, Saggiori, Kenn kaj Grenkamp. Je la 10ª oni aŭdis koncertojn el Parizo, Londono, Bournemouth, Newcastle, kaj je la 10.35 horo el Londono la Britan himnon (tiam leviĝis la aŭdantaro por honori la anglajn delegitojn).

Poste aŭdiĝis la voĉo de la angla reĝo kies matena parolado angla estis kaptita per gramofono. Bedaŭrinde tiu gramofona reaŭdigo el Londono estis tre malklara, ankaŭ pro la troa unusilabeco de la angla lingvo. Kontraŭe la aŭdantaro poste tre klare aŭdis la Esperanto-tradukon kaj multaj rekonis tre bone la voĉon de S-ro Epton en Londono.

La traduko estis tuj stenografita de S-ro Kreuz (Stolze-Schrey), kaj D-ro Privat ĝin senpere retradukis france por la aŭdantaro, kiu montris sin tre impresata pri la tuta afero. Tiamaniere la telegrafagentejoj kaj ĵurnalistoj tuj havis bonan resumon pli plenan ol per la vesperaj depeŝoj.

*

Ĵaŭdon posttagmeze el la Ĝeneva Radio-Stacio ankoraŭ parolis esperante pri la konferenco D-ro *Privat*, S-ro *Edmonds* kaj S-ro *Kreuz*, atentigante pri la granda progreso de la radioindustrio, pruvita ĉe la Frankfurta Foira Fako, ĉefe subtenita de la Frankfurta Radio-Stacio.

## Parolado de S-ro Maurice Rambert, inĝeniero

### Prezidanto de la Svisa Radio-Elektra Societo

(farita je la malfermo de la konferenco).

*Estimataj gesinjoroj,*

La radio-telefonio estas unu el la mirindaĵoj de nia epoko, ĉar, krom ĝia propra utileco, ĝi alportas la pruvon, ke etero, tiu mistera kaj senpeza fluidaĵo, povas esti utiligata kiel veturilo de aliaj fortoj naturaj krom la lumo.

Ĝi estas verŝajne la unua ŝtupo al vera revolucio scienca, ĉar ni konas nun transportilon, kiu permesas al ni ĉirkaŭiri la terglobon sepfoje dum unu sekundo. Ĝis la venonta tago kiam ni kapablos nin mem transportiĝi de Genève al Yokohama dum parto de sekundo, senfadena telefonio estiĝas la unuan praktikan aplikon de tiu granda eltrovo. Jam hodiaŭ milionoj da aŭdantoj povas ĉiutage aŭdi hejme plej freŝajn novaĵojn, politikajn kaj financajn paroladojn, konferencojn, mirindajn koncertojn, tra spaco disaŭdigitajn de ĉefaj centraj stacioj, eŭropaj kaj amerikaj.

La homa voĉo limojn ne plu renkontas kaj radias al eksterordinaraj foroj, ĝisirante plej malproksimajn kaj plej izolajn hejmojn. Nova kampo, nova vivo organiziĝas dank' al Radiofonio. Antenoj plimultiĝas sur la urbaj kaj kamparaj domtegmentoj, laboristoj, komercistoj, burĝoj, lernantoj instalas ĉie ricevaparatojn por kapti sennombrajn survojajn sciigojn, ĉu klerigajn ĉu amuzajn, kiuj interkruciĝas enaere; ĉiutage naskiĝas novaj entreprenoj celantaj radiofonajn disaŭdigojn de plej diversaj okazintaĵoj, kiel reĝaj, ministraj aŭ deputitaj paroladoj, kaj dancoj en Savoy Hotelo en London, ne forgesante operojn disaŭdigitajn senpere de la scenejo aŭ parolajn raportojn pri boksa aŭ futbala renkontoj.

Sekve disvolviĝis Radiofonio tre rapide, sed, por ke tiu disvolviĝo povu daŭri normale, certaj aranĝoj estas nepre decidotaj, ĉar sur la spaca vojo Hertz'aj ondoj renkontas bedaŭrinde multnombrajn barojn.

Kelkaj el tiuj baroj devenas de naturaj kaŭzoj kaj pro tio estas malfacile forigotaj, sed la plej embarasaj estas kaŭzitaj de Radiofonio mem. Efektive en ĉiuj landoj la telegrafaj administrejoj ekkaptis tiun novan eltrovon, tuj post kiam la famaj eksperimentadoj de Marconi pruvis kiomajn influon kaj utilon ĝi havos, kaj ili ŝajnas malmulte deziremaj transcedi la lokon al tiuj senfadenistaj instruemuloj, kiuj maltimas ŝtelĉasi en ilia „rizervita“ kampo.

Oni nur povas certigi, ke 80 procentaj krakadoj, sibloj kaj bojegoj kiuj tiel maloportune konfuzas niajn radiofonajn ricevojn estas kaŭzataj de la fortaj transsendoj per malkontinuaj dempataj ondoj. El tiuj lastaj, la plej malagrablaj estas la sendoj el ŝipoj, kiuj preeize uzas la mallongajn ondojn, t. e. ĝuste la plej taŭgajn kaj rezultodonajn por Radiofonio.

La „Morsaj“ signaloj! Jen la plej granda timigaĵo por radiistoj kaj al ni ŝajnis urĝe kunvoki preparan konferencon, kiu esplorados praktikajn rimedojn por ebligi interkonsenton nepre necesan.

Ni pensis, ke Genève, kiu ĉiam pli fariĝas internacia centro, nepre taŭgas por tiu unua interŝanĝo de ideoj kaj la rapidaj respondoj, kiuj alvenis post nia kunvoko, pruvas, ke ni ne malpravis.

Ni do esperas, ke el nia diskutado naskiĝos ideo akceptebla de radiotelegrafistoj.

Ni do petas vin, gesinjoroj, ke vi bonvolu formuli post diskutado proponojn plejeble klarajn kaj precizajn, kiujn la komitato transdonos al interesuloj. Nenio povas pli utili al proksimigo de popoloj kaj al alveno de surtera paco, ol Radiofonio, sed kondiĉe, ke ĉiuj sukcesos alparoli unuj la aliajn kaj interkompreniĝi sen helpo de vortaro aŭ de interpretisto.

Tial ni opiniis necesa enmeti en la nunkonferencan tagordon la demandon pri uzo de internacia helplingvo por certaj disaŭdigoj de universala intereso. Ne ĉiu havas la privilegion scipovi la anglan lingvon por kompreni niajn Londonajn amikojn; aŭ la germanan por aŭdi konferencojn el Frankfurt aŭ Berlin; aŭ la ĉeĥan por interesiĝi pri la Prahaj disaŭdigoj; aŭ la holandan por aŭskulti Den Haag.

Kaj S-ro Pitlík, la eminenta ĉeĥoslovaka delegito, komisaro ĉe Komerca Ministerio, ĉi tie ĉeestanta, bonvolu nin pardoni, se ni konfesas, ke la amatoroj en nia lando pli facile komprenas liajn paroladojn el la Kbely'a stacio apud Praha, kiam li parolas esperantlingve ol kiam li uzas sian gepatran lingvon, kiun oni bedaŭrinde ne instruis en niaj lernejoj.

Certe estas, ke Radiofonio, estante afero esence universala, devus nepre disponi pri internacia helplingvo kaj tuj evidentiĝas, ke Esperanto, kiu jam tiel disvastiĝis tra la tuta mondo, kapablus fari netakseblajn servojn.

Krom nacilingvaj disaŭdigoj, pli speciale destinitaj al la enlandanoj, interesus eksterlandanojn ricevi de tempo al tempo sed sufiĉe regule esperantlingvajn informojn aŭ resumojn de paroladoj. Tion jam ekfaris kelkaj radiostacioj en Centra Eŭropo, Britlando, Usono kaj Kanado.

Jen, gesinjoroj, la du ĉefaj punktoj en la tagordo de la prepara konferenco, hodiaŭ malfermiĝanta. Trian punkton ni devas aldoni, t. e. la demandon kiamaniere kaj al kiu transdoni la sugestojn kiujn ni alprenos, kaj kiel trovi la eblon por instigi oficialajn iniciatojn kiuj permesos farigi el ĉi-supre nomitaj proponoj, verajn internaciajn interkonsentojn.

Pri la unua punkto, ni opinias konvena la elekton — eble jam dum niaj debatoj — de konstanta komitato, kiu konsistus el unu delegito de ĉiuj konsentaj landoj kaj kies sidejo estus ĝis plue en Genève.

Kiel rimedoj por efike influi ĉe la kompetentaj rondoj kaj iniciatigi oficialajn internaciajn interkonsentojn, ni pensas nin turni al la Ligo de Nacioj, kies oficialan reprezentanton ni ĉi tie salutas, S-ro Haas, ĝenerala sekretario de la konsulta kaj teknika komisiono de komunikado kaj transito. Subkomitato de tiu komisiono estas ja komisiita por pristudi la eblan kunvokon de interŝtata konferenco por interkonsenti pri radio-telegrafio.

Ni ne preterlasos tiun okazon transdoni al tiu komitato la dezirojn kaj firmajn proponojn kiuj estos verŝajne alprenitaj sekve de niaj diskutoj. Ilin ankaŭ oni devas transdoni al la Internacia Telegrafa Oficejo en Bern, eventuale sugestante tiun aŭ alian iniciaton en sama kampo.

Aliflanke fondiĝis antaŭ nelonge en Paris Internacia Komitato kiu celas la studon de ĉiuj demandoj estigitaj de radiotelefonio kaj radio-telegrafio, laŭ publika kaj privata juro. Tiu organizaĵo, kiu branĉas en ĉiuj landoj kaj al kiu jam aliĝis svisa sekcio, kies kelkaj membroj S-roj Pittard, Olivet kaj Privat figuras inter la iniciatoroj de la nia konferenco, ludos certe gravan rolon en la solvo de la nuntemata demando.

Same estos pri la internacia federacio de senfadenistaj amatoroj, kiu konsistas el multnombraj radio-kluboj.

Fine ni proponas, ke ni provu starigi internacian asocion de radiofonaj disaŭdigaj societoj, kiu certe povus aŭtoritate apogi la justajn rajtpostuladojn de radiistoj.

Vi nun konas, estimataj gesinjoroj, la precizan celon de nia kunveno, sed antaŭ kiam la debatoj malfermiĝos, mi petas la permeson danki la Registaron de la Respubliko kaj Kantono Genève, kiu bonvole sendis oficialan reprezentanton al tiu kunsido, kaj esprimi al la Urbestraro de la Urbo Genève nian sinceran dankemon pro libera disponigo al ni de tiu ĉarma palaco kaj pro ĝia tiel afabla gastigo.

Mi tre ĝojas bonvenigi kore ĉiujn delegitojn kaj partoprenantojn al tiu prepara kunveno. Mi tutspeciale feliĉas konstati la ĉeeston inter ni de la reprezentanto de Poŝta kaj Telegrafa Svisa Ministrejo; de kolonelo Hilfiker, stabestro de la inĝeniera fako de svisa armeo; de la delegitoj de radiofonaj organizaĵoj italaj, francaj, germanaj, holandaj, ĉeĥoslovakaj, britaj, svisaj; kaj alkalkuli inter ni inĝenierojn, fakulojn, reprezentantojn aŭ kunlaborantojn de grandaj eksterlandaj societoj, kies nomoj estas al vi konataj; kaj ankaŭ homojn konatajn pro ilia partopreno en disaŭdigoj de Praha (Kbely), London, Frankfurt, Lausanne kaj Genève; kaj fine ĉinan delegiton de la Internacia Komitato de Esperanto, kiu bonvolis alporti sian helpon por pritrakti la duan punkton enskribita en la tagordo. Li povos konstati, sendube kun plezuro, ke la proponita internacia lingvo jam rapide disvastiĝis en la radioistaj rondoj kaj ke pluraj el niaj delegitoj ĝin flue parolas tiamaniere, ke ĝi povos utili kiel helplingvo dum niaj diskutoj, por doni la bonan ekzemplon.

Dankante ĉiujn pro iliaj tiom favoraj respondoj al nia alvoko kaj konstatante ankoraŭ, ke ĝis plue temas nur pri modesta prepara konferenco por antaŭen ekmarŝigi urĝan laboron, kiun ĉiu deziras, sed kiun neniu jam entreprenis, mi deklaras malfermita la preparan konferencon por radiofona interkonsento.



Senfadena Telefonio.

## Esperanto aŭdata en Tokio el New-York.

La usonaj gazetoj raportis pri la unua parolado el Nord-Ameriko aŭdita en Tokio. Ĝi estis en Esperanto! Jen letero de nia fidela delegito en New-York, S-ro Sayers:

„Mi kunsendas elĉerpaĵon el ĵurnalo ĉi tie pri la longdistanca rekordo en sfero de radio-parolado. Eble vi jam aŭdis pri tio — certe niaj japanaj samideanoj aŭdis. Ni ŝuldas grandegan dankon al S-ro Hiroshi Ando kaj al la japanaj samideanoj, kiuj tiel vigle prizorgis la aferon kaj instigis ĵurnalistojn kablegrafi la novaĵon al Ameriko. Estis por Esperanto en Ameriko tre granda propagando. La Usona ĵurnalaro diris multon pri la okazaĵo, ne nur sur la novaĵpaĝoj, sed ankaŭ en la redaktaj komentaroj. La japana ambasadoro, S-ro Hanihara, ankaŭ gratulis nin pri la afero.

Japanujo estas sur la alia flanko de la tero de Novjorko kaj laŭ la radio-aŭtoritatuloj neniam antaŭe estis parolado aŭdita ĉirkaŭ la tuta mondo. *Ĉi tio signifas, ke, tre taŭge, la unua parolado aŭdita ĉirkaŭ la tero estis pri kaj en nia kara internacia lingvo Esperanto.* Oni neniam povos forigi la historian fakton, ke Esperanto estis la unua lingvo, kiu ĉirkaŭis la tutan mondon. Vere ĝi estas la monda lingvo!

En la Novjorka Radio-Klubo okazas instruado de Esperanto. La radio-amatoroj entuziasmiĝis pri Esperanto nun. Instigu viajn legantojn partopreni en ĉian radioaferon, ĉar radio estas nia ĝis nun plej granda oportuno!“

## Radio-disaŭdigado en Esperanto.

El **Meksiko** (C. Y. L) ĉiusabate je 13.30.

El **Genève** (1100 m) ĉiumarde je 20.30 (8.30 p. m.) Esperanto-kurso (anstataŭ ĵaŭde posttagmeze) kaj esp. informado de S-roj Privat kaj Bouvier.

El **Hamburg** (392) m) dimanĉon, 25 majo, inter 17 kaj 19 (5—7 p. m.) parolado kaj deklamo de S-ro Karl Minor.

El **Cleveland** (390 m) dimanĉon, 3 majo, je 1-a matene (en Eŭropo je 8-a) parolado de S-ro Kozminski.

**14 junio 1924**, je la 7.10 horo vespere (19.10) S-ro Isbrücker parolas holandlingve pri kaj poste en Esperanto de Stacio de S-ro Middealraad en Jmiuden, ondlongo 1050.

## Ekspozicio en Ĝenevo.

La 21 majo malfermiĝis en Genève svisa ekspozicio pri radiotelefonio en la vasta halo de Palais Electoral. Aparatoj, riceviloj, elsendiloj de multaj firmoj elmontriĝas en la diversaj standoj. Tre sukcesa estas la Esperanto-fako de UEA, aranĝita de S-ro Borsa. Ankaŭ afiŝoj en Esperanto pri la ekspozicio estis presataj kaj ĉien dissendataj. Dum la ekspozio okazos du apartaj radioparoladoj de D-ro Privat pri Esperanto.

## Vizito ĉe S-ro inĝ. Giurgea,
### direktoro de la Radiostacio en Bucuresti.

Leginte la komunikon en la Esperanto-gazetoj pri la esperantolingva parolado de S-ro A. Pitlík en Praha, la estraro de Rumana Esperanto-Societo tuj interesiĝis, ĉu estos eble aŭskulti ĝin ankaŭ en Bucuresti? Kun S-ro kapitano D-ro Iosif, vicprezidanto de RES, ni faris viziton ĉe la Centra Radiostacio, kie la direktoro, S-ro inĝ. Giurgea, tre afable proponis al ni la inviton por aŭskulti tiun paroladon, pruvon de la grava rolo de Esperanto en la radia sfero. Kun bedaŭro ni informiĝis, ke la ondoj de la ĉeĥoslovakia stacio estos tro malfortaj por esti aŭdeblaj tie ĉi, trans la Karpatoj. Tamen, tiu vizito estis por ni tre utila, ĉar en la persono de la sinjoro direktoro ni trovis ne nur amikon de Esperanto, sed samideanon malnovan, lernintan Esperanton antaŭ 30 jaroj en Parizo, kiel studento.

En lia oficejo super la skribotablo, sonanta funelo elstaras el la muro; la radiotelefona aŭskultilo. Parolante pri nia lingvo, la sinjoro direktoro memorigas pri la unuaj tempoj de nia movado, pri la fondo de la Pariza Esperanto-presejo, pri la komencaj malfacilaĵoj kaj esperoj. Subite li ekstaras, levas sian manon al la sonanta aparato, kaj en esperanta lingvo li diras: „Tra la mondo iras forta voko. Jen estas la forta voko, pri kiu kantis la Majstro“. Kaj li konsilas al ni, ke ni petu niajn tutmondajn samideanojn: alian fojon ili uzu pli grandan elektran forton, por ke tiu voko la mondon trairanta, estu vere forta kaj vaste aŭdebla.

Cetere li nin konsolas: la aparatoj estas je nia dispono, kaj kiam ni volas, ni povas aranĝi esperantolingvan paroladon por la eksterlando. Dum la nuna printempo oni instalos la ŝtatajn radiostaciojn en ĉiu pli grava urbo de Rumanio, kaj do baldaŭ ni havos la eblecon eĉ pli ofte alparoli niajn diversurbajn samideanojn.

Rigardante en la vastan perspektivon, kiun al ni malfermas la providenca renkontiĝo de tiuj du mirindaj eltrovoj: Radiotelefono kaj Esperanto, ni ne povas dubi pri tio, ke nia lingvo baldaŭ fariĝos la nepre bezonata, bonege taŭga: Radiolingvo.

*A. C.*

## Esperanta Radio-gazeto.

La peresperanta-poresperanta organizo *Radio-Servo,* Locarno (Svislando), fondita en pasinta jaro, sekve de la Esperanto-Konferenco de Venezia de grupo de svisaj, italaj kaj alilandaj samideanoj kaj esperanto-amikaj radio-fakuloj, post longaj preparoj nun publikigas sian anoncitan organon „Radio-Servo“.

La Internacia Radio-Revuo „Radio-Servo“, ekaperinta je la fino de lasta monato, presata en la Esperanto-Presejo de nia samideano S-ro Borel, havas la specialan celon, propagandi la nuran uzon de Esperanto kiel internacia radio-lingvo kaj kontraŭbatali la danĝerajn malamikojn de Esperanto.

La internacia Radio-Revuo „Radio-Servo“ publikiĝas ĉiumonate en tutgranda ĉiutag-gazeta formato, ilustrita, ok-paĝa, en du apartaj po-kvar-paĝaj partoj:

I. ĉef-parto, kvar-paĝa, nur esperantlingva;

II. aldon-parto, kvar-paĝa, diverslingva, por tiuj, kiuj ankoraŭ ne komprenas Esperanton por esperantistigi ilin kaj por montri la taŭgecon kaj la senkonkurencan monopolon, kiun posedas Esperanto kiel internacia radio-lingvo.

La „Radio-Servo“ invitas la samideanojn en ĉiuj landoj kunlabori kun ĝi, por esperantistigi la radiistojn.

Sendu vian adreson kaj aliĝon al

*„Radio-Servo“*, Locarno
(Svislando).

# Kunsido de Konstanta Reprezentantaro (K. R.) kun UEA.

Kvardeko da delegitoj kaj reprezentantoj esperantistaj alvenis Ĝenevon por la Kunvenoj de Pasko kaj multaj jam alveturis ĵaŭdon kaj merkredon antaŭ pasko.

Sabaton vespere okazis kunveno de la Centra Komitato ĉe D-ro Privat kaj Dimanĉon posttagmeze la delegitoj kaj membroj de la Ĝeneva Grupo kune vizitis la tombon de la fondinto de UEA, Hector Hodler, kaj admiris la esperantan subskribon sur la marmoro kaj la originalan basreliefon, skulptitan de Pedro Meylan: *Per amo al unueco.*

Parolis tie S-roj *Poncet, Stromboli* kaj *Dietterle,* memorigante pri la granda ŝuldo de ĉiuj esperantistoj je la pionira laboro de Hodler.

En la nomo de UEA S-ro *Jakob* deponis florkronon sur la tombon.

Dimanĉon vespere, je la oka kaj duono, la Ĝeneva Grupo Stelo akceptis la delegitojn en la Zamenhofa domo, kie nun sidas la Internacia Ligo de Virinoj por Paco kaj Libereco. S-ro *Borsa* bonvenigis ĉiujn kaj afable respondis S-roj *Edmonds, Dietterle, Dalanoue, Isbrücker, Kenn, Pitlík, Stromboli, Balkanyi.* Ĉarme parolis S-inoj *Umanski* kaj *Isbrücker* antaŭ la temanĝo.

* * *

## Unua laborkunsido.

Lundon, je la 10.10 h., en Palaco Eynard, tre impona Napoleona Salono, ĝis nun uzita nur por interŝtataj konferencoj. D-ro *Privat* malfermas la kunsidon en la nomo de la Centra Komitato, salutante la reprezentantojn de la Naciaj Societoj, la komitatanojn kaj ĉefdelegitojn de UEA, sidantajn dekstre kaj maldekstre de la verda tablo. K. R. kaj UEA estas la du elektantoj de la C. K. kaj estas kunvokitaj por doni al ĝi sian opinion, siajn dezirojn, kaj siajn decidojn pri financaj kaj propagandaj aferoj.

D-ro *Privat* legas la kontrakton de Helsinki, bazo de la tuta nova organizo de la Esperanto-movado.

Poste, li anoncas kun bedaŭro, ke S-ro *Stettler,* prezidanto de UEA rifuzas novan reelekton en la Komitato pro sia sanstato, kaj ke la Komitato de UEA unuanime elektis lin Honora prezidanto de la Asocio. En ties nomo li prezentas al S-ro Stettler modestan, sed tre artan arĝentan florvazon kun gravurita enskribo, dankante lin pro la 15 jara energia kaj kompetenta sindonado al solidigo de UEA.

S-ro *Stettler* kortuŝite dankas kaj fidas al la nuna direktoro S-ro *Jakob* por sperte gvidi la administran laboron de UEA, dum D-ro Privat prezidu la superan gvidadon. Li mem estos feliĉa liberiĝi iom de tro laciĝaj respondecoj, sed tamen restos fidela aganto por UEA kiam lia sanstato permesos.

Ferminte tiun UEA-parentezon, D-ro Privat tiam vokis S-ron *Edmonds,* sekretarion-kasiston de K. R., por malfermi la laborkunsidon de K. R. kaj voki la reprezentantojn de la Naciaj Societoj.

| | |
|---|---|
| Aŭstruja Esperanto-Delegitaro | S-ro Schade |
| Brita Esperanto-Asocio . . . . | „ Wadham |
| Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista | „ Hromada |
| Ligo de Germanaj Esperantistoj en Ĉeĥoslovakio . . . . . | „ Scholze |
| Danziga Esperanto-Asocio . . . | „ Kreuz |
| Dana Centra Ligo . . . . . | S-ino Blicher |
| Societo franca P. P. E. . . . | S-ro Poncet |
| Germana Asocio . . . . . | S-ro Kreuz |
| Nederlanda Societo . . . . . | „ Isbrücker |
| Hungarlanda Societo . . . . . | „ Balkanyi |
| Itala Federacio . . . . . . . . | „ Vaona (Toschi) |
| Pola Societo . . . . . . . . . | „ Grenkamp |
| Svisa Societo . . . . . . . . | „ Stettler. |

Nur tiuj oficialaj reprezentantoj rajtos voĉdoni pri aferoj de K. R., sed S-ro *Edmonds* salutas ankaŭ la delegitojn de kelkaj Institutoj de Esperanto de diversaj landoj kiuj afable ĉeestas kiel gastoj. Oni poste povos diskuti kiamaniere tiuj institutoj organiziĝu en internacia instituta konsilantaro ĉirkaŭ la instrua fakestro de C. K., D-ro Dietterle.

S-ro *Edmonds,* klarigas la foreston de la Honora Prezidanto de K. R. Generalo Sebert kaj de la efektiva prezidanto S-ro Merchant, pro malsano. Al ambaŭ la kunsido bondeziras tre kore.

S-ro *Edmonds* petas la prezidanton de C. K. prezidi la Kunvenon, kiu cetere povas esti de nun komuna, ĉar ĉiuj temoj interesas samgrade la 2 elektantojn de C. K., nome: K. R. kaj UEA.

Poste oni elektas unuanime kaj ambaŭflanke S-ron *Kreuz,* kiel ĝeneralan sekretarion de la Kunsidoj.

S-ro *Edmonds* anoncas, ke 21 naciaj societoj respondis la cirkulerojn de K. R. kaj unuanime konfirmis la elekton de S-roj Privat, Chavet, Dietterle, Hromada, Kenn kaj Page al la C. K. kaj Merchant kaj Edmonds al estraro de K. R.

S-ro *Jakob* anoncas, ke UEA siaflanke konfirmis la elekton de C. K.

S-ro *Edmonds* donas la jenajn detalojn pri la kotizoj pagitaj de la Societoj:

| *Por la jaro 1923:* | *Jam pagitaj:* | |
|---|---|---|
| Svisa E. S. . . . . . | Sv. Fr. | 100.— |
| Brita E. A. . . . . . | £ | 30.— |
| Pola E. S. . . . . . . | p. Mk. | 500.000.— |
| Esp.-S. de Finnlando . . | K. Mk. | 250.80 |
| C. Dana E. L. . . . . | D. Kronoj | 114.50 |
| Itala E. F. . . . . . . . | l. Liroj | 100.— |
| Brazila L. E. . . . . . | francaj Fr. | 200.— |
| Kalifornia E. A. . . . . | usonaj Dol. | 4.— |
| Aŭstralazia E. A. . . . | £ | 2.2 ŝ., 0 penc. |
| Ĉeĥoslovaka A. E. . . . | ĉ. Kr. | 500.— |
| G. E. L. en Ĉeĥoslovakio | ĉ. Kr. | 100.— |
| Nederlanda S. E. . . . | N. Florenoj | 75.— |
| Sveda E. F. . . . . . | Sved. Kr. | 50.— |
| Franca S. F. p. E. . . . | fr. Fr. | 146.50 |
| Bulgara E. S. . . . . . | Sv. Fr. | 50.— |
| Aŭstruja E. D. . . . . | £ | 2. 0. 0. |

*Baldaŭ pagotaj:*

| | | |
|---|---|---|
| G. E. L. en Bulgario . . | B. Levoj | 300.— |
| E. S. de Estonio . . | E. Mk. | 800.— |
| Belga L. E. . . . . . | B. Fr. | 100.— |

Per tiuj sumoj restas en la kaso de K. R.: 60 £ kaj 246 1/2 francaj frankoj. Por la jaro 1924 pagis la Japana Societo 665.60 francajn frankojn kaj anoncis sin pretaj pagi kotizon la Germana, Rumana, Kataluna, Hungarlanda kaj Riga Societoj.

S-ro *Edmonds* petas K. R. decidi pri la tri jenaj demandoj: financa jaro, bazo de la kotizo, rajto de voĉdono rilate al pago. Post ĝenerala diskuto, komisiono estis petata samtage prezenti tekston, kiun la kunsido poste unuanime akceptis:

*La financa jaro de K. R. komencas kun kalendara jaro, sed la Societoj devas pagi sian kotizon antaŭ la unua de julio; alimaniere ili ne rajtos voĉdoni de post tiu dato ĝis ili pagos.*

*Por la kuranta jaro la kotizo de naciaj societoj estas fiksata je 10% de la UEA-kotizo (simpla membro) por ĉiu membro de la Societo.*

*La Societoj kiuj ne povas pagi tiom rajtos pagi pli malaltan kotizon je minimume la duono, sed kun proporcia malpliigo de la voĉdonrajto. Por ne fermi la pordon al societo, la estraro de K. R. povas escepte fiksi por unu jaro kotizon sub la minimumo, interkonsentante kun petinta societo. Tiam la voĉdonrajto estos ankaŭ proporcie malpliigata. La estraro tion faru nur post atenta esploro de la cirkonstancoj.*

*Intertempe ĉiuj societoj pristudu la demandon pri estonta pli definitiva pagsistemo kaj sendu pri tio koncizajn opiniojn al la estraro de K. R., por ke oni povu prezenti la tutan aferon kiel eble plej klare al la Kongreso en 1925.*

Post tiu akcepto S-ro *Edmonds* fermas la apartan K. R.-diskuton.

*

### Komerca eksperimento.

D-ro *Privat* nun malfermas komunan diskutadon pri la unua temo de la ĝenerala tagordo nome la komerca eksperimento kaj atentigas la delegitojn pri la 8-paĝa oficiala dokumentaro kiu kuŝas sur la tablo je ĉiu sidloko; tie ili trovos unuavice la raporton kaj proponon de S-ro Edmonds.

S-ro *Edmonds* klarigas la sekvojn de la Venezia komerca konferenco kaj detale priskribas la starigon en Britujo de komitato de britaj komercaj organizaĵoj kaj komercistoj por efektivigi rezolucion IX de tiu konferenco.

La komitato dissendis la anglan tekston de la raporto pri la Venezia konferenco al komercaj ĉambroj en diversaj landoj, petante opinion pri la decidoj de la konferenco. Ĝi ankaŭ pristudis la starigon de internacia eksperimento pri la instruado de Esperanto al komercistoj diverslandaj kaj decidis pri tio peti helpon unuaflanke de naciaj societoj esperantistaj.

La *prezidanto* legas leteron de S-ro André Baudet, komitatano de la Pariza Komerca Ĉambro, pri tiu sama punkto. Tiu grava korporacio akceptis partopreni en internacia komitato por aranĝi la eksperimenton. Eble oni povos kunsidi por konstati la rezultojn en venonta printempo 1925 en Parizo.

S-ro *Delanoue,* invitata al la diskuto kiel reprezentanto de la franca societo „Esperanto et Commerce", promesas, ke tiu grupo ekzamenos tiun eblecon kaj eventuale petos la Parizan Komercan Ĉambron, inviti aŭ protekti tian kunvenon en Parizo.

S-ro *Toschi* prezentas zorge preparitan raporton de la Itala Federacio pri tiu ĉi afero. La Itala Komerca Ministro nun permesis kursojn en ĉiuj italaj komercaj lernejoj, sed oni povos tre bone ankaŭ organizi apartajn kursojn specialajn por komercoficistoj sub kontrolo de iu neŭtrala komerca institucio.

Poste S-roj *Scholze, Poncet, Balkanyi, Wadham, Edmonds, Isbrücker, Ellersiek, Kreuz, Dietterle, Döring, Hromada, Grenkamp, Pitlík, Delanoue, Stromboli* kaj profesoro *Bovet,* invitita kiel sciencisto sperta je pedagogiaj eksperimentoj, partoprenas viglan diskuton pri la daŭro de la samtempa eksperimenta kurso en diversaj landoj kaj pri la komenco de la interkorespondado inter la lernantoj.

La jena decido estis unuanime alprenita:

*Oni starigu kursojn de ne pli ol 20 lernantoj por daŭro de ĉirkaŭ 3 monatoj kun fiksa nombro de 25 lecionoj unuhoraj, komencante je oktobro-novembro venonta ĝis januaro-februaro 1925, sub kontrolo de komerca ĉambro aŭ bone konata gazeto aŭ alia kompetenta neŭtrala institucio.*

*Pri la starigo de la kursoj oni kiom eble reklamu en la gazetaro, unue por havigi lernantojn kaj due por altiri la atenton de la publiko al la eksperimento.*

*La lernantoj se eble estu komercistoj diversspecaj.*

*Post la instrua periodo de tri monatoj la kursanoj diverslandaj interrilatigu unu kun alia pri komercaj aferoj por provi la efikecon de sia scio pri la lingvo kaj de ĝia taŭgeco por komercaj celoj.*

*La ateston de la kursanoj tiurilate oni kiel eble plej vaste dissendu por konvinki komercistojn pri la utileco de Esperanto.*

La jenaj delegitoj akceptis preni sur sin aranĝon de tia eksperimento en sia lando aŭ sia urbo kaj interkorespondi kun S-ro Edmonds pri la detaloj.

Alfredo Stromboli, Lungarno Regio 17, Pisa;
Umberto Toschi, Viale Gozzadini 7, Bologna;
Salo Grenkamp-Kornfeld, juristo, Jaslo;
Georges Delanoue, 4 Rue Ch. Divry. Paris XIV;
Jean Couteaux, Av. du Clocher 3, Aulnay sous Bois;
J. R. G. Isbrücker, v. Beverningkstr. 10, s'Gravenhagen;
Friedr. Ellersiek, Wilmsstr. 5, Berlin SW. 61;
Gustav Scholze, Klothildenstr. 6 II, Reichenberg;
Augustin Pitlík, Křemencová 17, Praha II;
R. Hromada, 333 Sochařska, Praha VII;
Paŭlo Balkanyi, Hajos utca 15 II, Budapest;
Franz Schade, Mollardgasse 55, Wien VII;
Charles Edmonds, 21 Russelcroft Rd., Welwyn Garden City;
Pierre Bovet, 14 Ch. Sautter, Genève;
Robert Kreuz, Schließfach 2, Horrem b. Köln.

*

### Komercista adresaro.

S-ro *Hromada,* ano de la C. K., proponas starigon de adresaro de komercaj firmoj kaj publikaj oficoj kiuj povas korespondi per Esperanto havante esperantistojn inter sia oficistaro.

Viglan diskuton pri la metodo partoprenis S-roj *Döring, Privat, Dietterle, Poncet, Jakob, Delanoue, Balkanyi,* atentigante la neceson enmeti nomojn nur kun permeso de la firmoj kaj per tio certigi seriozecon de la afero.

S-ro *Kreuz* deklaris sin preta disponigi por la preparado de la adresaro sufiĉe grandan liston da entreprenoj, uzantaj Esperanton, kiun li serioze kolektis en „Internacia Komerco". Li krome proponis peti la foirajn fakestrojn disponigi la nomojn de firmoj ktp., kiuj jam interrilatis en Esperanto kun ili.

S-ro *Scholze* akceptis por la Foiro de Reichenberg.

La jena teksto de S-ro Hromada en la nomo de Ĉ. A. E. estis unuanime akceptata post iomaj aldonoj:

„Gravan signifon por propagando kaj por praktika apliko de Esperanto havus adresaro de firmoj kaj oficejoj korespondantaj esperante. Bedaŭrinde ni ne posedas tian adresaron kaj, se ĝi ekzistus, ĝi estus treege malgranda kaj modesta, ĉar ĝis nun ekzistas relative tro malgranda nombro da komercistoj-esperantistoj.

Tamen inter la esperantistaro estas rimarkinda nombro da oficistoj okupitaj ĉe komercaj firmoj kaj publikaj oficoj ekzemple inter anoj de E. K. en Praha estas 80 procentoj da tiaj oficistoj.

Tio signifas, ke ekzistas granda nombro da firmoj, kiuj estas kapablaj korespondi esperante, havante oficiston-esperantiston, sed la publiko ne scias pri tio.

Se ni kolektus adresojn de tiaj firmoj kaj oficoj, oni posedus gravan propagandan kaj praktikan helpilon, kiu farus rimarkindan impreson, kiel je ĉiu komercisto, tiel je la larĝa publiko kaj kiu povus esti gvidilo de ĉiuj esperantistoj serĉantaj per Esperanto aĉeto- aŭ vendolokojn.

Konsiderante la grandan propagandan kaj praktikan signifon de tia adresaro, la konferenco rekomendas:

1. *Ĉiu esperantista grupo kaj ĉiu delegito de UEA starigu nomaron de firmoj kaj oficoj (kun permeso de la nomitaj), ĉe kiuj estas okupataj esperantistoj, kaj sendu la nomaron al UEA. La delegitoj klopodu kaŭzi ĝeneralan rekomendon de komerca ĉambro tiasence.*
2. *Ĉiu esperantista grupo kaj ĉiu delegito de UEA petu ĉe la firmoj havantaj oficiston-esperantiston, ke ĝi sur ĉiuj siaj leterpaperoj uzadu atentigon „Oni korespondas en Esperanto", kaj sciigu al ĝi, ke ĝia adreso aperos en speciala adresaro senpage (ĉe grandaj firmoj certe ne restos sen impreso la renkontiĝo de diversfirmaj paperoj kun la dirita rimarko).*
3. *UEA estu petata, ke ĝi kolektadu la adresojn ricevitajn de la grupoj kaj delegitoj kaj publikigadu ilin — laŭfake ordigitajn — komence en „Esperanto" (ekzemple kiel kvarpaĝa, okaza aldono) kaj en Jarlibro, poste eventuale en speciala adreslibro, eldonata kun helpo de pagitaj komercaj anoncoj.*"

S-ro *Poncet* prezentis al la konferenco tre detalan planon pri propagando ĉe komercistoj per 10000 subskriboj de sindevigo al instruado de Esperanto al sia oficistaro, sed li ne insistis, ke la kunsido diskutu ĝin; ĉiu delegito ekzamenu hejme la planon kaj venigu de li pluan ekzempleron de la klarigoj kaj informu lin pri opinioj. (S-ro L. Poncet, Esp. Oficejo, 30 Rue Ferrandière, Lyon).

D-ro *Spielmann*, invitita kiel reprezentanto de la „Internacia Ligo de Poŝtaj kaj Telegrafaj Oficistoj", subtenas tiun vidpunkton, kaj informas ekzemple, ke la Internacia Telegrafa Oficejo en Bern baldaŭ bezonas oficiston esperantistan pro leteroj ricevitaj en tiu lingvo.

Unuanime estas akceptita la propono Grenkamp:

*En persona negocado eksterlande oni nepre uzu Esperanton eĉ kun neesperantistaj firmoj.*

* * *

## Dua laborkunsido.

### UEA kaj naciaj societoj.

La *prezidanto* malfermas la duan laborkunsidon lundon posttagmeze je la 3a horo kaj klarigas, ke en la nuna tempo ne plu taŭgas paroli unuflanke pri UEA kaj aliflanke pri aliaj organizoj kvazaŭ estus diversaj kampoj en la esperantistaro. De post la kontrakto de Helsinki la tuta afero estas unu sama kun du agadkampoj. Ekzistas naciaj societoj por propagandi nacilingve en certa teritorio, kaj internacia organizo de la individuaj esperantistoj por la ĝenerala uzo kaj disvastigo de la lingvo, kiu per si mem povas nur internacie efiki en la tuta mondo.

Estas do la devo de UEA daŭre sin meti al la dispono de naciaj societoj por havigi al ili valoran materialon per la ebligo de esperanta uzado, kiel ekzemple la Jarlibro aŭ por la propagando kiel ekzemple per teknikaj konferencoj ktp.

Siaflanke estas la devo de la naciaj societoj varbi ĉiujn esperantistojn en sia lando por nia oficiala internacia asocio UEA. Anstataŭ konkurenco, la nova aranĝo devas krei male intiman kunlaboradon.

La konferenco ricevis interesan proponon de S-ino *Isbrücker*, prezidantino de la Haga Grupo, pri aŭtomata samtempa membriĝo al loka aŭ nacia societo kaj UEA.

S-ro *Isbrücker* opinias malfacila devigi iun ajn, sed oni povus konsideri faciligon de samtempa aliĝo. Ĉiuokaze oni nepre metu en la tagordon de naciaj kongresoj apartan tempon por klarigi kaj varbi por UEA.

S-ro *Dietterle* subtenas tiun vidpunkton kaj opinias, ke ankaŭ en la universalaj kongresoj oni povus varbi 1000 aŭ 2000 novajn anojn inter 4000 aŭ 5000 partoprenantoj.

La propagando por UEA estis multe tro delikata ĝis nun, ĝi devus fariĝi iom pli brua kaj pli moderna. La naciaj reprezentantoj ĉi tie sin devigu publike raporti kaj propagandi en sia venonta nacia kongreso pri nia nuna internacia organizo UEA.

S-ro *Wadham* opinias tute ebla, ke ekzemple la Brita Asocio havu naciajn kaj internaciajn membrojn. La unuaj pagus la ĝisnunan kotizon 10 ş. kaj la duaj unu funton sterlingan, kies duono irus al Ĝenevo por kotizo de membro-abonanto. Li estas preta rekomendi tian aranĝon al B. E. A. kaj ĝojus, ke aliaj landoj simile agu. Tiamaniere la naciaj societoj fariĝu mem varbantoj por la oficiala universala asocio.

S-ro *Jakob*, volonte disponigos al la naciaj societoj certan kvanton de la broŝuro ilustrita „UEA en la juĝo de la esperantistoj", se ili sin turnas al la Centra Oficejo en Ĝenevo, sufiĉatempe antaŭ sia nacia kongreso.

S-ro *Balkanyi* proponas, ke UEA donu procentajon kiel premion al naciaj societoj por varbado.

S-ro *Grenkamp* subtenas la ideon kaj instigas la ĉeestantojn doni la ekzemplon per propra aliĝo kiel dumviva membro; li mem estas preta kaj aliĝas tuj je 300 frankoj oraj. (Aplaŭdo.)

S-ro *Hromada* proponas kunlaboradon de la naciaj societoj per komuniko al UEA de siaj membrolistoj por ebligi alvokon al tiuj anoj kiuj ankoraŭ ne aliĝis internacie.

S-ro *Döring* preferus aliĝon al UEA eĉ kun forlaso de ĉiu nacia grupiĝo, ĉar nur la internacia estas grava.

S-ro *Rockmann*, estrarano de UEA, kontraŭe juĝas necesa la konservon de naciaj societoj, sed konsilas interkonsenton kun ili.

S-ro *Stettler* je la nomo de UEA dankas al la reprezentantoj de naciaj societoj pro ilia fervora kunhelpo kaj petas transdoni al la societoj la oficialan dankon de la Universala Esperanto-Asocio kaj la gratulon pri la nova atmosfero tre ĝojiga kiu nun regas en la esperantistaro.

S-ro *Edmonds* konstatas efektive tiun internacian atmosferon, kiu estas ĝuste la plej valora rezultato de la UEA 15-jara laborado, kristaligita nun per la kontrakto de Helsinki. Li insistas, ke la tuta esperantistaro bone komprenu, ke UEA estas nia ĝenerala oficiala asocio tutmonda.

La jena rezolucio estas unuanime akceptita de la reprezentantoj de la naciaj societoj:

*La kunveno de K. R. en Ĝenevo, 22 aprilo 1924, konvinkita, ke la internacia rolo de Esperanto kaj pro ĝi la oficiala internacia organizo de la individuaj esperantistoj (UEA) meritas la plej viglan atenton de la naciaj societoj, varme rekomendas al ili:*

*a) ke ili ne preterlasu okazojn propagandi por UEA kaj montri al siaj membroj la neceson partopreni la internacian movadon;*

*b) ke ili ebligu la samtempan aliĝon al la nacia societo kaj al UEA, ĉu kreante specialan klason de membroj internaciaj, ĉu faciligante ĝin almenaŭ per administraj metodoj starigotaj interkonsente kun la estraro de UEA.*

D-ro *Stromboli* opinias, ke la tempo jam pasis por nacia organizado de nia movado kaj ke nur la internacia povas vere efiki. Ĉiuokaze oni varbu la lernintojn en la fino de la kursoj kaj ne lasu ilin forflugi.

D-ro *Privat* konstatas, ke la italoj fariĝis la postmilitaj filozofoj de la Esperanto-movado, kaj faras radikalajn proponojn por renversi la akceptitajn ideojn. Jam en Hago komandanto Alessio iniciatis gravajn ŝanĝojn kaj estis necesaj tri jaroj por iom ekmarŝi en lia direkto. Ni ne povas iri tiel rapide kaj D-ro Stromboli devos ankoraŭ atendi iom da tempo. Dume nacilingva propagando estas tre utila kaj naciaj societoj havas sian rolon por tio.

Pri la kursoj li komunikas proponon de S ro *Poncet* antaŭsenditan al la konferenco kaj ankaŭ subskribitan de S-ro *Levin*, ĝenerala sekretario de la grupo en Lyon. Unuanime oni akceptas la jenan rezolucion:

*Konsiderante:*

1. *ke Esperanto estas internacia helplingvo, kies praktikan aplikon oni devas plej frue montri al lernantoj;*
2. *ke UEA estas plej taŭga aplika Esperanto-organizaĵo;*
3. *ke estas dezirinde konservi la intereson de lernintoj, por ke ili poste sin dediĉu mem al propagando;*
4. *ke multaj personoj lernas Esperanton ekster kursoj;*

*la K. R. esprimas deziron, ke:*

1. *ĉiu kursgvidanto je fino de kurso adresu al UEA liston kun profesioj kaj adresoj de siaj lernintoj, al kiuj UEA sendus unu ekzempleron de „Esperanto“ kun aliĝilo kaj eble alia taŭga propagandilo;*
2. *ĉiu kursgvidanto forte instigu siajn lernantojn aliĝi al UEA kiel membro-abonantoj;*
3. *ĉiu aŭtoro de lernolibro aldonu ĉe fino de l' libro informojn pri la servoj de UEA kaj plenigotan formulon por aliĝo al UEA.*

S-ro *Jakob* sendigos ekzempleron de la gazeto „Esperanto“ al adresoj montritaj de kursgvidintoj, se ili sendos al la Centra Oficejo en Ĝenevo malgrandan liston de siaj 5 ĝis 10 plej seriozaj lernintoj.

Responde al S-ro *Isbrücker* li proponas la samon por kontentigi novajn membrojn kiuj devos atendi tri semajnojn por ricevi la membrokarton kaj jarlibron. Tiamaniere ili almenaŭ ricevos tuj ian presaĵon.

*

## Statistiko.

D-ro *Dietterle*, fakestro de C. K. por instruado kaj statistiko, resumas sian raporton jam aperintan en la oficiala dokumentaro de la konferenco. Li insistas pri la graveco de akurataj statistikoj kaj montras, ke la ĵusaj favoraj dekretoj de germanaj ministroj estis antaŭ ĉio ŝuldataj al ĝustaj ciferoj, kiuj ebligas konstati, ke por tricent instruistoj sciantaj Esperanton, oni trovas meze du aŭ tri kiuj preferas alian helplingvon. Post mallonga diskuto pri tiu ĉi temo la jena rezolucio estis unuanime alprenata:

*La kunveno, konstatante, ke la plej gravaj sukcesoj de Esperanto estis atingataj per efiko de statistiko kaj ke bedaŭrinde multaj esperantistoj ne sufiĉe atentas tion, rekomendas, ke la akurata respondo al statistikaj demandaroj estu konsiderata kiel esenca devo.*

D-ro *Dietterle* poste raportas pri bibliografio kaj admiras la komencitan laboron de la Centra Oficejo en Parizo antaŭ la milito. Estas bedaŭrinde, ke la tasko restis nefinita. Nun urĝus almenaŭ plenigo de la simpla katalogo Davidov fermita en 1911. Pro la komplikeco de la decimala klasifiko kaj la neceseco atingi rapide rezultaton, D-ro Dietterle forlasis tiun sistemon kaj kontentiĝas pri nomaro laŭ fakoj. Ĉiu nacia societo sendu al li sur slipoj la precizan titolon ktp. de ĉiu Esperanto-verko aperinta depost 1910. Post rimarkoj de S-roj *Balkanýi* kaj *Toschi* la konferenco rekomendis al C. K., organizi tiun aferon kun la naciaj societoj.

*

## Centra Biblioteko.

La *prezidanto* raportas, ke la C. K. deziras doni subvencion el la mono kolektita de K. R. por ebligi la konservadon de la Biblioteko de la Centra Oficejo en Parizo. Sed, ĉar ni ne disponas grandan sumon entutan, la C. K. bezonas scii kian proporcion de la Centra Budĝeto la naciaj societoj konsilas dediĉi al tiu afero. Oni eble povus fari aranĝon kun la francaj esperantistoj, por ke ili prenu parton de la elspezoj je sia ŝarĝo por konservi samloke franclingvan propagandejon kaj savi la bibliotekon per komuna alpago.

S-roj *Poncet* (Franca Societo) kaj *Delanoue* (Esperanto et Commerce) ne ricevis instrukciojn por respondi en la nomo de francaj samideanoj. Cetere la demando estas tre malfacila kaj grandaj monsumoj mankas.

S-roj *Toschi, Balkanýi, Isbrücker* rimarkigas, ke grandpene la naciaj societoj kolektis monerojn por la C. K. per K. R. kaj ne povus konsenti, ke tiu mono servu por simpla konservado de libroj en polvo. La mono devas iri ne al biblioteko sed al propagando, al teknikaj konferencoj aranĝataj de C. K. Por tio, kaj ne por biblioteko, ĝi estis kolektita.

S-roj *Stromboli* kaj *Pitlík* proponas, ke oni ŝparu la monon kaj ke la biblioteko estu transdonata al ŝtata biblioteko aŭ universitato.

S-roj *Dietterle* kaj *Edmonds* malakceptas tiun vidpunkton, dirante, ke la biblioteko devas aparteni al la esperantistaro kaj resti je ĝia dispono.

S-roj *Stettler* kaj *Ellersiek* rimarkigas, ke eldonistoj sendis siajn librojn al Parizo, kredante, ke la biblioteko apartenas al la esperantistaro.

D-ro *Privat* demandas, kion devas fari la C. K. en tiu rilato, se la naciaj societoj ne permesas al ĝi doni la monon intencitan kaj samtempe malkonsentas je transdono al ekstera institucio.

S-ro *Edmonds* formale proponas, ke C. K. akiru la bibliotekon kaj decidu mem pri ĝia transporto tien, kie ĝi povas plej utile kaj plej malkare konserviĝi. En la nomo de la britaj esperantistoj li certigas, ke oni trovus en Londono taŭgan sidejon esperantistan kaj sufiĉe da mono por pagi zorganton.

S-ro *Kenn* deziras, ke la biblioteko restu en Parizo sub zorgo de la C. K.

Per alvoka voĉdono la reprezentantoj de naciaj societoj decidas:

*Ke la C. K. ne rajtu subvencii la bibliotekon en Parizo, se ĝi ne estos transdonata kun ĉiuj rajtoj al la C. K. kaj en tiu lasta okazo ne elspezu por ĝia konservado pli ol kvarono de sia jara budĝeto. La C. K. tuj klopodu akiri la plenan posedon de la biblioteko traktante kun la konservanto, Generalo Sébert, al kiu la tuta esperantistaro estas danka pro tiu valora fondaĵo.*

S-ro *Poncet* voĉdonas jes ad referendum, ĉar la S. F. p. E. ne donis al li instrukcion pri tiu ĉi punkto.

Poste la komuna kunsido de K. R. kun UEA decidas ambaŭflanke unuanime, ke la diversaj oficialaj institucioj ŝparu kostojn de sekretariejo per la jena sistemo:

Lingva Komitato kaj Akademio elektu sian propran sidejon, eventuale ĉe la prezidanto;
K. R. fiksu sian sidejon en Londono ĉe la nuna estraro;
C. K. uzu la Centran Oficejon en Ĝenevo.
Ĉiuj subkomisionoj de la C. K. havu sidejon ĉe la fakestro respektiva.

*

## Kongreso en Vieno.

Lundon vespere je la 8.45a la konferenco havis noktan kunsidon por akceli la plenumon de la tagordo.

S-ro *Schade* alportas tre detalan informaron pri la tuta aranĝo de la loka organiza komitato en Vieno kaj montras, kiamaniere la unuaj tri tagoj de la Viena Kongreso estos plene dediĉotaj al serioza laboro (kun distraj vesperoj), kaj la sekvantaj tri tagoj estos dediĉotaj al amuzaĵoj, teatraj prezentadoj kaj kelkaj fakaj kunsidoj.

Poste okazas tre utila ĉirkaŭtabla interdemandado kaj respondado inter la delegitoj kaj S-ro Schade pri ĉiuj flankoj de la kongresa organizo. Fine D-ro *Privat* dankis S-ron Schade por la afabla informado kaj rekomendis, ke ĉefa zorgo estu direktata al la gazeta propagando, valorigo de la kongreso.

La Loka Komitato aranĝos specialan centron por la ĵurnalistoj, sed estos necese, ke ĉiuj naciaj societoj klopodu por alkonduki kun si unu aŭ du gravajn korespondantojn de taĝĵurnaloj.

Ĝis nun tiu parto de nia propagando estis vere tro malatentita, dum ĝi estas preskaŭ pli grava ol la kongreso mem, ĉar je kio utilas la plej bela sukceso, se neniu aŭdas pri ĝi ekstere.

S-ro *Kreuz* rekomendas, ke la diversaj fakaj esperantistaj organizaĵoj komencu jam nun seriozan antaŭpreparon de sia kunsido en Vieno. Subtenas tiun vidpunkton S-roj *Isbrücker, Stromboli, Spielmann.*

D-ro *Privat,* interkonsente kun la financa fakestro de C. K., demandas, ĉu la loka komitato estas preta starigi imposton de 10 procentoj sur ĉiuj plezurbiletoj dum la Viena Kongreso por havigi iom da mono por la propaganda kaso de C. K.

La konferenco unuanime decidas subteni tiun peton kaj S-ro Schade ĝin transdonos kun subteno al la Loka Komitato.

S-ro *Stettler* petas klarigojn pri la kontoj de la kongresoj ĝenerale. En tiu rilato regas ĝis nun plena mallumo kaj oni ne scias kion faris K. K. K.

D-ro *Privat* respondas, ke de post la funkciigo de la kontrakto en Helsinki la K. K. K. devus fariĝi subkomisiono de la Centra Komitato, sed kelkaj ĝiaj membroj ne akceptis tiun situacion kaj volas daŭrigi la antaŭan sistemon. La Centra Komitato mem estas tute ne informita pri la ĝisnunaj kontoj kaj estus nun necese iel ajn komenci sur tute nova bazo de post Vieno. Li petas opiniojn pri tiu ĉi problemo.

S-ro *Isbrücker,* organizinto de la Haga Kongreso, konstatas, ke li mem sidis kelkjare en la K. K. K. kaj neniam vidis aŭ aŭdis ion pri la profitmono kiun li transdonis post la kongreso. Tia sistemo ne devas plu daŭri. Krom pri la loko de estonta kongreso la K. K. K. neniam petis de li ian konsilon pri la organizaj spertoj faritaj. Estas do demando, ĉu tiu kongresa komisiono vere nun utilas aŭ malutilas. Li proponas, ke oni forigu tiun superfluan organizaĵon kaj decidu, ke Centra Komitato mem zorgos pri kongresoj kun la helpo de loka komitato kaj havu tiacele fakestron inter siaj ses membroj. Tiu fakestro povos laŭvole sin ĉirkaŭi per konsilantoj el antaŭaj kongresorganizintoj.

S-roj *Hromada, Kreuz, Wadham, Grenkamp, Schade, Edmonds, Balkanýi* tre energie subtenas tiun vidpunkton por ĉesigi malklaran situacion. D-ro *Privat* kaj D-ro *Dietterle* rimarkigas, ke simila decido necesigus ŝanĝon de kontrakto de Helsinki. Ĉu ne sufiĉus, ke la konferenco interpretu la paragrafon 4, igante tute klara, ke la K. K. K. estas nur subkomisiono?

S-roj *Isbrücker* kaj *Stettler* respondas, ke neniel utilas eternigi malklaraĵojn. K. R. kaj UEA elektis C. K. por ordigi ĝuste tiujn aferojn. Ili rajtas korekti sian propran tekston, kiam ili volas, ĉar ili estas la pagantoj kaj la decidantoj.

La *prezidanto* informas, ke ĉiuokaze komuna decido de K. R. kaj UEA tie ĉi devus nepre esti poste submetata al balota konfirmo skriba de K. R. kaj UEA.

La jena teksto nova estis akceptata per alvoka voĉdono por la modifota artikolo 4 de la Helsingforsa kontrakto:

*La Centra Komitato okazigas la universalajn kongresojn kaj komisias ilian lokan aranĝon al loka organiza komitato.*

Respondis j e s la societoj pola, nederlanda, germanbohema, ĉeĥoslovaka, aŭstra, hungara, svisa, germana; sin detenis brita, dana kaj franca delegitoj, klarigante, ke, ĉar la afero ne staris sur la tagordo, ili rajtas nur ĝin referi al siaj respektivaj societoj, malgraŭ sia persona simpatio al la decido. Iliaj societoj respondos skribe post esploro.

La *prezidanto* konstatas, ke la decido ne povas fariĝi valida ĝis K. R. kaj UEA komunikos al la Centra Komitato la rezultaton de posta skriba baloto pri tio. La ĉi-tiea voĉdono povas esti nur interkonsenta propono al ambaŭ korporacioj.

Laŭ propono de S-ro *Stettler* estas poste unuanime decidite, *komisii la Centran Komitaton esplori la tutan financan problemon de la estontaj kongresoj.*

La kunsido fermiĝis noktomeze.

* * *

## Tria laborkunsido.

### Gazetservo.

Mardon matene je la 10.05ᵃ la prezidanto malfermas la diskuton pri gazetservo kaj atentigas pri la grava raporto de S-ro Hromada en la oficiala dokumentaro.

S-ro *Hromada,* fakestro de C. K. por gazetservo, resumas sian raporton kaj insistas pri la urĝa neceso, diskonigi al la mondo la ekzistantan faktaron de la esperantista vivo. Tro multe da naciaj societoj ne sufiĉe atentas tiun gravan devon kaj la rezultato estas, ke la mondo scias multe malpli pri la progreso de Esperanto ol la vero. Multaj personoj miras kaj konvinkiĝas kiam ili vidas, ke nia afero jam vivas kaj funkcias. Aliparte estas ankaŭ tre bona reklamilo por Esperanto, kiam oni represas bonan artikolon pri ekstera afero havigitan per Esperanto aŭ aperintan en Esperanto-gazeto. La nura noto post la artikolo impresas la leganton. De post iom da tempo tiu represado multe disvastiĝis.

En Ĉeĥoslovakio la Ĉ. A. E. havas bonan gazetservon kun 150 kunlaborantoj, inter kiuj 50 laboras konstante kaj regule. La rezultato estas, ke la tuta lando aŭdas ofte pri nia afero.

D-ro *Privat* dankas la raportinton kaj konigas la detalan planon senditan de S-ro Poncet pri simila gazetservo en Francujo.

S-ro *Balkanýi* priskribas la gasetservon de la Hungarlanda Societo. Depost la unua de januaro li mem ricevis el Budapest kaj el provincoj 150 gazeteltranĉojn inter kiuj 58 per Esperanto kaj 92 pri Esperanto.

S-ro *Delanoue* raportas pri la gazetservo en Parizo kaj aprobas la ideon de internacia centro por informi la naciajn gazetservojn, same S-ro *Vaona* pri Italujo kaj S-ro *Isbrücker* por Nederlando.

D-ro *Dietterle* priskribas la funkciadon de la germana gazetservo kaj aprobas la internacian planon, kun centro sub la gvidado de S-ro Hromada.

S-ro *Wadham* raportas pri la brita aranĝo kaj ankaŭ subtenas la ideon de internacia organizo, sed atentigas, ke la brita gazetservo povas nur dissendi novaĵojn p r i Esperanto, sed ne pri aliaj temoj por ne riski falon en reklamon aŭ en naciaĵojn.

La jena rezolucio estis unuanime akceptata:

*La Ĝeneva kunveno aŭdinte raportojn de S-ro Hromada kaj de la diversaj naciaj societoj brita, ĉeĥoslovaka, franca, hungara, itala, nederlanda pri la gazeta servo en siaj landoj danke akceptas ilin, kaj esprimas la deziron, ke ĉ i u j naciaj societoj reprezentataj en K. R. starigu jam en 1924 esperantan gazetservon interkonsentante pri tio kun la Centra Komitato (Fakestro: S-ro Hromada, 333 Sochařska, Praha VII).*

D-ro *Privat* konigas gravan proponon de la rumanaj esperantistoj S-roj Fischer kaj Ĉe pri eldonado de sciencaj verkoj. Cetere en la oficiala dokumentaro troviĝas ankaŭ la raporto de profesoro Backheuser pri la sama temo. Estas certe, ke ĉinaj, japanaj aŭ eĉ estonaj, latvaj aŭ albanaj studentoj tute ne esperantistaj havus avantaĝon eklerni Esperanton almenaŭ por ĝin legi, se ekzistus en tiu lingvo la ĉefa verkaro de tutmonda scienco, kiun oni trovas nur en unu el la ĉeflingvoj de Eŭropo kaj Ameriko.

S-ro *Stettler* proponas, ke oni komisiu la Centran Komitaton esplori la aferon. Post diskuto, en kiu estas ankaŭ diversfoje aludata al la grava traduko de la malnova testamento de D-ro Zamenhof, oni esprimis unuanime la jenan deziron:

*Konsciante la gravecon eldoni en Esperanto ĉiujare unu aŭ du el la ĉefaj sciencaj verkoj de la tutmonda scienca trezoro, kaj ankaŭ la neceson baldaŭ publikigi la malnovan testamenton tradukitan de D-ro Zamenhof, dankas al ĉiuj esperantistoj, kiuj iniciatis tiun ĉi aferon, kaj esprimas la deziron, ke la Malnova Testamento povu baldaŭ esti publikigita kaj ke la eldono de sciencaj verkoj komencu kiel eble plej frue, komisias la Centran Komitaton esplori kaj akceli tiun ĉi aferon.*

*

### Ekzamenoj.

La *prezidanto* konigas diversajn leterojn proponantajn internaciajn ekzamenojn kaj la refunkciigon de la Internacia Instituto de Esperanto, fondita en 1907 kaj oficiale aprobita de la IVª Universala Kongreso de Esperanto (Dresden) por kreo de normalaj lernejoj kaj de internaciaj diplomoj. (Vidu pli poste la oficialan statuton de la internacia instituto.)

Li demandas, kion opinias pri tio UEA kaj la naciaj societoj.

La ĉefa celo de la instituto estis antaŭ la milito certigi la unuecon de la lingvo, speciale en elparolado kaj esprima klareco; rilate al tio internaciaj ekzamenoj kun internacia juĝantaro povas tre efiki. Ankaŭ ekzistas multaj landoj, kiuj ne posedas nacian Esperanto-instituton kun oficialaj diplomoj kaj pro tio deziras la internaciajn.

S-ro *Kenn* subtenas tiun restarigon, ĉar en Ĉina Respubliko la efiko de internacia diplomo estas multe pli granda ol tiu de nacia.

D-ro *Dietterle* atentigas pri la registara kontrolo de naciaj diplomoj en kelkaj landoj kaj opinias, ke oni lasu malsaman olon al la naciaj institutoj kaj al eventuala internacia servo ekzamena. Pri ekzamenoj en kongreso li rekomendas ne tion fari, sed uzi tempon antaŭe aŭ poste.

D-ro *Stromboli* memorigas la interesan planon de D-ro Privat antaŭ 15 jaroj pri fondo de internacia Esperanto-universitato komencante per organizo de somerkursoj en Esperanto pri gravaj temoj de nia literaturo, sintakso, historio kaj instruado. Nun venis la momento repreni tiun aferon por ĝin ekrealigi.

S-ro *Poncet* kaj *Wadham* subtenas la ideon de ia internacia konsilantaro ekzamena ĉirkaŭ la instrua fakestro de C. K. En ĝi sidu po unu reprezentanto de la naciaj institutoj aŭ ekzamenaj komisionoj kaj la nomo estu „Internacia Instituto de Esperanto“ laŭ la malnova statuto, kiu jam antaŭvidis la sidejon en Genève.

D-ro *Dietterle* demandas, de kie venos la mono.

S-ro *Pitlík* respondas, ke ĉiu instituto povus tre bone pagi sufiĉe altan kotizon al la Centro, same kiel la naciaj societoj faras al K. R.

S-ro *Schade* atentigas, ke la antaŭkongresaj ekzamenoj kun enskriba pago povos ankaŭ doni rimedojn al la Internacia Instituto kaj ĉiuokaze pagi la vojaĝon de la internacia juĝantaro, kondiĉe, ke la afero estu anoncata frue por ebligi sufiĉan nombron da enskriboj.

La jena rezolucio estis unuanime akceptata:

*La Centra Komitato restarigu sub sia instrua fako la Internacian Instituton de Esperanto kun konsilantaro entenanta po unu reprezentanto de ĉiu instituto aŭ nacia komisiono, kiu akceptos partopreni en la komunaj elspezoj por regula kotizo fiksota interkonsente.*

La *prezidanto* legas telegramojn de Sveda Esperanto-Federacio, Esperanto-Asocio de Finnlando, de S-ro Pedrazzini en Locarno kaj S-ro Blaise, komitatano de UEA en London.

*

### Kongreso 1925.

La *prezidanto* malfermas diskuton pri la loko de la Universala Kongreso en 1925. Decidos la C. K., sed estus utile doni al ĝi kelkajn proponojn jam antaŭ Vieno.

Interesa diskutado okazas pri tiu ĉi punkto kaj kelkaj proponoj aŭdiĝas tute private pri diversaj eblecoj, Milano, Parizo, Londono, kongreso sur ŝipo veturanta aŭ sidanta en grava haveno, kongreso sur montoj en granda kuracloko ktp. La afero estas lasata al esploro de C. K., kiu definitive decidos.

*

### Teknikaj konferencoj.

La *prezidanto* malfermas duan nepublikan diskuton pri la estontaj teknikaj konferencoj. Ĉiuj delegitoj de naciaj societoj esprimas sian ŝaton al la sistemo de teknikaj konferencoj en printempo kun antaŭkunsido de niaj oficialaj institucioj. La Centra Komitato ankaŭ devas mem decidi post esploro de ĉiuj kaj interkonsente kun UEA, kiu koncentrigas la informojn pri fakoj kaj ĉiutage mezuras laŭ la korespondado la ekzistantajn fortojn en la diversaj kampoj.

*

### Interveno en naciaj diversaj aferoj.

La *prezidanto* raportas pri interveno farita aŭ farota en diversaj gravaj internaciaj aferoj kaj multaj delegitoj alportas utilajn informojn por tiu grava internacia propagandlaboro.

Estas decidite, ke ĉiu nacia societo, kiu deziras fari proponon pri interveno en internacia kongreso aŭ ĉe internacia oficejo bonvolu informi frue antaŭe la estraron de K. R. (S-ro Edmonds, 21 Russelcroft Rd. Welwyn Garden City, Anglujo), kiu informos ĉiujn naciajn societojn per cirkulero.

*

### Leterkesto de K. R.

Estas ankaŭ decidite, ke la sekretariejo de K. R. povos dank' al afableco de S-ro Edmonds, ĉiam dissendi iun ajn gravan informon aŭ dokumenton al la naciaj societoj, se oni sin turnos al la centro por tiu celo.

*

### Plendoj diversaj.

S-ro *Stettler* petas, ke oni neniam uzu la nomon de UEA aŭ de iu ajn oficiala institucio sen ĝia formala permeso. Li bedaŭras la uzon de la nomo de UEA en petskribo pri poŝto, kies celo estas laŭdinda, sed kies teksto ne estis submetita al UEA kaj entenas diversajn erarojn tre bedaŭrindajn.

Diversaj delegitoj el pluraj landoj plendis pri agmaniero de S-ro Hj. Unger, kiu pruntis kaj perdigis gravajn monsumojn de pluraj esperantistoj aŭ societoj kaj uzas senpermese rekomendojn de aliaj personoj, kio tre malutilas al la bonfamo de la Esperanto-movado.

La *prezidanto* diras, ke la kunsido povas fari nenion tiurilate krom enskribi la fakton de tiuj plendoj en la protokolo kaj elekti komisionon por esplori ilin. S-roj Stettler, Ellersiek, Kreuz estas elektitaj por tiu esploro.

*

**Oficiala organizo de Esperanto-Movado.**

S-ro *Balkanyi* demandas, kiel prezice nun funkcias la nuna organizo de la Esperanto-movado.

La *prezidanto* respondas, ke la decida povo pasis de la manoj de okazaj festkongresoj en tiujn de la konstantaj laŭleĝaj organizaĵoj de la esperantistaro, nome la naciaj societoj kaj UEA, kiuj havas la povon voĉdoni kune pri gravaj demandoj pere de la nova organizo kaj ankaŭ elektas interkonsente la Centran Komitaton, komisiatan al supera gvidado de nia internacia movado kaj al plenumo de la decidoj. Pri la lingvaj aferoj daŭre zorgu aparte la Lingva Komitato.

Kunvenoj de K. R. kun UEA povas decidi organizajn aferojn, se ili estis frue antaŭe anoncitaj en tagordo kaj se la reprezentantoj venas kun instrukcioj. Se ne, la balotoj estas submetataj al skriba konfirmo de la naciaj societoj kaj de UEA.

Fermante la lastan laborkunsidon mardon tagmeze, D-ro *Privat* dankas ĉiujn delegitojn pro ilia bonvolo kaj pacienco kaj deziras al la societoj, kiujn ili reprezentas, la plej bonan sukceson por metoda apliko de la komunaj interkonsentoj.

Genève, 23 Aprilo 1924.

La ĝenerala sekretario de la konferenco:
Robert Kreuz

Por Centra Komitato: Edmond Privat, prez.

Por K. R.: Charles Edmonds

Por UEA: Hans Jakob.

# Internacia Instituto de Esperanto.

## Celo.

La fondo de l' Internacia Instituto de Esperanto estis oficiale aprobita de la IVa Universala Kongreso de Esperanto „por kreo de normalaj lernejoj kaj internaciaj diplomoj".

La Instituto konsideras Esperanton kiel vivantan lingvon de nun praktikan kaj de iu ajn uzeblan por ĉiuj internaciaj rilatoj. La Instituto havas la jenan celon:

1. Favori kaj faciligi plenan kaj profundan studadon de Esperanto kaj esperantismo.
   Prepari bonajn Esperanto-instruantojn.
2. Liveri al Esperanto-lernantoj diversgradajn atestojn, kiuj montras ilian konon de Esperanto kaj esperantismo. Liveri diplomojn al Esperanto-instruantoj.
3. Alcentrigi praktikajn informojn pri instruado de Esperanto por la utilo de siaj diplomitoj.
   Diskonigi kaj uzigi bonajn metodojn por la instruado de Esperanto, interalie kaj tre speciale la parolan metodon.
4. Zorgi por ĉi konservi kaj ĉiam pligrandigi internacian unuecon de la lingvo, speciale en elparolado kaj esprima klareco.
5. Organizi, kie estas eble, praktikajn lernejojn de Esperanto kun la helpo de siaj diplomitoj por laŭeble havigi al ili laboron.
   Por havigi lernantojn al tiuj lernejoj la Instituto faros reklamon kaj propagandon por Esperanto, speciale en tiuj regionoj, kie ankoraŭ ne ekzistas Esperanto-societoj.
6. Favori kaj laŭeble organizi interŝanĝojn de instruantoj de lando al lando kaj rondvojaĝojn de paroladistoj aŭ kursfarantoj.
7. Ekstarigi internacian Esperanto-universitaton komencante per organizo de someraj kursoj kaj ekzamen-kunsidoj okaze de esperantistaj kunvenoj kaj speciale de l' universalaj kongresoj de Esperanto.

La Instituto konsideras kiel sian laborkampon ĉiujn landojn de la mondo kaj kunlaboras kun la Universala Esperanto-Asocio por ebligi ĉiam pli vastan realigon de la interna ideo de esperantismo, kiu estas nedisigeble ligita al la vivo de la lingvo mem.

*

## Sperto.

Jam de la jaro 1907 funkciadas la Instituto. Jam ĝi preparis kaj ekzamenis multajn kandidatojn, kiuj poste fariĝis utilaj instruantoj de Esperanto.

La Instituto organizis unuan serion de someraj kursoj en Chautauqua (New-York) en 1908 okaze de l' unua nacia kongreso de nordamerikaj esperantistoj. Ekzamenkunsidojn ĝi organizis ĉe diversaj aliaj naciaj kunvenoj kaj ĉe la Va Universala Kongreso en Barcelona, kie ĝi ricevis tre grandan sukceson.*)

La Direkcio de l' Instituto povis jam fari multajn kaj detalajn observojn pri la studado de la lingvo en la diversaj landoj kaj konservas nun ĉe sia centra oficejo en Ĝenevo interesan kolekton da dokumentoj kaj precizaj statistikoj kiuj ebligas al ĝi doni utilajn konsilojn aŭ informojn.

La Instituto jam profitis tiun sperton por efike helpi studantojn en multaj landoj per koresponda konsilado, proponado kaj korektado de ekzercoj ktp.

*

## Organizo.

En ĉiu distrikto la Instituto estas reprezentata de juĝantaro konsistanta el 3 personoj (unu ĉefjuĝanto, du helpantoj) mem diplomitaj. Al ĝi sin turnu ĉiuj personoj, kiu deziras ekzameniĝi. Tiu juĝantaro ekzamenas la kandidatojn por la diversaj ekzamenoj, proponas la notojn al la direkcio, alcentrigas ĉion, kio koncernas la Instituton en la sama distrikto.

La sidejo de la Instituto estas en Genève, kie ekzistas kompetenta juĝantaro por ekzameni ĉiujn skribajn laborojn kaj decidi pri la livero de la atestoj kaj diplomoj. Tiu juĝantaro konsistas el lertaj esperantistoj el diversaj nacioj. La lingva aŭtoritateco de la Instituto estas certigata per Helpa Konsilantaro, en kiu troviĝas plej fame konataj esperantistoj, kaj per la vortoj diritaj de D-ro Zamenhof pri la Instituto ĉe ĝia solena kunveno en Barcelona la 7an de septembro 1909.

La gazeto „Esperanto" estas la oficiala organo de la Instituto.

*

## Ekzamenoj.

La Instituto organizas ekzamenojn por tri diversgradaj diplomoj (I, II, III).

### I. Atesto pri studado.

Tiu ekzameno estas nur skriba. Ĝi estas speciale rekomendata al ĉiuj lernantoj de la Esperanto-kursoj. Tiu atesto pruvas, ke la lernanto kontentige studis Esperanton en ĝia gramatiko kaj vortaro, estas kapabla ĝin legi kaj skribi korekte.

La programo estas jena: 1. Letero unupaĝa pri donita temo el ĉiutaga vivo; 2. unupaĝa rakonto pri esperantista temo; 3. respondo al esperantaj demandoj pri facilaj aferoj; 4. komentario pri donita teksto.

La ekzameno estas farata koresponde.

### II. Atesto pri kapableco.

Tiu ekzameno havas skriban parton kaj parolan parton. Estas postulate, ke la kandidato bone konu la gramatikon, vortaron kaj sintakson, povu flue kaj korekte paroli lingvon kaj sciu pri la historio kaj ĝenerala organizo de esperantismo.

La programo estas jena: A) Skriba ekzameno: 1. Letero unupaĝa pri donita temo el ĉiutaga vivo; 2. unupaĝa rakonto pri esperantista temo (historia, organiza aŭ praktika). B) Parola ekzameno: 1. Momenta interparolado esperante pri ĝeneralaj aferoj; 2. komentario pri du tekstoj donitaj; 3. respondo al esperantaj demandoj pri gramatiko.

*) Vidu la Oficialan Raporton de l' Kongreso, la Raporton eldonitan de „Lingvo Internacia" kaj la gazeton „Esperanto", oficialan organon de l' Instituto.

III. Supera Diplomo.

Tiu ekzameno havas skriban parton kaj parolan parton. Estas postulate, ke la kandidato plene konu la gramatikon, sintakson kaj vortaron de la lingvo, plene konu nian literaturon (verkaron de D-ro Zamenhof ktp.), pruvu sian studadon de la historio kaj organizaĵoj de esperantismo (kongresoj, Akademio, Universala Esperanto-Asocio, internacia monsistemo, interna ideo, paroladoj de D-ro Zamenhof ktp.), konu la diversajn metodojn de esperanta instruado (parola metodo, senpera metodo, instruo por la infanoj ktp.). Li devas nepre flue kaj korekte paroli, por ke li povu en Esperanto taŭge komentarii ian donitan tekston, bone klarigi stilan aŭ gramatikan demandon ktp.

La programo estas jena: A) Skriba ekzameno: 1. Skribverkaĵo pri esperantista temo; 2. skribverkaĵo pri instrua, lingva aŭ literatura temo (almenaŭ 1000 vortoj). B) Parola ekzameno: 1. lego kaj klarigo pri donita teksto; 2. respondo al gramatikaj demandoj (esperante); interparolado pri la maniero instrui Esperanton; 4. leciono esperanta, klarigo pri gramatika aŭ stila demando; 5. respondo al demandoj pri historio kaj organizaĵoj de esperantismo, vivo de la lingvo.

Tiu ekzameno estas speciale rekomendata al ĉiuj kursfarantoj, instruantoj k. a.

IV. Kiel ekzameniĝi?

I. Atesto pri studado. — Ĉiu persono, kiu deziras provi tiun ekzamenon, subskribi la respondilon kaj sendi ĝin senpere al la Instituto. Interŝanĝe vi ricevos demandaron, kiun vi sola plenumos kaj resendos. Du aŭ tri semajnojn poste vi estos informata pri viaj notoj kaj sukceso aŭ malsukceso.

II-III. Atesto pri kapableco. Supera diplomo. — Ĉiu persono, kiu deziras provi unu el tiuj du ekzamenoj, subskribu la respondilon kaj sendu ĝin kun la responda monsumo al la ĉefjuĝanto de sia distrikto. Se via distrikto ne havas juĝantaron, sendu la respondilon senpere al la Instituto. Interŝanĝe vi ricevos por la skriba ekzameno demandaron, kiun vi sola plenumos kaj resendos al la Instituto, kiu konigos al vi la lokon kaj daton, je kiuj okazos la parola ekzameno. Principe, okazos jare almenaŭ du ekzamenkunsidoj en sama distrikto, speciale koincide kun regionaj aŭ naciaj kongresoj kaj festoj esperantistoj. La Instituto mem vin poste informos pri via sukceso aŭ malsukeso kaj konigos al vi viajn notojn.

Ĝeneralaj rimarkoj. Ĉiu kandidato, kiu malsukcesis ekzamenon, havas la rajton provi ĝin unufoje denove kaj senpage en tempolimo de 6 monatoj post la unua provo. Tiuokaze li devas agi kiel por nova ekzameno.

Neniu kandidato estos ekzamenata, se li ne pagis sian enskribon. (Atesto pri studado: 5 fr. svis. Atesto pri kapableco: 12.50 fr. svis. Supera diplomo: 25 fr. svis.

La nomoj de la sukcesintaj kandidatoj aperas en la oficiala organo de la Instituto.

*

## Ekzamenoj en Vieno.

**Ekzamenoj okazos en Vieno unu tagon antaŭ la kongreso. Detalan programon sendos la C. O. de UEA al la petantoj. La kandidatoj devos enskribiĝi en Ĝenevo antaŭ la 25 Junio.**

---



# Versoj leoninaj por UEA.

☆☆

Fari kastelon el oro de revoj, sopiroj de l' koro
En la aera lazur' — estas belega plezur':
Brilas per suno la muroj, ĝis nuboj atingas la turoj,
Ĉambrojn en luksa ornam', iras Estrino: la Am'.
Verŝas en oraj kalikoj ŝi vinon al fajraj amikoj:
Dia, magia regal': sankta festeno de Gral' . . .
Kaj sur la brilaj orŝtupoj alvenas senfine la trupoj,
Brilas okuloj en ard', flirtas la stela standard'.
Venas la trupoj sen fino kaj ĉiujn regalas Estrino,
Estas jam preta la rond': ĉiuj popoloj de l' mond'.
Nun ĉe agordo de kordoj ekmuĝas potencaj akordoj
Jam ĉiu kor' — unu kor' kantas per sama sonor':
Kantas, ke landon kun lando kunigas la fajro en fando,
Ĝin de popol' al popol' portis flugila parol',
Vortojn al mutaj ĝi donis, la frato la fraton rekonis,
Ilin al sankta festen' de la savanta kompren'
Logis al lingvo de l' koro en brilan kastelon el oro,
Kie en luksa ornam' regas Estrino: la Am'.

Fari kastelon el oro de revoj, sopiroj de l' koro
En la lazura aer' estas ja bela afer',
Brilas per suno la muroj, ĝis nuboj atingas la turoj
Ho, sed nur la fantazi' povas eklogi en ĝi.
Turojn ĝis nuboj etendas, sed nur en aero ĝi pendas
Krevos ĝi, kiel ĥimer' eĉ per blovet' de aer' . . . —
Ĝi ne dissaltu vezike, ĝin fratoj, ne forĝu fortike,
Ĝi per solida mason' staru sur firma kolon'
Portu, ho portu la ŝtonojn, jen vidas vi jam la kolonojn.
Ĝis la kastelo de Rev' levu do, jen via dev'!
Portu, ho portu morteron: laboron, fervoron, oferon,
Tintu la vigla martel' sub la brilanta kastel',
Revu ne sonĝe kaj pale, sed revu agante, reale,
Nun pli ol revo el or' taŭgas la fer' de labor'.

*D-ro Kolomano de Kalocsay.*



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## Informilo de Esperantistaj Organizaĵoj.

### La XVIª Universala Kongreso de Esperanto 6—14 aŭgusto 1924 en Wien.

**Ĝia aranĝo kaj ĝiaj amuzoj. — La fakaj kunsidoj. — Esperanta ekspozicio. — Ekzamenoj pri Esperanto. — Sciindaĵoj.**

#### Kvara bulteno (15. 4. 24).

**Komunikoj generalaj.**

Jam ne necese ŝajnas, alvoki denove la popolon esperantantistan al la centro de ĝia nunjara kunveno. La ĉiutage alvenantaj aliĝoj garantias al la L. K. K. la esperatan sukceson; la listo de la kongresanoj kreskas ĝojige per sinanoncoj el ĉiuj partoj de la terglobo kaj jam nun oni povas esti certa, ke al la urbanaro de Wien estos prezentata reprezentantaro ĉiunacia en multaj miloj de „ekzempleroj". Tial la L. K. K. nun antaŭmetas ĉi tie al la partoprenontaj je la XVIª sian programon por tiu unua grandurba kongreso. Nur per skizaj konturoj tio estas farebla momente ankoraŭ; tamen ĉiu leganto povos el ili imagi al si, kio lin atendos en Wien.




La spertoj el la ĝisnunaj universalaj kongresoj de Esperanto instruis, ke laŭ la kutima aranĝo laboremuloj kaj amuzemuloj iom malhelpis unu la aliajn. Por forigi tiun malhelpon la L. K. K. decidiĝis, dediĉi la unuajn tri tagojn de la kongreso ĉefe al la laboro — sed ne sen amuzoj, kaj la lastajn tri ĉefe al amuzoj — sed ne sen laboro. La supro estu en la mezo: granda manifestacio por Esperanto laŭ la stilo de de ĝisnuna solena kongresmalfermo.

La unuaj tri tagoj de la kongreso do nur por ceremonio estos malfermataj. Dum ili la grandaj publikaj laborkunvenoj la tri lastaj kongrestagoj estos preparataj kaj ankaŭ la diversaj fakaj okazos dum tiuj tri unuaj tagoj. Sed la laborkunsidoj nur antaŭtagmezo aŭ, laŭplaĉe, dum du aŭ tri horoj posttagmeze plenumos siajn taskojn, ĉar dum la varmega aŭgusto labori dum pli ol ses horoj estus turmento. Tial ĉiu vespero ankaŭ de tiuj tri labortagoj donos sufiĉajn eblojn por amuzoj. La nelaboremuloj dum la tuta tago povus studi la multegajn vidindaĵojn de nia mezeŭropa metropolo, gvidotaj per la aŭstraj samideanoj.

* * *

**Provizora programo.**

6 aŭgusto: vespere salutkunveno por la alvenantaj eksterurbanoj.

7 aŭgusto: post preparaj kunsidoj de la kongreskomitatoj je la 10ª solena malfermo de la XVIª, proklamo de la internaj laboroj; posttagmeze laborkunsidoj aŭ promenadoj tra la urbo kaj vespere la unuaj amuzoj.

8 aŭgusto: antaŭ- kaj posttagmeze fakaj kunsidoj, kiuj preparas raportojn, proponojn kaj rezoluciojn por la Kongreskomitato, uzotaj laŭeble en la ĉefkunsidoj la 11an, 12an kaj 13an de aŭgusto. Promenadoj laŭvole. Vespere amuzoj.

9 aŭgusto: finiĝo de la fakaj kunsidoj, lastaj preparaj kunsidoj de la Kongreskomitatoj, elekto de la naciaj reprezentantoj kaj de la fakaj raportontoj. Vespere granda kunveno solena de la gajeca kongresanaro en la kongresejo.

10 aŭgusto: post ankoraŭ necesaj lastaj preparaj kunvenoj, je 11ª la publika manifestacio de Esperanto antaŭ honorgastoj laŭ grandstila zorge preparita programo, en ĝia formo novaĵo por la tutmonda esperantistaro; posttagmeze agrablaj ne lacigaj aranĝoj; vespere grandstila festkoncerto, krom tio kabaredoj kaj diversaj aliaj amuzoj.

11 aŭgusto: daŭrigo de la salutoj de naciaj kaj fakaj delegitoj, se eble, jam raportojn, tre mallongaj, konzicaj; koncerto; vespere teatro, samtempe aliaj elektitaj amuzoj.

12 aŭgusto: daŭrigo de la raportoj kaj proponoj, eble ankaŭ gravaj paroladoj; posttagmeze kaj vespere ekskursoj, koncerto, spritaj lumbildparoladoj, teatro, kabaredoj naciaj kaj internaciaj ktp.

13 aŭgusto: antaŭ la solena sed denove interna fermo de la kongreso-proponoj, deziroj kaj decidoj prezentataj al la kongresanaro; posttagmeze kaj vespere laŭ speciala riĉa programo familia adiaŭa kunveno, ĝardenfesto.

14 aŭgusto: ekskursoj.

Laŭ tiu programo la laboremuloj ĉi tiun fojon havos pli da tempo por siaj celoj, kaj la tempo por amuzoj estos pli liberigata de okupo per laboro. La L. K. K. estas certa, ke tia aranĝo plaĉos al ĉiuj kaj estos modela por sekvontaj kongreso; certe, la efiko decidos, kaj la plej grava efiko estas esperota de la granda publika manifestacio la 10 aŭgusto antaŭtagmeze.

Kelkaj vortoj estu dirataj ĉi tie ankaŭ pri aliaj por kelkaj kongresanoj eble dubaj punktoj, ekzemple pri la vesto. La sezono, la vojaĝo, la maloportuneco, kunporti grandan pakaĵon, devigas rekomendi toleremon tiel, ke la frakoj kaj similaj festvestoj ne estu postulataj, almenaŭ ne de la eksterlandaj kongresanoj. Ili sentu sin neniel ĝenataj, amikaj gastoj, vojaĝantoj dumsomeraj.

El diversaj landoj venis sciigoj, ke ankaŭ por la vizito de la XVIª karavanoj estas aranĝataj. Unu el ili kolektos la okcidentkaj sudokcident-eŭropajn kongresanojn en Svislando por komuna vojaĝo Wien'on; alia venigos la balkanajn amikojn, tria la sudgermanajn anojn surŝipe el Passau sur la Danubo per tre agrabla veturado al la kongresurbo, ankaŭ el la nordorientaj landoj karavanoj alvenos k. c. Ekzistos do okazoj, interkonatiĝi jam survoje por ĝui kune la agrablaĵojn de „lingva interkonsento" kaj ekzercadi la lingvon ĝis perfekteco de ĝia uzado dumkongresa.

Por ebligi sen altigo de la prezo por la kongreskarto, la L. K. K. decidis, ke ĝis 31 majo la prezo de la kongreskarto restas ne altigita, sed la kotizo nun estas 5 svis. fr. anstataŭ 2,5 svis. frankoj. (Vidu la kotiztabelon.)

La artaj invitiloj plue estos dissendataj laŭ speciala mendo de interesuloj; cetere sufiĉos letera aliĝo laŭ la jam konigitaj kondiĉoj. Pri la difinaj prezoj por loĝado kaj manĝado, por teatro kaj aliaj aranĝoj momente ankoraŭ certaj detaloj ne estas direblaj. Ĝustatempe ankaŭ tiuj demandoj estos respondataj kontentige por ĉiuj. Neniu timu tro grandajn elspezojn, ĉar laŭ



Wien: UNIVERSITATO

ĉies deziroj kaj pagebleco ĉio estos aranĝata. La XVIa ne nur por riĉuloj estu okazo, partopreni kelktagan vivon en Esperantujo. La vivo en Wien ne estas pli multekosta ol alilande en grandaj urboj.

* * *

Post la sciigo pri la intencata ordo de la kongresaranĝo ni nun parolu ankoraŭ iom detale pri:

**La amuzoj.**

Oni povas kompreni, ke urbo Wien kun ĝia famo pri ĉiaspeca spirita kulturo, ĝiaj ĉiuartaj vidindaĵoj, ĝia senrivala ĉirkaŭo ebligas al vizitantoj prezenti tre variajn amuzojn. Kaj ankaŭ ĉiuj kongresanoj, dum la tagoj de la kongreso serioze laborintaj, kompreneble deziros malstreĉi siajn nervojn per ĉeesto en iu amuzejo, kie ili povas ĝui plezurojn por okuloj kaj por oreloj

Oni celas zorge kaj klarige gvidi videmajn kongresanojn pogrupe tra la urbo, tra ĝiaj novaj kaj malnovaj stratoj kaj placoj vidindaj kaj atentigi pri rimarkindaj objektoj (konstruaĵoj, monumentoj, muzeoj). Ekskursoj estos aranĝataj en la pli malpli proksiman regionon piede aŭ per tramvojo al la belegaj ĝardenegoj kaj arbaroj atingeblaj post mallonga vojaĝo. Ekskursoj per vagonaroj aŭ per speciale disponigotaj ŝipoj al interesaj lokoj, montoj k. c. kun halto por refreŝigo kaj ripozo. Reveninte post tiaj ekskursoj, ili ĉiuj vespere trovos diversajn okazojn por ripozante amuziĝi. Ni ne parolas nur pri la salutvesperoj la 6an de aŭgusto kaj pri la malgrandaj amuzaranĝoj por laboremuloj dum la vesperoj de la 7a kaj de la 8a, pri la projektata granda kunveno vespera la 9an, pri gajaj lumbildparoladoj vesperaj de la 12a, sed ankaŭ kaj ĉefe ni mencias pri koncertoj diversaj kabaredaj prezentadoj naciaj kaj internaciaj, la teatraj prezentadoj kaj, kiel lasta, la ĝardenfesto, finonta per agrabla impreso la tagojn de nia Deksesa.

* * *

**La teatraj prezentadoj.**

Intence la Loka Organiza Komitato ankaŭ tiurilate forlasis la ĝis nun kutimon, prezentigi dramon aŭ tragedion, kiom ajn grava kaj valora ĝi estu en nacia literaturo. La pezaj paŝoj de tiaj klasikaĵoj tro premas la animojn, la korojn kaj la nervojn de aŭdantaro, deziranta amuzon, malstreĉon. Ne en tia senco klasikan verkon por teatro ludigi aŭ reludigi volis la organizantoj de la XVIa, sed, kvankam plenvaloran, tamen serenan. Kaj ĝi estu karakteriza por la popolo, kiu gastigas la esperantistaron, ĝi komuniku al la alilandaj amikoj ĝustan imagon pri la pensmaniero, la sentoj, la bonhumoro, la sprito, la bonkoreco, pri ĉiuj ecoj, pro kiuj la Wien'anoj estas laŭdataj aŭ priridataj.

Por prezenti ĉion tion kune al homoj scivolaj pri la „karaktero de popolo", kiun ĝis nun ili povis ekscii nur el okazaj legaĵoj, gazetraportoj k. a., kaj eĉ dum kelktempa restado inter la popolanoj ne povus sperti ĝisfunde pro la fremdeco de la lingvo, ekzistas modelo en la teatra literaturo elkreskinta el tiu sama fondo. *Ferdinando Raimund* (1791—1836), naskiginta en Wien, helpanto de sukeraĵisto kaj tiam fariĝinta la plej ŝatata liatempa aktoro, verkis teatraĵon, kiu en la formo de ŝorĉfabeloj, postulata de la tiutempa gusto de la publiko, defendis iun moralan tendencon ornamitan per belegaj floroj de fantazio, per fruktoj de iom melankolia bonhumoro ridetanta inter larmoj, kaj per kiuj li entuziasmigis ne nur siajn samtempanojn, sed ankaŭ la posteularon pripenseman. Unu el tiuj teatraĵoj estis elektata por prezentado al la internacia kongresanaro. „La Malŝparulo", la plej matura el la komedioj de Raimund, skribata de li dum 1833. Ĝi havis kaj havas sukceson, kiam ajn ludata en nia aŭ en eksteraj landoj, do, ni povas esperi, ke ĝi plenkontentigos ankaŭ la aŭdantaron el ĉiuj nacioj, al kiu ĝi estos prezentata de geaktoroj tute lertaj kaj spertaj, ne de diletantoj. Bonaj aktoroj kaj aktorinoj el la multaj valoraj teatroj en Wien prenis sur sin la taskon, lerni kaj ludi tiun teatraĵon, kiu postulas proksimume tridek personojn. Kun ĝojiga fervoro ili nun lernas en speciala kurso nian lingvon kaj jam ekzistas por ili iliaj roloj, ĉar la verko de Raimund majstre estas tradukita de sperta pri literaturo, de la ekskolonelo Franzisko Z w a c h, kaj la libro jam en majo aperas en la eldonejo de Hirt & Sohn en Leipzig.

* * *

### La ĝardenfesto.

La L. K. K. en Wien opinias, ke la simpla adiaŭo post lasta laborkunsido ne sufiĉas por la disirado de granda frataro, dirante „ĝis revido“, sed ofte ne revidante unu la alian. Pro tio por la lasta oficiala tago de la XVIa alia grandstila kaj agrabla arанĝo estas intencita: vespera ĝardenfesto, proksime de kastela palaco Schoenbrunn, kies belega parko povos allogi multajn vizitantojn el la kongresanaro. Post posttagmeza promenado en senpolva aero, eble post vizito de la pompaj salonegoj en la antaŭe imperiestra somerpalaco, aŭ de la interesaj zoologia parko kaj botanika ĝardeno en la parko, oni venos per kelke da paŝoj vespere sur deklivan herbejon kun granda restoraciejo, pavilonoj ktp., kaj tie estos prezentata la propra al Wien'a amuza vivo: kantoj de la popolkantistoj, muziko de kvardeto trovebla kutime en la Heurigen (vino samjara), trinkejoj, spritaj paroladoj kaj ĉiuspecaj refreŝigiloj manĝeblaj kaj trinkeblaj.

Tiu festa vespero anstataŭos la alifoje kutiman internacian kostumbalon, tamen ne malpermesante okazajn Shimmy-, Java-, Foxtrott- kaj aliajn modernajn kompreneble ankaŭ la efektivajn Wien'ajn valso-dancojn. „Ĉe belega blua Danubo“, la konata valso de la majstro Strauss kaj aliaj danzmelodioj alloge salutos la gedancemulojn, al kiuj, same kiel al la cetera ĉeestantaro, naciaj popolkostumoj de Aŭstrujo estos prezentataj.

* * *

Ne, neniu povos bedaŭri partoprenon en la XVIa, neniu, kiu estos estinta en Wien dum la tagoj de la 6 ĝis la 15 aŭgusto; li portos kun si hejmen alian krom la bona rememoro pri tiu tempo, travivita en gastama urbo inter gastigemaj samideanoj feliĉaj, ke li povos rakonti al sia samurbanaro, kiel efektive devas aspekti interpopola fratiĝo. Kiu ankoraŭ ne povis decidiĝi, ĉu li veturos Wien'on por la XVIa Universala Kongreso de Esperanto 1924, tiu nun forpelu sian heziton kaj dubon kaj ne prokrastu plu la sinanoncon kiel XVI-ano. Ne estas ankoraŭ tro malfrue por fari tion, tamen: ankaŭ vi decidiĝu baldaŭ kaj ĝojigu la Lokan Kongresan Komitaton per via aliĝo, kiun ĝi nepre atendas.

Wien, dum aprilo 1924.

LA LOKA KONGRESA KOMITATO

Joh. Schröder, prezidanto. Franz J. Schade, ĉefsekretario.

---

## Fakaj kunsidoj.

**Adresaro de la organizantoj**
al kiuj la samfakuloj bonvolu turni sin
pri partopreno, proponoj, konsiloj ktp.

Akademianoj (universitatanoj): S-ro D-ro A. Minibeck, Wien III, Ungargasse 4.
Altlernejaj studentoj: S-ro A. Mildwurf, Wien XVI, Thaliastr. 12/8.
Bahaistoj: S-ro Friedrich Gerstner, instruisto, Karlsruhe-Rintheim Baden, Germanujo).
Bankoficistoj: S-ro R. Ĉech, Wien IX, D'Orsaygasse 7.
Biblio-esplorantoj „Garda Turo“: S-ro A. Egg, Rieden (Baden, Svis.), Landstrasse 277.
Bontemplanoj: S-ro D-ro J. Longe, Mödling ap. Wien.
Esperantista Literatura Asocio: F-ino Johanna Zschepank, Dresden 19, Paul-Gerhardt-Strasse 22.
Farmacistoj: S-ro M. Teltschik, mag. farm., Graz, Mohrenapotheke, Murplaco.
Fervojistoj: S-ro H. Steiner, Bisamberg 248, ap. Wien.
Filatelistoj: S-ro J. Kolnhofer, Wien XIII, Zehetnergasse 37.
Fotografistoj: S-ro A. Reiss, Wien IV, Wiedner Haupstrasse 24.
Framasonoj: S-ro K. Barthel, Frankfurt a. M. (Germ.), Wöhlerstr. 14.
Instruistoj: S-ro J. Hörl, Wien XVI, Wattgasse 57.
Junuloj: S-ro A. Warkany, Wien II, Hochedlingerstrasse 17.
Katolikoj: S-ro V. Kasmader, Wien XVIII, Herbeckstrasse 92.
Komercistoj: S-ro R. Hoschek, Wien XVII, Müglendergasse 6.



Wien: MARIA-THERESIEN-MONUMENTO KAJ LA ŜTATA MUZEO

Komerc-oficistoj: S-ro A. Oberrotmann, Warszawa, Krak. Przedm. 10.
Kristanoj: S-ro P. Hübner, Quedlinburg i. H. (Germ.), Bergstr. 7.
Liberpensuloj: S-ro P. Gutt, Wien XVII, Pelzgasse 8/12.
Pacifistoj: S-ro R. M. Frey, Wien III, Bechardg. 14.
Policistoj: S-ro H. Hirz, Wien XVIII, Schopenhauerstrasse 60.
Poŝtistoj: S-ro D-ro E. Spielmann, Bern (Svislando), PK. 174, Transit.
Psikistoj: S-ro L. Gube, Berlin-Friedenau (Germ.), Fregestrasse 26.
Ruĝa Kruco: S-ro M. Wortmann, Wien III, Radetzkystrasse 1.
Tabakkontraŭuloj: S-ro D-ro A. Hloucha, Wien XVIII, Semperstr. 36.
Teozofoj: S-ro O. Schoenemann, Graz (Aŭstrujo), Schulgasse 1.
Tramvojistoj: S-ro K. Wessely, Wien XII, Steinhagegasse 3.
Vegetaranoj: S-ro O. Bünemann, Hamburg-Fuhlsbüttel (Germ.), Alsterkrug-Chaussee 586.
Virinoj: S-ino St. Müller, Wien II, Rotesterngasse 22.

* * *

### Instrukciaro
por preparo kaj aranĝo de fakkunsidoj.

1. Faka kunsido — ekz. de sciencistoj, filatelistoj, katolikoj — estas nomata ĉiu speciala kunveno aranĝata sub elektita por ĝi estraro kun preciza tagordo pro certa profesia intereso aŭ pro ia kultura celo aŭ pro demandoj pri organiza faka laboro.

Tia kunsido donu ankaŭ okazon, interrilatigi laŭfake kunvokitajn aŭ hazarde alvenintajn samfakajn kongresanojn, se eble, kun neesperantistaj samfakuloj.

2. La sola oficiala lingvo estas Esperanto. Salutado en la lingvo de la kongreslando estas permesata, kondiĉe, ke ĝi tuj estu tradukata en Esperanto. La organizanto kaj la projekto devas esti aprobataj de la L. K. K. kaj de la K. K. K.

3. Organizanto povas esti persono — laŭeble el la kongresurbo aŭ -lando — kiu laŭsperte garantias seninterrompan laboremon, sufiĉan kapablon laŭ faka vidpunkto kaj ankaŭ scipovas Esperanton.

4. La organizanto zorgu pri tio, ke la kunsido ebligu ne nur taŭgan fakan laboron sed ankaŭ bonan propagandon por Esperanto en la rondo de neesperantistaj samfakuloj, por disvastigi aŭ fortigi en ĝi la praktikan uzadon de nia lingvo.

5. La celoj de fakaj kunsidoj povas esti:
a) prilabori komunajn aferojn, celojn aŭ taskojn en propra fako;
b) ebligi aŭ plifaciligi dezirindajn interrilatojn en la tutmonda samfakularo;
c) aranĝi fakajn referatojn aŭ paroladojn dum la kunsido aŭ propagandkunvenojn por samfakuloj neesperantistaj;
ĉ) aranĝi komunajn vizitojn de por la samfakuloj valoraj vidindaĵoj (bibliotekoj, fabrikejoj, hospitaloj, muzeoj k. c.);
d) krei aŭ subteni internacian organizon de samfakuloj per helpo de Esperanto.

6. La por iu faka kunsido respondeca samideano (organizanto) devas, interkonsente kun la L. K. K., zorge interrilati kun:
a) samfakaj esperantistoj, kiuj jam aliĝis aŭ certe aliĝos al la ĵus preparata kongreso;
b) samfakaj esperantistaj rondoj, societoj k. c., kiuj iamaniere povus subteni la projekton;
c) neesperantistaj samfakuloj aŭ samfakaj organizoj en la kongresurbo aŭ -lando, kiuj povus plivalorigi la aranĝon aŭ ebligi dezirindan sukceson.

7. La organizanto de kunsido ne estu devigata akcepti la prezidantecon en la kunvenoj; kontraŭe, li preparu sufiĉe frue imponan reprezentantaron, li antaŭzorgante certigu al si lertajn parolantojn, kiuj bone konas la intencojn laŭ la programo, entute li zorgu pri tio, ke la plej taŭga, kapabla, eminenta estraro estu elektata, al kiu apartenu diverslandanoj.

8. La organizanto laŭeble certigu ankaŭ ĉeeston de honorgastoj el la rondo de neesperantistaj samfakaj eminentuloj, sed tre zorge pripensante ĉiun tian paŝon laŭ la amplekso de la aranĝo kaj laŭ la vera graveco de la certe kaj bone realigebla programo. Ne invitu senkaŭze! — Ne troigu la okazontaĵojn! — Parolu tre singarde pri la nombro de la kunsidantoj aŭ kongresanoj!

9. La programo de solena faka ĉefkunveno enhavu:
a) salutadon per la organizanto aŭ alia estro, eble laŭaĝe elektita;
b) bone preparitan — ne lasitan al hazardo — elekton de prezidantaro;
c) malfermon de la kunsido per la prezidanto kaj gastsalutadon;
ĉ) referatojn tre frue kaj bone preparitajn;
d) tagordon laŭ punkto 5 a—d de ĉi tiu instrukciaro.

10. La respondeca organizanto de fakkunsido frue prizorgu, interkonsente kun la L. K. K., ke estu je dispono:
a) kunvenejo por la senkondiĉe necesa prepara kunsido de la aranĝanto kun kelkaj samfakaj eminentaj samideanoj;
b) sidejo sufiĉe granda kaj inda por la ĉefkunveno — kelkfoje estos preferinda la kunvenejo regule uzata de la samfakanoj en la kongresurbo;
c) sidejo por la faka esperantista ne publika laborkunsido.

11. La fakkunsida estraro elektu lertan kaj spertan protokoliston, eĉ helpanton de tiu, ambaŭ kapablajn memstare kaj rapide redakti, sed ankaŭ legeble skribi kompletan, precizan, ĝustegan kaj koncizan raport-protokolon subskribotan de la protokolanto kaj de la prezidanto, por tuj transdoni ĝin al la raport-sekretario en la kongresa oficejo.

12. La rezultatoj el la fakaj kunsidoj aŭ la fruktoj de la tuta fakkunsida laboro: la plej gravaj faktoj, decidoj, rezolucioj, proponoj k. c. devas esti kiel resumo aŭ ekstrakto el la protokolo tuj transdonataj skribe al la kongresa prezidantaro, por laŭeble uzi la materialon inter la komunikoj en ĝenerala kunsido de la kongreso, per simpla estrara sciigo aŭ per faka referento kaj por publikigi ĝin per faka kaj ĉiutaga gazetaro aŭ aliamaniere utiligi la rezultojn en speciala kongresa raporto.

* * *

### Praktikaj informoj.

Aliĝo: Ĝis 15. 4. 24 aliĝis 2600 kongresanoj el ĉiuj eŭropaj landoj, ankaŭ el Afriko kaj Ameriko. Aliĝilojn oni afable postulu de la L. K. K. sub la adreso: Esperanto-Kongreso, Wien VI, Mollardgasse 55, aŭ sendu al tiu adreso simple skribe, en poŝte registrita letero, sciiganta la familio- kaj antaŭnomon, la loĝlokon kaj landon, almetatan propralandan monon laŭ kotiztabelo, sed ne diversspecan monon. La ĉekoj ĉiam kaŭzas grandan perdon de tempo kaj mono dum la banka procedo. Plej prefere estas monbiletoj (papermono), sendataj en poŝte registritaj leteroj.

Gvidado: Dum la tagoj de alveno en ĉiuj stacidomoj en Wien deĵoras helpantoj aŭ samideanoj rekoneblaj pere de speciala insigno, kiuj donas informojn pri la vojo al la kongresejo. Dum la kongrestagoj okazos grupgvidadoj al la vidindaĵaro en Wien, laŭ pripensita plano de spertaj kaj lingve lertaj samideanoj, speciale sin preparintaj por tiu tasko.

Kongreskartoj estas dissendataj al la ĝis nun aliĝintoj. La sin anoncontaj kongresanoj ricevos ilin ĉiam tuj post alveno de aliĝo kun kotizo. La kongreskarto estu bone konservota, ĉar ĝi estas legitimacio por ricevi rabaton (malaltigon de prezo k. c.) ĉe la pasporta oficejo kaj vojaĝbilet-eldonejo.

Kongreskotizoj: La kongreskotizo estas por:

| | |
|---|---|
| Belgoj | 30 frankoj |
| Britoj | 20 ŝilingoj |
| Danoj | 20 kronoj |
| Ĉeĥoslovakoj | 50 kronoj |
| Finnlandanoj | 50 markoj |
| Francoj | 30 frankoj |
| Hispanoj | 25 pesetoj |

| | |
|---|---|
| Italoj | 35 liroj |
| Nederlandanoj | 10 guldenoj |
| Norvegoj | 25 kronoj |
| Rumanoj | 200 leoj |
| Svedoj | 15 kronoj |
| Svisoj | 20 frankoj |
| Usonanoj | 4 dolaroj |

Aŭstroj, Bulgaroj, Germanoj, Hungaroj, Jugoslavoj, Poloj, Rusoj, Ukrajnoj: 5 svisaj frankoj aŭ 65000 aŭstraj kronoj. — Blinduloj aliĝas senpage.

Ĉiu sendu la kotizon en la mono de sia lando, el ĉi tie ne nomitaj landoj laŭ valoro de 10 svis. frankoj. Mendoj aŭ aliĝoj ne akompanataj de pago ne povas esti registrataj. Favorkotizoj por familianoj ne ekzistas. Repago de kotizo ne okazas. La altigo de kotizoj estas prokrastita ĝis la 31a de majo. Sed por aliĝo post la 31a de majo alvenonta la kotizo estos minimume 10 svisaj frankoj. Ankaŭ pro tiu vi tuj aliĝu!

Kongreslibro, enhavanta ĉiujn necesajn informojn pri la kongresaranĝoj (tagoj, tempoj kaj loko de la kunsidoj, fakaj konferencoj, amuzoj ktp.) kaj aldonon: gvidlibro tra Wien, jam estas verkata. Ĝi enhavos ankaŭ anoncojn de firmoj, kaj la samideanoj kongresanaj estas petataj, kolekti mendojn de tiaj anoncoj de sufiĉe gravaj kaj fidindaj firmoj pri diversaj vendaĵoj, ankaŭ de esperantistaj entreprenoj aŭ organizoj, gazetoj, eldonistoj ktp., kaj sendi ilin al: Esperanto-Kongreso, Wien VI, Mollardgasse 55. La prezo de unu tuta paĝo en la kongreslibro, formato de la kongresa invitilo, estas 60 svis. frankoj, por duona paĝo 35 svis. frankoj.

Korespondoj: La L. K. K. povas respondi per aparta letero aŭ poŝtkarto nur tre urĝajn demandojn. Ĉiujn ĝenerale bezonatajn informojn por kongresanoj enhavos la Esperanta gazetaro. Oni do ne demandu, se ne ekzistas absoluta neceso por tio.

Loĝigo: Pro loĝigo ni ne donas specialan informon. Nuntempe enketo pritraktas tiun demandon kaj ĉio estas tiel aranĝata, ke, konforme al la mendo sur la aliĝilo ĉiu kongresano ricevos taŭgan loĝejon en hotelo, pensiono aŭ privata ĉambro je la plej eble modestaj prezoj, se tiaj estas dezirataj. La loĝadreson ĉiu kongresano ricevos post alveno en nia kongresoficejo en la kongresejo, kune kun ĉiuj ceteraj necesaj informoj, kongreslibro ktp. Tial la unua vojo el la stacidomo de alveno en Wien por ĉiu kongresano devos esti la vojo al la kongresejo en la centro de la urbo.

Manĝado: Same pri manĝigo informoj ne estas donataj. En Wien ĉiu kongresano povas sciiĝi, ĉu ekzistas okazoj por komuna tagmanĝo, kiuj gastejoj estas rekomendindaj ktp. Oni ordinare manĝas en restoracioj en Wien laŭ manĝaĵaro, ne laŭ menuo, elektante por si la dezíratajn manĝaĵojn (ankaŭ laŭ la prezo).

Pasporto: Ĉiu eksterlanda kongresano bezonas pasporton vizotan en lia lando de la Austruja diplomatia reprezentanto (konsulo).

Neniu forgesu, postuli laŭ sia kongreskarto, prezentante ĝin, la konsentitan rabaton de la vizoprezo. Nek envojaĝ- nek restadpermeso estas bezonata en Aŭstrujo kaj en Wien. La pasporto devas permesi envojaĝon de la 1a ĝis la 10a kaj re- aŭ forvojaĝon el Wien, de la 9a ĝis la 20a de Aŭgusto,

Vojaĝo: La vojaĝo Wien'on estas entreprenebla unuope aŭ kun karavano. Ĉar en kelkaj landoj nur al karavanaj kongresvojaĝantoj estas konsentata rabato de la vojaĝbiletprezo, la L. K. K. rekomendas, sin turni al la ĉefa organizaĵo Esperantista en la propra lando, kiu povas informi pri aranĝo de karavano. Jam estas anoncita al ni el diversaj landoj specialaj vagonoj aŭ specialaj vagonaroj, kolektantaj vojaĝantojn al la kongreso el samlimaj landoj. Tra Aŭstrujo ankaŭ al unuopa kongresano estas koncedita rabato tiamaniere, ke la bileto por simpla persontrajno rajtigas en la sama klaso veturi per rapid- aŭ D-vagonaro. Ankaŭ en Aŭstrujo, kun sama favoro, revojaĝo sur alia ol la vojo de alvojaĝo estas permesata.

---

## IIa Ĉeĥoslovaka Esperanto-Kongreso

**7—9 Junio 1924**

*(PENTEKOSTO)*

**Reichenberg.**

La antaŭlaboroj por la Kongreso jam progresas kaj la invitiloj kun la aliĝiloj estas forsenditaj. La provizora programo estas jena:

| | | |
|---|---|---|
| *Sabaton,* | posttagmeze: | Akceptado, |
| | vespere: | Interkonatiĝa vespero kun koncerto. |
| *Dimanĉon,* | antaŭtagmeze: | Malferma kunsido, |
| | tagmeze: | Komuna tagmanĝo, |
| | posttagmeze: | La laborkunsido, |
| | vespere: | Festvespero. |
| *Lundon,* | antaŭtagmeze: | IIa laborkunsido kaj rezolucioj, |
| | posttagmeze: | Ekskurso. |

Fakkunsidoj okazos jenaj: Dimanĉon de UEA, Lundon de junularo kaj de la ŝtate ekzamenitaj geinstruistoj de Ĉeĥoslov.

*Kongreskotizo: 15 ĉeĥoslovakajn kronojn.*

Karaj en- kaj eksterlandaj gesamideanoj vizitu laŭeble tre multnombre nian Kongreson kaj estu ĉiuj tre kore bonvenataj en la malnova „drapfaristurbo“*) Reichenberg.

Por konvenaj loĝejoj en hoteloj kaj en privataj domoj je prezo de 16 ĝis 18 kronojn po lito (ankaŭ komunaj loĝejoj por la junularo kaj studentaro ekzistas je malaltaj prezoj) kaj por bona komuna tagmanĝo de 9 Kĉ. po persono la L. K. K. zorgis kaj ankaŭ la festprogramo estas tiamaniere aranĝita, ke ĉiuj gekongresanoj estos kontentigataj.

Kiu intencas viziti la kongreson kaj ĝis nun ankoraŭ ne ricevis aliĝilon, bonvolu tuj postuli ĝin de la Loka Kongresa Komitato. (Adreso: *„Esperanto-Kongreso“, Reichenberg*).

LOKA KONGRESA KOMITATO
*Karl Schüller,* sekretario.

---

## XIIa Germana Esperanto-Kongreso

**Pentekosto 1924 (7 — 10 Junio)**

**Plauen (Vogtlando).**

Same kiel la angla, ĉeĥa kaj franca naciaj kongresoj, ankaŭ la germana Esperanto-Kongreso ĉi jara okazos dum la belaj printempaj Pentekosto-tagoj. Elektinte tiun tempon, oni havigis okazon, priparoli proponojn, farotajn al la proksima mondkongreso, kaj por tiu entute prepari sin.

Honora prezidanto de la XIIa Germana Esperanto-Kongreso estos la urbestro de Plauen. La okazontajn du grandajn laborkunsidojn ĝeneralajn de la Germana Esperanto-Asocio gvidos ties prezidanio S-ro D-ro Steche, Leipzig. Por membroj kaj delegitoj de UEA, instruistoj, junularo, katolikoj, komercistoj, policistoj, poŝtistoj, scienculoj, telegrafistoj kaj aliaj fakuloj estas preparitaj specialaj kunsidoj. Dum la vesperoj okazos:

7. 6.: Interkonatiĝa vespero.
8. 6.: „Vespero en Esperantujo“.
9. 6.: Gaja vespero kun balo.
10. 6.: Esperanto-festo en la banloko *Elster* kun „Italo nokto“.

Detalajn sciigojn volonte donas la subskribinto.

*Plauen,* urbo kun ĉ. 120000 enloĝantoj, situata en la ŝtato Saksujo, do en la mezo de l' germana regno estas taŭga loko por unuigi geamikojn el ĉiuj partoj de Germanujo. Sed ankaŭ alilandanoj bone povos partopreni kaj venu! Multaj verŝajne jam aŭdis pri la famo de Plauen kiel „urbo de la puntoj kaj brodkurtenoj“, ĉar la delikataj produktaĵoj de la tiea brodajindustrio estas multe ŝatataj en la tuta mondo.

*) urbo de drapfaristoj. *(Red.)*

La tute proksime ĉe Plauen troviĝanta tielnomata „Vogtlanda Svisujo“, la ĉarmaj valoj de la Elster, Trieb, Syra ktp., la imponaj vogtlandaj pontegoj kaj rokegoj restas neforgeseblaj por ĉiu vizitanto. Ĉirkaŭita de belega naturo kun multaj, densaj koniferarboj tute proksime ĉe la urbo, Plauen same kiel la aliaj vogtlandaj lokoj ofte estas vizitataj de gastoj el plej diversaj regionoj. Ekzemple la idilia banloko Elster, kiun oni povas atingi el Plauen per la vagonaro je la fervoja linio Plauen-Eger (Ĉeĥoslovakio) post sepdek minutoj, havas ĉiujare dekmiloj da vizitantoj el plej diversaj mondpartoj. Tial ankaŭ okaze de la Esperanto-festo, kiu okazos en Elster, la 10 Junio 1924 (Pentekostan mardon), la Esperantistaro povos renkonti en tiu banloko publikon el multaj landoj. Ankaŭ la belegan ĉeĥoslovakan banlokon Franzensbad oni bone povas atingi per la nomita linio Plauen-Eger.

Gesamideanoj el ĉiuj landoj! Se estos eble al vi, venu dum la proksimaj Pentekostaj tagoj al Plauen, vi ne pentos tion! Koran bonvenon jam antaŭe! Anoncis sin jam ĉ. 400 gesamideanoj.

Oni skribu al la kongresa sekretario:

*Hermann Schneider,* Plauen (Vogtl.)
Morgenbergstr. 47.

## IX[a] Itala Kongreso en Torino.

La Kongreso malfermiĝos do en Torino, la 3 Aŭgusto, kaj tie okazos paroladoj en Esperanto pri diversaj temoj, akceptoj kaj amuzaĵoj. La 4an vespere forveturos la Karavano al Verona, kie jam la saman vesperon okazos akcepto kaj vizito de la urbo per la unuaj alvenontoj. La 5an okazos en historia salono „Gran-Guardia“ oficialaj kunsidoj de F. E. I. kaj la Fakuloj; vespere en famekonata Romana Areno la kongresanoj ĉeestos unu el la mirindaj prezentadoj de opero. La teatraĵaro, tiun ĉi jaron enhavas „Parsifal“ kaj „Andreo Chenier“, unu el kiuj estos do ludata antaŭ la esp. kongresanoj kune kun la multmilaj diversnaciaj ĉeestantoj de tiaj prezentadoj.

La postan tagon la irontoj al Wien eliros karavane, dum la restantoj partoprenos ekskurson al Lago Garda.

Pliajn sciigojn ni sendos poste aŭ oni petu de Itala Esp. Federacio (F. E. I.) en Verona, Casella Postale 25. En Torino kiel en Verona eksterlandanoj estos kore kaj plenorde akceptataj!

*Presservo de F. E. I.*

## Svisa Esperanta Societo.

Pro manko da loko, ni estis devigataj prokrasti nian raporton kaj ni petas niajn membrojn akcepti mallongajn sciigojn pri nia movado en Svisio.

Ni ricevis kelkajn tre ĝojigajn raportojn el La Chaux-de-Fonds, Zürich, kies subgrupo komerca vigle laboras, St. Gallen, Bern. En Le Locle, post longjara laborado, la prezidanto, S-ro Ducommun eksiĝis kaj S-ro Humberset akceptis la prezidantecon. Ni dankas S-ron Ducommun pro la valora laboro kaj diras korajn bondezirojn al la nova prezidanto.

En Genève la grupo „Stelo“ havis la plezuron akcepti la delegitojn de la Internacia Konferenco por Radio-Telefonio. D-ro Privat faras el Radio-Stacio Cointrin „Esperantan Kurson“, kiu estas, laŭ ricevitaj sciigoj, bone aŭdata kaj sekvata. El urbetoj, kie neniam Esperanto estus eniranta, ni aŭdis, ke aro da 10 personoj sekvas tiun kurson sidante ĉirkaŭ aparato kaj skribante notojn. Ni povas vere ĝoji pri tiu tute moderna instru- kaj lernometodo. Ĉe la okazonta ekspozicio pri Radio-telefonio en Genève, ni havos specialan esperantan fakon, aranĝatan de S-ro Borsa, kun helpo de UEA.

Bone konigu tiun ekspozicion per la ricevitaj afiŝoj.

*Alice Diekmann,* sekr.

## Esperantista Literatura Asocio.

Administracio: Paul-Gerhardt-Str. 22., Dresden-A. 19, German.

*Maja raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Maja raporto — kiom bonfara por la aŭdado: la vorto Majo! Ĝin eldirante, oni sentas malpeziĝon. Ĉio severa, ĉio peza el nia animo foriĝas. Malvarmo ĝis nun kaŭzis al ni malagrablan senton. Ĝi kvazaŭ katenis nian internon — sed maja varmo ĝin liberigas. Senpezigite ni spiras mildan aeron, ni ĝuas varman sunbrilon. Kaj samtempe vekiĝas en ni nova vivdeziro. Ni sopiras restadi ekstere en libera naturo, ni ĝojas pri vasta verda pejzaĝo — ni emas vojaĝadi.

Leginte en la aprila numero de nia ŝatata „ESPERANTO“, la trian bultenon de l' 16a Kongreso en Vieno, niaj karaj gekolegoj certe sin sentas forte allogataj, vojaĝi al la ĝoje nomata bela kongresurbo ĉi jara kaj kune kun ĉiunaciaj gesamideanoj labori kaj festi.

Aro el niaj kolegoj apartenas al la unuaj du mil kongresaliĝintoj. Tio estas tre ĝojiga fakto. Ni supozas, pensas kaj esperas, ke la aliaj E. L. A.-anoj iom post iom aŭ plej baldaŭ sin ankaŭ anoncos en Vieno. Se iel eble, ni okazigos ĉi-jare fakan kunsidon de E. L. A. Ni esperas, ke la Viena Kongreso ne pasos sen kunveno de la „diligenta kolegaro“.

Depost jaroj nur skribe kaj per la gazeto interrilatinte, ni unufoje bezonas nepre buŝan eldiron de niaj opinioj. Diversaj punktoj en nia laboro estas priparolotaj kaj „laŭeble persona konatiĝo inter la verkistaro“ estas tre dezirinda.

En la Junia raporto ni sciigos, ĉu fakkunsido en Vieno estos certa. Kolegoj havantaj dezirojn aŭ proponojn por la tagordo de E. L. A.-kunsido, bonvolu ilin skribe esprimi al nia administracio (supra adreso) ĝis la 1a de Julio. Volonte kaj danke ni ilin akceptos. —

Unu kolego petis nian opinion pri la vortoj *Revizi* kaj *Revizii*. Kiu el ambaŭ estas preferinda? — Tial, ke „Kabe“ en sia enciklopedia vortaro diras *Revizi* kaj Cart en la „Vortaro de la Oficialaj Radikoj“ *Revizi'*, ni devus rekomendi ambaŭ vortojn, ĉar ambaŭ nomitaj „fakuloj“ — krom la majstro mem — ĉiam estis aŭtoritataj por ni.

Tamen, neniam du radikoj por la sama ideo estas rekomendindaj. Tio estus balasto tute senutila por nia lingvo. Ni ja kontraŭbatalas la ekziston aŭ enkondukon de superfluaj vortoj. Pro tio ni opinias, ke ni direktu nin laŭ la jam citita nova Vortaro de la Oficialaj Radikoj (Kolekto de la Akademio) de Th. Cart.

La ŝatataj E. L. A.-anoj do bonvolu uzi en siaj verkoj *Revizii* kaj ne *Revizi*. —

En nia Marta raporto troviĝas du preseraroj. Ĉar facile ili povus kaŭzi malklarecon, ni korektas ilin ĉi tie:

Linio 10a: Erari estas home! (ne: hom*a*).

Linio 23a: ...ĉi tiu laste citita okazo (ne: lasta). —

Kvankam supozante, ke ĉiuj niaj E. L. A.-membroj ankaŭ estas anoj de UEA, ni tamen ankaŭ ĉi tie atentigas pri la graveco de la UEA-membreco. Estas nepre necese, ke UEA, internacie laborante kaj servante *ĉiuflanken,* havu *ĉie* grandan nombron da membroj. Ni konstante varbu por UEA.

*Danke ni kvitancas jenajn kotizojn:* S-roj Oscar Bünemann (3 M), D-ro Goehl (1,50 M), Teo Jung (5 M), H. Steding (1 M).

*Aliĝis:* F-ino Kati Rambousková kaj S-ro generalo Jano Rambousek, ambaŭ en *České Budějovice,* Nova ul. 22. (Ĉeĥosl.)

Pri manuskriptoj ni parolas en Junio.

*Johanna Zschepank.*



# Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj

## OFICIALA INFORMILO.

Aperas ĉiumonate.

**Jarkotizo:** 6 ŝil. ang. [5 ŝil.], 6 jen jap. [5 jen], 12 Fr. fr.-belg. [10 Fr. fr.-belg.], 15 lir. [12 lir.], 15 Kĉ. [12 Kĉ.]; malbonvalutanoj el Aŭstrio, Germanio, Hungario, Pollando kaj Ruslando pagas 2 fr. sv. [1 fr. sv.]; membroj de tie ĉi ne nomitaj landoj pagas 6 fr. svisajn [5 fr. sv.]. Monsumon en la krampoj pagas membroj malnovaj.

Se la membro ne povas pagi sian kotizon per papermono en citita valuto, pagu ĝin per respondkuponoj en indikita egalvaloro per rekomendita letero.

Modelon de „ALIĜILO" vidu en O. I. de I. A. E. F., januara numero de „ESPERANTO".

Morala devo de ĉiu nia ano estas, ke li varbu almenaŭ unu fervoran membron. Aliĝo al UEA estas rekomendata al ĉiuj I. A. E. F.-anoj.

Antaŭ vi faras ian demandon al la komitato aŭ redakcio, bonvolu atente tralegi ĉiujn ĝis nun aperintajn sciigojn en „La Fervojisto", julio 1923, N-ro 1, kaj en Oficiala Informilo depost aŭg.-sept. 1923.

*Redaktoro*: Josef Blažek, inspektoro, Olomouc, Müllerova 24 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiujn manuskriptojn por la Oficiala Informilo).

*Kas o*: Emanuel Kubásek, revizoro, Plzeň, Lobezská 12 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiun monon por la I.A.E.F. kaj la Oficiala Informilo).

**Okaze de la XVIa Universala Kongreso de Esperanto** (6—14 aŭgusto 1924, en Wien) ni sciigas oficiale jenon:

Ĉeĥoslovakaj ŝtataj fervojoj, kiuj ĝis je kelkaj esceptoj estas entute ŝtataj linioj, senpagan traveturon por propra persono al la aktivaj fervojistoj de jenaj fremdaj ŝtataj fervojoj: orient- kaj nordfrancaj, germanaj kaj Elsas-Lotringfervojoj, plue de ŝtataj fervojoj nederlandaj, polaj kaj rumanaj: krom tio 50% rabaton ankaŭ al la familianoj de fervojistoj el Pollando kaj Rumanujo. Petskribojn rekomenditajn laŭ koncernaj kontraktoj oni adresu al la direkcio de ŝtataj fervojoj Praha-Jih (Praha-Sudo); biletojn rilate petskribojn de rumanaj ŝtataj fervojistoj liveras nur la direkcio de ĉeĥoslov. ŝtataj fervojoj en Košice.

**Proponoj ricevitaj ĝis 1a de aprilo 1924.**

S-ro inspektoro H. Steiner proponas trakti:

1. pri salajroj,
2. „ deĵorplano,
3. „ veturrabatoj,
4. „ maljunula humaninstituto,
5. „ akcidentoj,
6. „ forpermesoj — libertempoj;

certe riĉoplena propono!

Ekzemple al punkto 2a oni devos trakti nome pri servo:

a) en centraj oficejoj: de la 8—14 aŭ de la 8—12 paŭzo kaj 14—17 horo;
b) ĉe trajnoj seninterrompa ktp., t. e. pri la servo 8-hora entute.

Rilate tiun ĉi gravan multampleksan proponon ni konsilas kaj petas, ke ĉiulandaj, se tio nur iomete estas ebla, S-roj asesoroj kaj delegitoj alportu jam pretajn de specialistoj skribitajn kaj hekto- aŭ ŝtongrafitajn flugfoliojn (almenaŭ 50 ekzempl.), kies ĉefa enhavo entenu:

Ekzemple al punkto 3:

a) ĉiujn permeseblajn veturbilet- ktp. rabatojn kaj diversajn bonaĵojn donotajn al fremdaj aktivaj eĉ pensiumitaj fervojistoj kaj la familianoj eĉ al nefervojistoj, sur hejmolandaj propraj fervojoj, vaporŝipoj ktp.;
b) por kiuj ŝtatoj validas la cititaj rabatoj kaj bonaĵoj;
c) kiujn kondiĉojn devas plenumi la postulanto, kiel skribi, kien adresi la petskribojn ktp., ke oni povu ricevi ĝustatempe la rabatojn aŭ senpagajn biletojn.

Simile oni devos pretigi la flugfoliojn rilate aliajn 5 punktojn. Alimaniere, pro manko de libera tempo, kiu estas dum ĉiu Universala Kongreso de Esperanto nur tre ŝpare limigita por ĉiuj fakkunsidoj, la partoprenantoj ne povus pridiskuti utile, sukcese la tutan proponitan fakmaterion. Ĉiu delegito povos tralegi la enhavon de sia flugfolio disdoninte jam antaŭe po unu ekzemplero al ĉiu konferencano, aŭ almenaŭ al S-roj asesoroj-delegitoj, kiuj povos ilin hejme plimultigi al sialandaj samfakanoj. Se la enhavo ne estos sufiĉe klara, la traleganto povos tuj doni ĝustan klarigon al ĉiu demandinto. Nur tiamaniere, tion ni imagas al ni, oni povos pritrakti la tutan materion utile kaj rapide, tio estas, dum la precize elmezurita tempo!

**Samtempe ni sciigas**, ke nia aŭstria asesoro, S-ro H. Steiner, insp., Bisamberg apud Wien, N-ro 248, intencas loĝigi komune la fervojistojn dum la XVIa Universala Kongreso de Esperanto, se tio estos ebla, en unu lernejo, por ŝpari al ili la multekostajn loĝelspezojn. Tiurilate li petas niajn **asesorojn ĉiulandajn** pri sciigoj poŝtrevenaj, t. e. pri nombro (nomoj) de partoprenontaj konferencanoj — IAEF-anoj.

**Atentigo.** — Kelkaj viglaj kunlaborantaj membroj, en bona intenco, kaj dezirantaj verŝajne, ke ni anoncu aŭ publikigu ion pri la hejmolanda Esperanto-movado (eble eĉ inter la fervojistaro), sendadas al la redakcio kaj administracio de O. I. gazetojn naciajn, sed sen iu ajn rimarko aŭ artikolo skribita en Esperanto. Ili ne faras prudente. Ekzemple, kolegoj svedaj, italaj ktp. sendas al redakcio de O. I. la artikolojn, certe interesajn, sed sen traduko en Esperanto. Tia materio devas resti longe aŭ entute neuzita, ĉar nek la redaktoro nek alia IAEF-estrano povas scii ĉiulandajn lingvojn.

Ni ĉiam volonte publikigas artikolojn pri Esperanto-movado aperintajn en naciaj gazetoj, kiam ili estas senditaj al la O. I.-redakcio kaj se estas eble ilin esperantigi kiel ekz. de Germanujo, nome de ŝtatoj mezeŭropaj, sed rilate ceterajn, ni petas, se eble, aldoni ĉiam almenaŭ koncizan raporteton, pri kio ĉefe temas.

Sed tute certe kaj kun ĝojo ni publikigos *esperantajn* artikolojn, rilatantajn precipe nian IAEF aŭ minimume Esperanto-movadon en la vicoj de fervojistaro, alsendintajn p. k. aŭ alie samtempe al nia redakcio.

Ĉe mano mi havas kelkajn ĉefe laŭdindajn dokumentojn, ke la Esperanto-movado inter fervojistaro disvastiĝas senĉese, sisteme kaj organize. Precipe en nia samideana Italio, kie estis fondita Unio de Esperantistaj Fervojistoj en Torino, zorgante ne nur pri la disvastigo de Esperanto inter itala fervojistaro, sed, ke Esperanto, kiel aprobita lingvo internacia havu plenan sukceson nome en ĉiulanda fervojtrafiko. Tial la „Unio" aranĝas kursojn por fervojistoj, subtenas morale eĉ materiale aranĝi tiajn kursojn en ĉiuj gravaj fervojaj lokoj, penas konvinkigi la ministerion de italaj fervojoj, ke ĝi enkonduko oficiale Esperanton en administrado de la italaj ŝtatfervojoj kaj ke la esperantistaj fervojistoj estu speciale klasifikataj, same kiel tio okazas en Ĉeĥoslovakujo — plue penas organizi ĉiujn esperantistajn fervojistojn, ĉu izolulojn aŭ grupanojn. Organizas ĉiujn Esperanto-klubojn, societojn en sia lando kaj kie ne ekzistas — fondas ilin kune kun lokaj fervojistoj esperantistaj. Ni povas esti fieraj je niaj italaj kamaradoj kiuj propagandas kaj laboras konscie, organize, fervojiste. Ni sincere gratulas kaj deziras, ke nia IAEF konsistu ju plej nombre el tiaj elementoj, kia estas „L' Unione Ferrovieri Esperantist di Torino".

Samideanoj-fervojistoj el Svedujo sendas al redakcio de O. I. kelkajn siajn naciajn organojn, ekzemple „Signalen" — No 9 — Torsdagen, de 28 februaro 1924, kun tre favora artikolo pri Esperanto-movado en Ĉeĥoslovakio; citante ĉefe la minister. ordonojn, per kiuj ĉeĥoslov. fervojministerio rekomendas kaj neoficiale enkondukas Esperanton en servojn fervojajn, nome trafikaj; eĉ, ke S-ro Silhart verkis tre valoran kompendion kun „3300 frazoj". La artikoloj estas preskaŭ alvoko al svedaj fervojistoj, ke ili almenaŭ penu gajni tiom, kiom la ĉeĥoslovakaj, se ne pli.

# Alvokoj.

## Gramofonaj diskoj.

La subskribinto petas informojn, kiuj firmoj eldonis iajn gramofonajn diskojn en esperanta lingvo aŭ diskojn uzatajn por ellerno de fremdaj lingvoj kaj ĉu ili estas ankoraŭ riceveblaj. Li volas interesigi ĉeĥoslov. fabrikon de diskoj pri l' eldono de esperantaj eĉ alilingvaj diskoj uzeblaj por instruado eĉ amuzo.

Inĝ. *Leopold Berger*, Moravany v. Ĉeĥoslov.

* * *

## Universitatanoj Esperantistaj!

La XVIª Universala Kongreso de Esperanto 1924 donas al la scienculoj, kiuj jam praktike elprovis la eblecon de Esperanto, bonan okazon, priparoli sciencajn aferojn.

La Esperantistojn kaj la amikojn de Esperanto inter la Akademinaro*) de ĉiuj landoj per tiu ĉi alvoko ni afable invitas partopreni la kunvenojn dum la XVIª preparotajn de la subskribintoj. Laŭnecese oni aranĝos historian, filologian, matematikan, juristan, teknikan k. a. grupojn. La studentoj de altlernejoj ankaŭ havos apartajn kunvenojn.

La invitantoj esperas, ke dum la kongresaj tagoj ili havos la ĝojon amike saluti multajn akademiajn pionirojn por Esperanto kaj petas, sendi tre baldaŭ, eble tuj, sciigojn, proponojn kaj aliĝojn al la suba adreso.

*Wien — Vieno*, 25 Februaro 1924.

Adreso: *Esperanto-Kongreso*, Wien. (Akademia Konferenco).

* * *

## IVª S. A. T.-Kongreso.

La IVª Kongreso de „Sennacieca Asocio Tutmonda" okazos de 14 ĝis 18 Aŭgusto 1924, en Bruxelles [Belgio]. Por pliaj informoj vidu Sennacieca'n Revuo'n, aprila numero. [Redakcio: 24 Bd. Beaumarchais, Paris XI].

*IVª S. A. T.-Kongres-Komitato.*

Noto: Ĉar oni intencas organizi grandan ekspozicion de ĉiuspecaj esperantaĵoj dum la kongrestagoj, oni petas, ke oni sendu publikaĵojn al S-ro Van Aelst, 24 rue de sevigné, Anderlecht [Belgio]. Helpemaj samideanoj estas antaŭdankataj.

* * *

## Al ĉiuj geesperantistoj!

Por eldoni esperantan broŝuron pri kuirarto de diversaj landoj, mi petas niajn diversnaciajn gesamideanojn pri kunlaboro. Mi intencas kolekti de ĉiu nacio almenaŭ po 1 tipa manĝaĵo kun detala instruo pri ĝia preparo. Helpu, kiu povas!

S-ino *Marie Bergrová*, edz. de inĝ., Moravany v Č., Ĉeĥoslov.

* * *

## Kongresanoj!

La Breslaŭ'aj Esperantistoj petas la kongresanojn, kiuj prenas la vojon al Vieno tra Oderberg, halti en Breslaŭ por viziti la vidindan urbon kaj por eventuala publika manifestado.

Oni petas sendi tuj sciigojn pri tago de alveno kaj pri specialaj deziroj al la delegito de UEA.

*Siegmund Freund*, Ring 4, *Breslau*, Germanujo.

*) signifas iamaj kaj nunaj universitatanoj, do personoj kun universitata studo.

## Iª Kunveno de Esp. Bankoficistoj.

La aranĝo de internacia esper. bankoficista konferenco, dum la XVIª U. E. K., trovis bonan akcepton ĉe la estraro de la Asocio de aŭstriaj bank- kaj ŝparkasoficistoj, kiu reprezentas pli ol 25000 oficistoj. Post detala informo ĝi deklaris sin preta, transpreni la oficialan aranĝon de la konferenco. Ĉiu kolego sendu tuj sian anoncon pri partopreno aŭ siajn proponojn kaj opiniojn al la „Asocio de Aŭstriaj Bank- kaj Ŝparkasoficistoj", en Wien I, Löblstr. 18, Aŭstrio.

* * *

## Pacifistoj.

La 15 Januaro estas fondita en *Wien: „Aŭstra Pacifista Esperantista Societo"*, kiu laŭ intenco de la mortinta prezidanto de la „Universala Esperantista Pacifista Ligo" D-ro Giesswein por la „Pacifista Konferenco", okazonta dum nia XVIª, ĝis aŭgusto provizore gvidas la aferojn de la Ligo. Ni petas ĉiujn ĉefkomisiistojn de U. E. P. L. (vidu la liston en ET 153!) kaj tiujn, kiuj volas kunlabori, ke ili tuj fondu ankaŭ en sia lando „Landan Pacifistan Esperantistan Societon", kiel ni la aŭstran, ĉar estas absolute *ne eble*, havi U. E. P. Ligon *sen* „Landaj societoj"! Dum la XVIª okazos la „Pacifista Konferenco", t. e. 2 laborkunsidoj kaj 1 granda „Manifestacia Kunveno de U. E. P. L." Granda kaj gravega estas nia porpaca laboro! Amikoj de la pacideo, je memoro al nia Majstro kaj al nia, la 15ª de novbr., mortinta D-ro Giesswein, ni petas vin, *venu multnombre* al la grava „Pacifista Kunveno"! Aliĝu tuj al nia XVIª! Dum la Pacifista Konferenco ni devas formi la suborganizaĵojn, kiuj *celkonscie* laboru por la enkondukado de Esperanto en ĉiujn pacifistajn rondojn sur la *tuta* mondo!

*Rudolf Michael Frey*, Wien III., Beckardg. 14.

* * *

## Bibliostudantoj.

Kiel dum la XIVª en Helsinki kaj la XVª en Nürnberg, tiel la prezidanto de nia asocio ankaŭ komisiis por la XVIª Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en Vieno dum tiu ĉi jaro, prepari aranĝojn por publikaj paroladoj, kiujn povas ĉeesti ĉiuj kongresanoj senpage. Ni tial kore petas ĉiujn interesatojn, kiuj partoprenos la kongreson en Vieno, ke ili anoncu sur iliaj kongresaliĝiloj ilian ĉeeston en la fakaj konferencoj de la „Internacia Asocio de Biblio-Studantoj". Ankaŭ ni ĝojus, ke ili, okaze skribontaj al nia ĉi suba oficejo, komuniku ilian intencon, ĉeesti la fakkunsidojn.

Por pluaj gesamideanoj, ne konantaj jam nian celon, ni ĉiposte en mallongaj trajtoj prezentas kelkajn klarigojn:

La „Internacia Asocio de Biblio-Studantoj" ne estas societo, kiu postulas kotizojn, nek, kiu havas membrolistojn, sed ĝia nomo nur prezentas la fakton, ke biblio-studantoj de la tuta tero, unuigitaj per la ligilo de la vero kaj amo, traesploradas la Biblion.

Nenia formalaĵo, nenia aliĝo, nenia kotizo estas necesaj, por aparteni al la asocio. Ĉiuj, kiuj estas konsentaj al tiuj, kiuj traesploradas la skribon en la lumo de nun allima vero, estas biblio-studantoj. Estas la libereco de ĉiuj tiaj, ekinterrilatiĝi kun ni. Eble ni povas indiki al ĉiu adreson de biblio-studanto je la sama loko pro ebla deziro de interŝanĝo de pensoj.

Nia sola celo estas: Traesploradi kaj proklami la Vorton de Dio, por helpi al ĉiuj volemaj je fido. Tial ni proklamas la veron ĉial, eĉ se ni estas kalumniataj kaj persekutataj pro tio.

Ni estas pretaj je ĉia informo. Pluaj sciigoj pri la kongresparoladoj sekvos.

*Garda Turo Biblio- kaj Traktat-Societo*
Esperanta Fako
Landstrasse 277, *Rieden* bei Baden, Svislando

## Invito al Dresden.

*La vojo al Vieno,* la urbo de la XVI$^{a}$, *kondukas* por multaj kongresanoj el la nordo kaj oriento de Eŭropo *tra Dresden,* la urbo de neforgesebla IV$^{a}$! Multaj de la kongresantoj, konante Dresdenon de antaŭaj vizitoj, interrompos tie sian vojaĝon, por renovigi siajn impresojn por tiu ĉi bela urbo, aliaj haltos tie por konatiĝi kun la belaĵoj de la saksalanda metropolo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo, tiuj volonte renkontos tie malnovajn kaj novajn samideanojn! Por tion ebligi, la Dresdena Esperantistaro aranĝos en la tagoj antaŭ la XVI$^{a}$ en Dresden

*Antaŭkongresan renkontiĝon*

kaj kore invitas ĉiujn travojaĝantajn kongresanojn al tiu ĉi tute senĝena aranĝo. Ni ne projektas lacigan antaŭkongreson kun grandaj kunvenoj kaj festoj en varmegaj ĉambroj — male ni volas doni la eblecon, en agrabla kunesto kun samideanoj ripozi dum unu aŭ du tagoj en nia urbo, tamen ebligante al ĉiu, kiu ion ŝatas, la ĝuon de la vidindaĵoj de Dresden kaj ĉirkaŭaĵo sub sperta gvidado. Por fakuloj la ĉijara Dresdena ekspozicio pri „Germana Teksaĵoj" estas speciala allogaĵo.

Detaloj sekvos. Ni petas pro antaŭanoncoj de la samideanoj, kiuj intencas, sekvi nian inviton, por ke ni iomete povas taksi la nombron de la partoprenantoj kaj laŭ ĝi fari niajn aranĝojn.

Tial venu Dresdenon! Koran bonvenon!

Demandojn oni direktu al nia oficejo *Dresden-A. 1,* Struvestrasse 40.

* * *

## III$^{a}$ ĉiujara ekspozicio de germana laboro Dresden 1924.

*TEKSAĴOJ.*

En *Dresden* oni preparas por la *somero 1924* en la vico de la ĉiujaraj ekspozicioj (1922: keramiko, 1923: ludo kaj sporto) ekspozicion de ĉio, kio rilatas la *industrion de teksaĵoj.* Jam multaj firmoj anoncis sian partoprenon. La ekspozicio konsistas el la jenaj sekcioj: I. Historio de la teksaĵindustrio en Germanujo kaj en eksterlando, popolekonomio kaj statistiko. II. Teksaĵoj por vestoj ĉiuspecaj, por endoma konstruaĵornamo kaj por teĥnikaj celoj. III. Maŝinoj por la teksaĵindustrio. IV. Finpretigado, kolorigado kaj presado de teksaĵoj. V. Praktika elmontro de la fabrikado de la kruda materialo ĝis la preta fabrikaĵo, teksaĵoj el bestaj, plantaj kaj mineralaj materialoj.

Ĉiujn demandojn por la ekspozicio oni direktu en Esperanto al la *3. Jahresschau Deutscher Arbeit, Dresden 1924*
*Textil-Ausstellung Dresden-A.*
*Ausstellungspalast.*

---

*Kun tiu ĉi numero*
*estas sendataj la*
*„Bulteno de la Internacia Labora Oficejo"*
*N-ro 8*
*Afiŝeto pri la ekspozicio de*
*Radio-Telefonio en Genève*
*kaj*
*Aliĝilo por la XVI-a Kongreso en Wien*




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro (M) 5 Fr. Membro-Abonanto (MA) 12,50 Fr. Membro-Subtenanto (MS) 25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Aŭstrio:** Kr. 30, 75, 200: **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Brazilo:** Milr 6, 15, 30; **Britlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25: **Bulgario:** L. 50, 125, 400; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 20, 45, 100; **Ĉinio:** Arg. dol. 1.40, 3.50, 7.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 125, 400, 1000; **Finnlando:** Mk. 25, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; **Germanio:** Mk. or. 2,50, 5,—, 15; **Greklando:** Dr. 25, 80, 300; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 30; **Hungario:** Kr. or. 2,5 5, 15; **Irlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 60; **Japanio:** J. 2, 5, 10; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 250; **Latvio:** L. 3, 6, 15; **Litovio:** L. 6, 12, 30; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; **Pollando:** Zlot. 3, 6, 15; **Portugalo:** Esk. 12, 30, 75; **Rumanio:** L. 100, 250, 600; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 75, 200, 500; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj (HM) estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 10000; Germanio: Mk. or. 0,60; Hungario: Kr. or. 0,75; Pollando: Zlot. 0,75; Rumanio: L. 30 La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Elekto de la nova komitato.** — La nuna komitato elektita 1920 finis sian oficdaŭron en 1923 konforme al la statutoj art. 54—57. Ĝi decidis, ke la nova komitato konsistu el 25 personoj.

Ĝi akceptis dispartigon laŭ landoj kaj grupoj de landoj por 22 kandidatoj kaj poste decidis altigi la nombron ĝis 25. Tial la dispartigo devos esti modifata en kvin detaloj:

a) Brita Imperio ricevu plian seĝon pro la graveco de tiu diverskontinenta landaro.

b) Germanio ankaŭ ricevu plian seĝon pro la nombro de membroj en tiu lando kiu nun atingas 1200.

c) Nederlando nun rajtas propran reprezenton en la komitato.

d) Ameriko ankaŭ rajtas same.

e) En Ruslando estu nur unu komitatano, ĉar neniu propono alvenis por dua seĝo.

La nomoj apud la landoj en tiu ĉi listo estas tiuj de la ĝisnunaj komitatanoj kiuj bonvolas reakcepti eblan elekton. La streketoj montras oficlokojn malplenajn ĉu pro rezigno de la ĝisnuna komitatano, ĉu ĉar ili estas nove kreitaj. Kun sincera bedaŭro la delegitoj kaj membroj konstatos, ke la prezidanto rezignis sian oficon. (Vidu ĉi-suban deklaron).

Konforme al art. 55 ni atentigis la membrojn en Februara numero de „Esperanto“, ke ili estas liberaj fari aliajn proponojn por la elektoj. La proponoj alvenintaj al la Centra Oficejo ĝis nun, estas publikigataj en tiu ĉi numero. La voĉdonilo kun necesaj klarigoj estos tuj poste dissendataj kun Oficiala Bulteno N-ro 12. Ni memorigas la delegitojn, ke la partopreno je voĉdonado estas honora devo.

*H. JAKOB*
Ĝenerala Sekretario de UEA.

* * *

**Listo de Kandidatoj.**

| Landoj aŭ grupoj de landoj | Nombro de Komitatanoj elekteblaj | Kandidatoj |
|---|---|---|
| Brita Imperio . . . | 3 | S-ro Paul Blaise, Hanworth<br>S-ro Wm. Page, Edinburgh |
| | | — — — |
| Germanio . . . . | 3 | S-ro J. Karsch, Dresden<br>S-ro Fritz Rockmann, Magdeburg |
| | | — — — |
| Ĉeĥoslovakio . . . | 2 | S-ro Rud. Hromada, Praha |
| | | — — — |
| Franclando . . . . | 2 | S-ro Carles, Beziers<br>S-ro Genermont, Moulin s. A |
| Svislando . . . . | 2 | D-ro Edm. Privat, Genève |
| | | — — — |
| Hispanio, Italio, Portugalio . . . | 2 | S-ro P. Linares, Cordoba<br>S-ro A. Tellini, Bologna |
| Ruslando . . . . | 1 | S-ro Szabunievicz, Moskvo |
| Belgio . . . . . | 1 | S-ro H. Petiau, Gent |
| Danubaj landoj . . | 2 | — — —<br>— — — |
| Baltaj landoj . . . | 1 | — — — |
| Nordaj landoj . . . | 2 | S-ino Louise Blicher<br>S-ro Vilho Setälä, Helsinki |
| Balkanaj landoj . . | 2 | S-ro St. Minkov, Sofia<br>D-ro A. Stamatiadis |
| | 23 | |

Novaj lokoj:

| | | |
|---|---|---|
| Nederlando . . . | 1 | |
| Ameriko . . . . | 1 | |
| | 25 | |

Estas proponataj por la liberaj lokoj la jenaj personoj:

| | |
|---|---|
| Svislando . . . . | S-ro Paul Bouvier, Delegito de UEA en Genève. |
| Ĉeĥoslovakio . . . | S-ro Gustav Scholze, Reichenberg. |
| Brita Imperio . . . | S-ro Charles Edmonds, London. |
| Germanio . . . . | Profesoro Dietterle, Leipzig. |
| Danubaj landoj . . | S-ro D. Maruzzi, Zagreb.<br>S-ro H. Fischer, Bucuresti. |
| Baltaj landoj . . . | S-ro P. Medem, Kovno. |
| Nederlando . . . | S-ro Isbrücker, den Haag. |
| Ameriko . . . . | S-ro D. E. Parrish, Buffalo. |

* * *

## Al la delegitoj kaj membroj de UEA.

Estimataj samideanoj,

Mi informas vin, ke fininte mian ofictempon kiel prezidanto, mi petis la komitaton ne plu remeti mian nomon sur la liston de la elektotaj komitatanoj. La motivoj de mia rezigno estas unuflanke mia sanstato ŝancela, kiu ne permesas labori tiom energie kaj ŝinsekve, kiom tion postulas la ofico.

Aliflanke mi sentas certan lacecon, kaŭzita de dekkvin jaroj de funkciado, parte preskaŭ profesia. Portinte bonan parton de la zorgoj de UEA, skribint: multajn raportojn, alvokojn kaj leterojn pri pli malpli la samaj temoj, mi deziras refariĝi libera Esperantisto.

Ankaŭ la asocio atingis nun certan perfektecon en sia organizo kaj funkciado, ke gvidado laŭ administraj vidpunktoj estas al ĝi malpli necesa ol vigla propagando, por kiu D-ro Privat la ĝisnuna vicprezidanto estas la taŭga persono.

Konstatante kun plezuro ke neniuj personaj malinterkonsentoj estigis mian decidon, mi dankas sincere al la komitatanoj por iliaj afablaj leteroj, kaj al ĉiuj delegitoj kaj membroj kies fideleco helpis al UEA sukcese travivi la pasintan malfacilan epokon. Mi petas, ke ili transdonu sian konfidon al la nova prezidanto daŭrigante labori por la celo komuna. Restu konsciaj, ke sub formo de organizo praktika UEA reprezentas altan idealon, kies realigo dependas de la solidareco esperantista.

Al la kara Asocio mi deziras feliĉan prosperon.

BERN, dum Marto 1924.

Kun samideanaj salutoj
ED. STETTLER.

* * *

## Al la delegitoj kaj membroj de UEA.

Genève, 20 Aprilo 1924.

Estimataj samideanoj,

Certe kun granda ĉagreno, kiel mi mem, vi legos la paragrafon de la prezidanta cirkulero en kiu S-ro Stettler esprimis sian nekandidatecon kaj malakceptis pluan reelekton al la Prezidanteco de nia kara asocio.

Tuj kiam ni aŭdis pri lia intenco, ni insistis, ke li rezignu tiun decidon kaj tamen restu nia prezidanto, sed niaj klopodoj estis vanaj. S-ro Stettler konsideras, ke li estis tro ofte kaj tro longsekve malsana dum la lastaj du jaroj por daŭre porti sur siaj ŝultroj la tutan respondecon. Tio estas tiom pli bedaŭrinda, ke ni ĉiam facile konsentis pri la gravaj interesoj de UEA kaj de nia movado; nia kunlaborado estis unu el la plej agrablaj kaj harmoniaj kiujn oni povus imagi.

Por ke la sperto de S-ro Stettler almenaŭ restu en la asocio mem, por ke li daŭre honoru nian komisionon kaj komitaton per konsilado kaj eventuale akceptu eĉ administron de la Garantia Kapitalo, ni ĉiuj deziras, ke li konservu altan postenon inter ni; aliflanke liaj grandaj meritoj, lia multjara kunlaborado kun S-ro Hodler por starigi kaj kreskigi la asocion, lia inda kaj energia prezidado de post 1920 metas en niaj koroj, grandan ŝuldon de dankemo al li kaj deziron honori lin per la plej alta signo de nia fido. Tial unuanime la komitato elektis S-ron Stettler kiel *honoran prezidanton* de UEA.

En la nomo de la tuta Asocio mi esprimas al li nian dankemon kaj sinceran bondeziron al plena retrovo de liaj fortoj.

EDM. PRIVAT.

* * *

**Stato de UEA.** — Kun la 30 Aprilo 1924 la duono de l' administra jaro 1924 (1 novembro 1923 ĝis 30 aprilo 1924) pasis. La repago de la kotizoj montras la jenan situacion: pagis ĝis 30 aprilo la kotizon ronde 5400 membrojn El ili 1850 estas novaj membroj; ne repagis do el la 6150 de l' jaro 1923, 2600 personoj.

Konforme al la statuto Art. 11, la nerepagintoj estas avertataj; por eviti al la oficejo nenecesan laboron kaj elspezon por afranko, ni petas la nepagintojn sendi al ni kiel eble plej baldaŭ la kotizon ŝuldatan. Por ke UEA fine eliru la financan embarason necesas, ke ĉiu realiĝu; ni do ree insistas pri tiu ĉi devo kaj sincere dankas al ĉiuj, nin helpintaj kaj helpantaj en tiu grava laboro de revarbado.

**Enkasigo de kotizoj.** Du semajnojn post forsendo de l' averto pri repago ni enkasigas la kotizon per la poŝto, en landoj kie tio estas ebla. Tiu ĉi enkasigo okazos meze de junio. Estas rekte enkasigataj de l' Centra Oficejo la kotizoj el jenaj landoj:

Belgio, Danmarko, Francio, Italio, Nederlando, Norvegio, Svedlando, Svislando.

Estas enkasigataj helpe de ĉefdelegito, komitatano, peranto aŭ delegito, ŝarĝitaj per tiu ĉi laboro de la Centra Oficejo:

**Aŭstrio:** D-ro Edmund Sós, ĉefdelegito en Wien.
**Bulgario:** St. Minkov, komitatano de UEA, Sofia.
**Ĉeĥoslovakio:** O. Sklenĉka, ĉefdelegito, Hradec Králové.
**Finnlando:** Movado, Esperanto-Oficejo en Helsinki.

**Germanio:** Fritz Rockmann, komitatano, Magdeburg.
**Hungario:** Paŭlo Balkanyi, ĉefdelegito, Budapest.
**Jugoslavio:** D-ro Dušan Maruzzi, delegito en Zagreb.
**Latvio:** Talivaldo Indra, delegito en Riga.
**Litovio:** Paŭlo Medem, delegito en Kovno.
**Pollando:** St. Rudnicki, delegito en Trzebinia.
**Rumanio:** Andreo Ĉe, ĉefdelegito, Bucuresti.

En ĉiuj aliaj landoj poŝta enkasigo ne ekzistas. Laŭ la statistiko de pasintaj jaroj la eksigo de membroj en tiuj landoj estas proporcie pli alta ol en aliaj, enkasigeblaj. Ni varme petas la membrojn en tiuj landoj, atenti nian alvokon senpere pagante la kotizon al ni.

**Subtenantoj.**

La nombro de Subtenantoj ĝis fino de aprilo atingas 177; por la bezonata nombro de 400 mankas ankoraŭ 223. Komprenante la situacion, multaj membroj kaj membro-abonantoj postpagis la diferencon inter la jam pagita kotizo kaj tiu de Subtenanto; ni rimarkas, ke tia postpago estas akceptata. Plezure ni povas konigi, ke ni povas sendi kiel premion tre valorajn verkojn, krom tiuj jam anoncitaj:

N-ro 4. Christaller, Deutsch-Esperanto-Wörterbuch, bindita, 660 paĝoj.

N-ro 5. Luyken, Stranga Heredaĵo, bindita, 320 paĝoj. (Originala romano).

Forge, Abismoj, bindita, 150 paĝoj, (orig. romano).

Ĉiu ano, aliĝanta kiel Subtenanto, rajtas elekti unu el la kvin premioj, la tri aliaj premioj konsistas el Fundamentakr estomatio, Vortaro de Kabe, diversaj Literaturaĵoj, Enciklopedia vortaro de Verax, Marista Terminaro de Rollet de l' Isle, Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio.

**Teritorio de UEA.** — Je la 24 februaro la membroj en Wien kunvenintaj en kafejo „Ankerhof" interkonsentis pri starigo de Teritorio de UEA „Urbo kaj Lando Wien" kaj elektis S-ron D-ron Edm. Sós, kiel ĉefdelegiton kaj S-ron Raymund Ĉech, kiel delegito-sekretarion.

La komisiono de UEA post ekzameno konfirmas la elekton; ĝis tiam la elektitaj ĉefdelegitoj, sekretario kaj urbaj delegitoj agas provizore.

**Subtenantoj:**

Tria listo:

89. S-ro de Grada, Genova; 90. S-ro Hell, Eger, Ĉeĥosl.; 91. S-ro Pratley, Westmount-Quebec, Kanada; 92. S-ro Stalzer, Osijek, Jugoslavio; 93. S-ro Groverman, Gentbrugge; 94. S-ro Petiau, Gent; 95. S-ro Wolf, Chaux de Fonds; 96. S-ro Meidel, Drammen, Norvegio; 97. S-ro Hageler, Drammen, Norv.; 98. S-ro Skogström, Drammen; 99. S-ro Mommertz, M.-Gladbach; 100. S-ro Nemseĉi, Tabriz: 101. S-ro Schwarzschild, Berlin; 102. S-ro D-ro Eberler, Berlin: 103. S-ro Schütte, Berlin; 104. S-ro Blankenheim, Berlin; 105. S-ro Villafranca, Buenos-Aires: 106. S-ro Gomez, Buenos-Aires; 107. F-ino Yvonne Thooris, Bruges; 108. S-ro Southwick, Pawtucket, U. S. A.; 109. S-ro van den Broeck, Leiden; 110. S-ro Bernard, Genève; 111. S-ro Larsen, Brönderslev, Danmarko; 112. S-ro Haller, Genova; 113. S-ro Istel, Wiesbaden; 114. S-ro Albersheim, Wiesbaden; 115. S-ro Schönrich, Wiesbaden; 116. S-ro Torre, Genova; 117. S-ro Chavkin, Jerusalem; 118. S-ro Liem Tjong Hie, Semarang, Java; 119. S-ro Claessen, Richmond; 120. S-ro Rogers, Los Gatos, U. S. A.; 121. S-ro Gouchon, Lyon: 122. S-ro Génermont, Moulins; 123. S-ro Wüster, Berlin; 124. S-ro Švedas, Kaunas; 125. S-ro L. Bouvier, Poix; 126. S-ro R. Goldner, New Duluth; 127. S-ro D. Thomas, Cardiff: 128. S-ro Codrig, New Orléans; 129. S-ro A. Bergtals, Riga; 130. S-ro Kleinow, Berlin; 131. S-ino M. Moscheles, London; 132. S-ro D-ro Botte, Casteau-les-Mons; 133. S-ro Cadbury, Birmimgham; 134. S-ro Lloyd, Birmingham; 135. S-ro Clayton, Birmingham; 136. S-ro Sturge, Birmingham; 137. S-ino Meyer, Bath; 138. S-ro W. Brown, Groosnargh, England; 139. S-ro Eriksson, Wiipuri; 140. S-ro Gouttenoire de Tory, Paris; 141. S-ro Briquet, Lille; 142. S-ro Rian, Levanger, Norvegio; 143. S-ro Borel, Recco, Italio; 144. S-ro Robin, Warszawa: 145. S-ro Girola, Milano; 146. S-ro Azorin, Cordoba; 147. S-ro Thalmeier, Kammer; 148. S-ro Carnap, Freiburg i. Br.; 149. S-ro Linder, Freiburg i. Br.; 150. S-ro Schauber, Freiburg i. Br.; 151. S-ro Döring, Freiburg i. Br.; 152. S-ro Tobusch, Freiburg i. Br.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

**Dolné-Hámry,** Ĉeĥosl., Zupa. D.: S-ro Josef Cimer, forĝisto por arĝento kaj metaloj.
**Dolní Kalná,** Ĉeĥosl., Bohemio. D.: S-ro František Portych, instruisto, učitel.
**Domažlice,** Ĉeĥosl., Bohemio. D.: S-ro Jaroslav Drvota, komercisto, hoř. předm. čis 61.
**Dordrecht,** Nederlando, Zuid Holland. D.: S-ro Bastiaan, Pieter Roubos, ŝtatoficisto, Noordendijk 90.
**Dotnava,** Litovio. D.: S-ro Viktoras Ruokis, kemiisto, instruisto, Zemes Ukio Technikumas.
VD.: Juozas Lazauskas, instruisto de litova lingvo, Zemes Ukio Technikumas.
**Doubravčany** apud Zásmuky, Ĉeĥosl. D.: F-ino Milada Vokřálová, oficistino.
**Drahowitz,** Ĉeĥosl., Bohemio. D.: S-ro Hans Fischbach, burĝlerneja instruisto, N-ro 37.
VD.: Franz Langhans, poŝtoficisto, N-ro 100.
**Dunaharaszti** apud Budapest, Hungario. D.: S-ro Lajos Gfellner, bankoficisto, Kossuth-Lajos utca 46.
**Egeln,** Germanio, Sa. D.: S-ro Fritz Böckelmann, librotenisto, Schlossstr. 5.
VD.: S-ro Heinrich Eilert, instruisto, Ritterstr. 21.
**Eibiswald,** Aŭstrio, Stirio. D.: S-ro D-ro jur. Kaspar, juĝejestro.
**Exeter,** Britlando, Devonshire. D.: S-ro Iredenck James Strong, 50 Wellington Rd.
**Fiume,** Italio. D.: S-ro Josefo Sikić, komerca oficisto, Riva-marco-Polo 16.
**Forssa,** Finnlando, Hame. D.: Juhani Oskari Saarinen, lektoro.
**Franzendorf** bei Reichenberg, Ĉeĥosl., Bohemio. D.: S-ro Ferdinand Kaullers, Gasthaus „Franzenshöhe".
**Friedberg,** Germanio, Hessen. D.: S-ro Ludwig Rüfer, instruisto, Gewerbeschule.
**Fulda,** Germanio, Hessen. D.: S-ro Günther Merdas, funkciadestro im Hause F. Mollenhauer & Söhne, Friedrichsmarkt 7.
**Gäbersdorf-Beckern,** Germanio, Kreis Striegau, D.: S-ro Emanuel Schkopp, librotenisto, Chamottefabrik.
**Gerstungen,** Germanio, Thüringen. D.: S-ro Max Ranft, fervojoficisto, Untersuhl bei Gerstungen.
VD.: S-ro Albert Führer, komercisto.
**Gijon,** Hispanio, Asturias. D.: S-ro Eduardo de Castro, inĝeniero, Dominguez Gil 14
**Giurgiu,** Rumanio, Vlaŝca. D.: S-ro Ioan Bucurescu, detektivo priv., Str. Tudor Vladimirescu 5.
**Glauchau,** Germanio, Sa. D.: S-ro Joseph Petrik, peltnegocisto, Brüderstr. 23.
**Glienicke** apud Beeskow, Germanio, Brandenburg. D.: S-ro Otto Pfeiffer, instruisto.
**Gnotzheim** apud Gunzenhausen, Germanio, Bayern. D.: S-ro Johann Wegerle, instruisto.
**Görlitz,** Germanio, Silezio. D.: S-ro Gerhard Langner, kontoristo, Bahnhofstr. 8.
**Gotha,** Germanio, Thüringen. D.: S-ro Karl Frohner, supera dogan-sekretario, Waltershauserstr. 7, II.
VD.: S-ro Erich Hahn, supera dogan-sekretario, Erfurtstr. 1.
**Gradiştea,** Rumanio, Vlaŝca. D.: S-ro Carol W. Meitert, profesoro de muziko, Scoala normala.
**Grossenhain,** Germanio, Sa. D.: S-ro Albrecht Naumann, pormetia instruisto, Weesnitzer Str. 21.
VD.: D-ro Karl Rosenhauer, studkonsilisto, supera instruisto, Elsterwerdaer Str. 17.
**Grossölsa,** Germanio, Sa. D.: S-ro Oskar Pretzsch, meblisto, N-ro 8 b.
**Guaiba,** Hispanio, Barcelona. D.: S-ino Sara Ullastres, instruistino.
**Guyra,** Jownship, Aŭstralio N. S. W. D.: S-ro Frank John Mann, ĵurnalisto.
**Gyöngyös,** Hungario, Hewes. D.: S-ro Ferenc Hugai, profesoro.
**Har-Kineret,** Palestino, Malsupra Galileo. D.: S-ro Isaak Mučnik, farmisto, terlaboristo, Semakh P. O. B. 8.
**Hateg,** Rumanio, Trans. D.: S-ro Nicolae Chindler, urba oficisto.
VD.: F-ino Margareta Deak.
**Hatfield,** Britlando, Hertfordshire. D.: S-ro James Leakey „Creybole".
VD.: S-ro Herbert Lansom, komercisto, St. Albans Rd. „Brambleside".
**Heilbronn,** Germanio, Württemb. D.: S-ro Friedrich Bachmann, komercisto, Bahnhofstrasse 5, I.
**Hellerup,** Danmarko, Selando. D.: S-ro Christian Heilskov, bibliotekisto kaj verkisto, Rygaards Allé 78.
**Hodějovice,** Ĉeĥosl., Čechy. D.: S-ro Václav Verner, maŝinisto, Nové Hodějovice 94, pošto České Budějovice.
**Hódmezövásárhely,** Hungario. D.: S-ino Júlia Elek, instruistino, Suentesi u. 16.
VD.: S-ino Anna Roth, fotografistino, Kossuth-ter 3.

**Horgen**, Svislando, Zürich. D.: S-ro Oskar Theodor Studer, Buchdruckerei.

**Hoszcza**, Polio, Rowne-Wolÿnskie. D.: S-ro Szyja Goldfeder, studento.

**Hudiksvall**, Sved., Gefleborg. D.: S-ro Werner Ödegárd, ĉefredaktoro de Hudiksvalls Nyheter.

**Husum**, Germanio, Schl.-Holst. D.: S-ro Paul Sperlich, komercisto, Neustadt 19.

**Ileanda-Mare**, Rumanio, Trans. D.: D-ro Ludovic Rácz, advokato.

**Ilmajoki**, Finnlando, Pojanluoma. D.: S-ro Antti Rasku, instruisto.

**Issy-les-Moulineaux**, Francio, Seine. D.: S-ro Pierre Flageul, profesoro pri stenografio, 9 Bd. Voltaire.

**Jaguey Grande**, Kubo, Matanzas. D.: F-ino Ana T. R. de Lopez, profesorino, Reyes 36.

**Joutsa**, Finnlando, Mikkelilääni. D.: S-ro Lauri Johannes Heinonen, pastro.

**Kandava**, Latvio, Zemgale. D.: S-ro Kārlis Veinbergs, instruisto, Palejiela 10.

**Kemanlar**, Bulgario, Deli-Orman. D.: S-ro Georgiev Peter, bankoficisto.

**Kesselsdorf**, Germanio, Sa. D.: S-ro Hugo Rudolf Heinrich, desegnisto, 5.

**Keszthely**, Hungario, Zala. D.: S-ro János Eckmann, studento, Rákóczi ut 12.

**Kiroiu-Roŝiori**, Rumanio, Fierbinti Ilfov. D.: S-ro Mihail Timuŝ, instruisto.

**Kolin n. L.**, Ĉeĥosl., Kolin. D.: D-ro Jan Šil, primář a operatér.

**Kopidlno**, Ĉeĥosl., Bohemio. D.: S-ro Oldrich Řehák, fervojisto.

**Kötschau**, Germanio, Sa., Bez. Halle. D.: S-ro Willy Weilepp, instruisto.
VD.: S-ro Bernhard Schlecht.

**Kralupy**, Ĉeĥosl., Bohemio. D.: S-ro Bořivoj Benetka, studento de juro, 211, Smetanova.

**Kratzau**, Ĉeĥosl., Bohemio. D.: D-ro Karl Alexowsky, kuracisto, Ludwig-Thielgasse 55.

**Landshut**, Germanio, Nieder-Bayern. D.: S-ro Aloys Hubauer, komercisto, Münchnerstrasse 20.

**La Spezia**, Italio, Liguria. D.: S-ro Rinaldo Orengo, inĝeniere, via Manzoni 3.

**Leczyca**, Pollando, Lódz. D.: S-ro Waclav Janczurowicz, ŝtatoficisto.

**Lengenfeld** i. V., Germanio, Sa. D.: S-ro Kurt Ebert, instruisto, Schulstr. 2.

**Leonidion**, Greklando, Arkadio. D.: S-ro Mimis J. Yatropoulos, kalkulisto.

**Les Brenets**, Svislando, Neuchâtel. D.: S-ro Edouard Ducommun, instruisto.

**Liepaja**, Latvio, Kurlando. D.: S-ro Eduards Jaunvalks, militoficisto, Pasta Kantoris.

**Lisse**, Nederlando, Zuid-Holland. D.: S-ro Jacobus Wassenaar, telegrafisto, Heerenweg 150, I.
VD.: S-ro Adrianus Gerardus de Jen, floristo, Roversbroekpolder.

**Litomyšl**, Ĉeĥosl., Bohemio. D.: F-ino Anna Tarauiíková, oficistino, náměsti 127.

**Loerrach**, Germanio, Baden. D.: S-ro Max Resch, komercisto, Gasthaus zum Engel.

**Lohmen**, Germanio, Sa. D.: S-ro Gerhard Schubert, instruisto, N-ro 61 L.
VD.: S-ro Otto Reichel, instruisto, N-ro 62.

**Longuyon**, Francio, Meurthe et Moselle. D.: S-ro Louis Rousselot, sekcisubestro ĉe la fervojo, 43 rue de l' Hotel de Ville.

**Maastricht**, Nederlando, Limburg. D.: S-ro Jan Jacob Filott, lernejestro, Tongerscheweg 50 B.

**Malaga**, Hispanio, Andaluzio. D.: S-ro Serafin Baudin Agüero, instruisto, direktoro de Gradita Nacia Lernejo de infanoj N-ro 2, Alameda Capuchinos 37.

**Meaux**, Francio, Seine et Marne. D.: S-ro Maurice Fabert, instruisto, Place Henri IV.

**Menetou-Salon**, Francio, Cher. D.: S-ro Pierre Branchu, komercisto.

**Meppel**, Nederlando, Drenthe. D.: S-ro Franz Xaver Holeschinsky, librotenisto, de Hoofdstraat 36 bov.

**Methil**, Skotland, Fife. D.: S-ro David J. Young, Denbeath Schoolhouse.

**Mitchell**, Usono, Suda Dakota. D.: S-ro C. H. Gibbons, Faith Home.

**Mjölby**, Svedlando, Östergötld. D.: S-ro Hasse Elfsten, serĉanto, V. Hargsvägen 20.
VD.: S-ro Charles Peterson, maŝinlaboristo, poŝtfako 34.

**Montgeron**, Francio, Seine et Oise. D.: S-ro Louis Moutou, poŝtoficejestro, 1 rue du Chemin de fer.

**Moravka**, Ĉeĥosl., Silezio. D.: S-ro Jean Bojda, terkulturanto, poŝte Pražma.

**Mount Victoria**, Aŭstralio, N. S. W. D.: S-ro Henry Guenther Rienits, eksinstruisto.

**Mügeln** bei Leipzig, Germanio, Sa. D.: S-ro Max Mäser, instruisto kaj orgenisto.

**München-Gladbach**, Germanio, Rhld. D.: S-ro Johann Martin Mommertz, pastro rom. kat. rektoro, Viersenerstr. 450.

**Mukaĉevo**, Ĉeĥosl., Podkarpatska Rus. D.: S-ro Ant. Veverko, ŝtatoficisto, Komenského ulice 16.

**Nelson's Bay**, Aŭstralio, N. S. W. D.: S-ro Stanley Robert Richardson, instruisto.

**Neuss a. Rh.**, Germanio, Rh. D.: S-ro Albert Diels, komercisto, Brückstr. 16.

**Neustadt O.-S.**, Germanio, Oberschles. D.: S-ro Fritz Stephan, instruisto, Untere Mühlstrasse 18, II.
VD.: Joseph Feldsmann, instruisto, Untere Mühlstrasse 54.

**Neustadt**, Ĉeĥosl., Bohemio. D.: S-ro Alfred Schmidt, lernejestro, Hegewald 57.

**Newcastle**, Aŭstralio, New South Wales. D.: S-ino Emily Forshaw, 45 Railway Street, Merewether.
VD.: S-ino Margaret Midson, instruistino, Regent Str. New Lambton.

**New Duluth**, Usono, Minn. D.: S-ro Rudolf Goldner, meĥanisto, 1510. 98 Ave W.

**New Malden**, Angl., Surrey. D.: S-ro Mark Emberson, stenografisto, 49 Adela Avenue.

**Ninove**, Belgio, Oostvlaanderen. D.: S-ro Léon Cogen, pacjuĝisto, Dreef 52.

**Nishinarigun**, Japanio, Osakafu. D. S-ro Risuke Tsuji, artisto, 1129 Tamadecho.

**Nowra**, Aŭstralio, N.S.W. D. S-ro Gerhard Daniel Kvarnstrom, maŝinisto „Anza" Illaroo Rd.

**Nünchritz**, Germanio, Sa., Bez. Dresden. D. S-ro Friedrich Wiesemann, instruisto, Meissner Str. 1.
VD. S-ro Hermann Schmidt, komercisto, Dorfstr. 41.

**Nymburk**, Ĉeĥosl., Bohemio. D. S-ro Emil Tyl, vagonarestro, Kolonie 398.
VD. S-ro Jiři Klůz, vagonarestro, Krále Václava 753.

**Oelsnitz**, Germanio, Sa. D. S-ro Konrad Thum, studkonsilisto, Elsterstr. 2.
VD. S-ro Gerhard Nitzsche, instruisto, Mosenstrasse 2.

**Oostduinkerke-sur-Mer**, Belgio, Flandre Occid. D. S-ro Paul Benoit, hotelestro, Grand Hotel, Digue de Mer.

**Örös**, Ĉeĥosl., ž. Zemplén. D. S-ino Mária Pál, instruistino, p. Velliy Géres.

**Ouroux-sur-Saône**, Francio, Seine et Loire. D. S-ro René Joly, instruisto.

**Panevėžys**, Litovio, Kaunas. D. F-ino Ester Drukaite, dentkuracistino, Respublika g. ve 19.
VD. S-ro Jonas Poyareckis, skribisto, Maria g ve 32.

**Peŝtera**, Bulgario. D. S-ro Ŝtero Turtov, muelestro.
VD. S-ro Anastas Anglopulov, oficisto.

**Petrolia**, Usono, Pennsylv. D. S-ro Ferdinand W. Breth, kemiisto.

**Petrovaradin**, Jugoslavio, Novi Sad. D. S-ro Miĥaelo A Solovjev, juristo.

**Pischelsdorf**, Aŭstrio, Ost-Steiermark. D. S-ro Josef Bierbauer, komerc-komizo.

**Pleven**, Bulgario. D. S-ro Petr Mitkov, bankoficisto, Banko por komerco kaj kredito.

**Port Richemond**, Usono, New York. D. S-ino Ida M. Sorensen, 1629 Castelton Ave.

**Port Saïd**, Afriko, Egipto. D. S-ro G. Demetrius Joannides, komercisto, B. P. 98.
VD. S-ro Basile Ch. Kounakis, komercisto, B. P. 98.

**Praskaĉka**, Ĉeĥosl., Bohemio. D. S-ro Václav Čáslavský, laboristo, N-ro 69.

**Prostějov**, Ĉeĥosl., Moravio. D. F-ino Marie Havránková, faka instruistino, Pod. Kosířem.
VD. S-ro Antonin Tyl, peltisto, Olom. 57.

**Punkaharju**, Finnlando. D. S-ro Artturi Salokannel, kuracisto.

**Pylianken** apud Teplitz-Schönau, Ĉeĥosl., Nordbohemio. D. S-ro Berthold Guttmann, teknikisto, N-ro 142.

**Radebeul-Oberlössnitz**, Germanio, Sa. D. S-ro Willy Heinze, elektro-inĝeniero. Bennostrasse 29.
VD. S-ro Albert Altmann, teknikisto-inĝeniero por papermaŝinoj, Rosenstr. 2, II.

**Radomir** — Gara —, Bulgario, Kjustendil. D. S-ro Stojan Vasilef, staciestro.

**Recklinghausen**, Germanio, Westfalen. D. S-ro Franz Dreiskamper, instruisto, Rochusstrasse 4.
VD. Heinrich Diekmann, seruristo, Kreuzstrasse 26.

**Ronsdorf**, Germanio, Rhld. D. S-ro Otto Meister, komercisto, Lüttringhauserstr. 11.

**Rorschach**, Svislando, St. Gallen. D. S-ro Wilhelm Wüst, desegnisto, Restaurant Rheinburg, Bäumlistorkelstr. 8.
VD. S-ro Fritz Klingenbek, komercisto, Industriestrasse 34.

**Samos Nenedes**, Greklando, Samos. D. S-ro Demetrio Roussakis, instruisto.

**Sarajevo**, Jugosl., Bosnio. D. S-ro Bakarevic Safet, posedanto, Bistrik Basamaci 8.
VD. S-ro Michael Schubert, lignogravuristo, Koŝevo ul. 16.

**Sárospatak**, Hungario, Zemplén. D. S-ro Sándor Hallgató, gimnazia profesoro, Kollégium.

**Schleusingen**, Germanio, Thüringen. D. S-ro Friedrich Rauth, instruisto, studiasesoro, Gymnasium.

**Seewen**, Svislando, Schwytz. D. S-ro Otto Haller, Mineralbad Hotel Rössli.

**Semur-en-Auxois**, Francio, Côte d' Or. D. S-ro André Nicolle, instruisto, rue du Rempart.

**Sighetul-Marmatiej**, Rumanio, Maramures. D. S-ro Edmundo Székely, studento, Calea Reg. Ferdinand 23.
VD. S-ro Csaba Nagy, studento, Strada Cosbuc 8, I.

**Stara Zagora**, Bulgario. D. S-ro Todor Gospodinov, Subinĝeniero, Kv. Gibran 3731.
VD. S-ro Boris Damjanov, lernanto, Ulica Car Boris 816.

**Subotica**, Jugoslv. S. H. S. D. S-ro Bela Spitzer, fabrikanto, Holz- und Spielwaren-Fabrik.

**Suolahti**, Finnlando. D. S-ro Tuomas Vanhala, laboristo, Riihimäen talo.

**Suomenlinna**, Finnlando, Sveaborg. D. S-ro Ilmari Rautio, instruisto.

**Syke** apud Bremen, Germanio, Hannover. D. S-ro Heino Lange, fervojoficisto, Bassumerstrasse 131.

**St. Austell**, Angl., Cornwall. D. S-ro Sydney Pugmire, instruisto, Jacoma, Victoria Road.

**St. Caprais de Bordeaux**, par Cambes, Francio, Gironde. D. S-ro Vital Louis Aragon, terkulturisto.

**St. Chaptes**, Francio, Gard. D. S-ro François Hiroux, panisto.

**Santa Cruz del Sur**, Kubo, Camagüey. D. S-ro Antonio R. Kosado, juĝisto, Marti N-ro 18.

**St. Donat**, Francio, Drôme. D. S-ro Egalité Faisant, industriisto en piedvestoj, Pl. des Terreaux.

**San Kosé de Costa Rica**, Centra Ameriko. D. S-ro Carlos Cagini, profesoro, Calle 9-a sur.
VD. S-ro Emmanuel J. Garcia, muzikprofesoro, Diagonal al Museo nacional.

**St. Quen**, Francio, Seine. D. S-ro Arsène Perrin, reprezentanto, 12 rue Baraduc.

**Tamsweg**, Aŭstrio, Salzburg. D. S-ro Alois Fink, impostoficisto.

**Tiŝnov**, Ĉeĥosl., Moravio. D. S-ro Emanuel Jireček, profesoro.

**Torquay**, Angl., Devonshire. D. S-ino Marie Sampson, 48 Windsor Rd.
VD. S-ro William Robert Wood, registara oficisto, 2 Upton Vale Terrace.

**Treuen** i. V., Germanio, Sa. D. S-ro Kurt Weissflog, instruisto, Königstrasse 7.

**Trieste**, Italio. D. S-ro Guido Stefanelli, oficisto, Via Pallini 2, I.
VD. S-ro Antonio Ratissa, oficisto, Via Ruggero Timeus 4. III.

**Trojan**, Bulgario, Pleven. D. S-ro Tonĉo Kolev Conevski, subinspektoro de kooperacioj ĉe Bulgara terkultura Banko, ul „Levskij" 288.

**Turnu-Severin**, Rumanio, Mehedinti. D. S-ro Gheorghe Gheorghiu, komercisto, Piata Stirbei Voda 5.

**Tuttlingen**, Germanio, Württbg. D. S-ro Wilhelm Reiner, instruisto, Liptingerstr. 53.

**Uerdingen**, Germanio, Rhld. D. S-ro Karl Brockmann, inĝeniero, Moerserstrasse 47.
VD. S-ro Hermann Verbeek, supera justiesekretario, Gartenstr. 14 a.

**Urbana**, Usono, Illinois. D. S-ro G. P. Ferree, kuracisto, 612 W. Illinois Street.

**Västerås**, Svedlando, Västmanld. D. S-ro Oscar Dahrné, lokomolivestro.
VD. S-ro Karl Axel Elfving, lokomotivestro.

**Vastseliina**, Estonio. D. S-ro Nathan Aunverdt, evangelia-luterana pastro.

**Vaulion**, Svislando, Vaud. D S-ro André Rochat, pastro.

**Verona**, Italio, Verona. D. S-ro Amerigo Luigi Reni, librotenisto, Via Pisano 25.
VD. F-ino Cesira Morandini, dommastrino, Via Filippini 11.

**Vidin**, Bulgario. D. S-ro Vladimir Lazarov, juĝisto, Ul. Peeva.
VD. Petr Colov, oficisto, St. Aleksandrovska.

**Voitsberg**, Aŭstrio, Stirio. D. S-ro Franz Schöpfer, lernejestro, Berggasse 44.

**Vorderbruck-Gutenstein**, Aŭstrio, Nieder-Oesterr. D. S-ro Koloman Jankovich.

**Vratza**, Bulgario. D. S-ro Radoslav Kuzmanoff Tričkoff, distrikta inspektoro de la labordonantoj, Ul. Knjajevska 76.
VD. S-ro Vladislav Parŝoroff, librovendisto, Ploŝtad „Botev" 30.

**Waldenburg**, Germanio, Schlesien. D. S-ino Frieda Schönfeld, Freiburger Str. 23.

**Waupun**, Usono, Wisconsin. D. Rev. Greame Davis, pastro, East Jefferson 315.

**Weidenau**, Ĉeĥosl., Silezio. D. S-ro Josef Fischer, D-ro theol. profesoro pri teologio.

**Weissig**, Germanio, Sa. D. S-ro Paul Fiedler, ministo, Schulstrasse 49.

**Welper**, Germanio, Westfalen. D. S-ro Paul Sauter, masonisto, Luisenweg 1.
VD. S-ro August Wetterstein, oficisto, Ringstrasse 54.

**Wichita**, Usono, Kansas. D. S-ro Warren G. Davis, lernanto, 206 South Vassar Ave.

**Woodhaven**, Usono, N. Y. D. S-ro Nathan Sadagursky, komercisto, 9439 Emerald Str.

**Zeist**, Nederlando. D. S-ro D. F. Romein, urbestro, Huydecoperweg 3.

**Žilina**, Ĉeĥosl., Slovakio. D. S-ro Josef Popper, privata oficisto.
VD. F-ino Irene Rabi, dentistino, ĉe W. Gross

**Zittau**, Germanio, Sa. D. S-ro Ali Akber Ehm, komercisto, Innere Oybinerstr. 9, poŝtfako 105.
VD. S-ro Georg Pech, poŝtisto, Neue Burgstrasse 9, I.

**Zlatna**, Rumanio, Trans. D. S-ro Simon Csóra, gimnaziano.

**Zuid Beyerland**, Nederlando, Zuid Holland. D. S-ro Dirk Hage, terlaboristo.

### Ŝanĝoj:

**Belfast** (Brit., Ireland). — D.: F-ino Sarah Mc. Cullough, instruistino, York Chalet, 78 Earlswood Rd., Strandtown.
VD.: F-ino Emma Arnold, instruistino, 2 Southview St., Agincourt Av.

**Blackpool** (Angl. Lanc.) — D.: S-ro Edward Glyn Worthington, eks-ĉefpoŝtestro, 244 Hornby Rd.

**Calais** (Francio, P. d. C.) — D.: S-ro Aimé Neut-Everaert, Honora Instruisto, Rue Notre-Dame 16.
VD.: S-ro Georges Perrin, puntfabrikanto, 8 r. de Rome.

**Düsseldorf** (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Bernhard Luis, teknikisto, Degerstr. 43.
VD.: S-ro Anton Lobüscher, poŝtoficisto, Hamm 126.

**Godesberg** (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Friedrich Jahn, pormetia instruisto, Bismarckstr. 10.

**Graz** (Aŭstrio, Steiermark). — D.: D-ro Adolf Halbedl, juristo, Schulgasse 24.
VD.: S-ro Ignaz Wallner, Pestalozzistr. 65.

**La Varenne St. Hilaire** (Francio, Seine). — D.: F-ino Helène Lique, komerca sekretarino, 22 Av. Albert I-er.

**Los Gatos** (Usono, California). — D.: S-ro E. A. Rogers, prof., c/o Montazumo School.

**Montevideo** (Urugvajo). — D.: S-ro Pedro Casas, Calle San José 1139.

**Mulhouse** (Francio, Haut-Rhin). — D.: S-ino Marie Feuerbach, 61 Fbg. de Colmar.
VD.: S-ro Camille Oftinger, 28 rue des Mésanges.

**Nove-Zámky** (Ĉeĥoslovakio, Nystranska župa). — D.: S-ro Julius Schmidt, elektristo, Stefanikova ul. č. 47.
VD.: S-ro Viktor Badin, komercisto, Corvin u. 3.

**Radom** (Pollando). — D.: S-ro Zygfryd Sztec, gimn. lernanto, Warszawska 12.

**Rosario de Santo Fé** (Argentino). — D.: S-ro Isodoro E. Mayorga Studento Universitata, Mendoza 3651.

**Târgu-Mures** (Rumanio, Transilvanio). — D.: S-ro Josef Halász, bankdirektoro, Köteles Samuel 16.
VD.: F-ino D-ro Maria Berde, verkistino, profesorino, 6 Str. Stefan cel Mare.

**Waldshut** (Germanio, Baden). — D.: S-ro Hans Lauer, komerca oficisto, Gurtweilerstr. 27.

**Provizore ne plu estas delegitoj en la jenaj urboj:**

Banalia (Belga Kongo); Boulder (Usono, Colorado); Colombey-les-Belles (Francio, M. & M.); Frohburg (Germanio, Saksio); Kaposvár (Hungario, Somogy kom.); Oviedo (Hispanio); Rapperswil (Svislando); Suceava (Rumanio); Sulgen (Svislando).

**Duonjara statistiko.**

La Centra Kaso enskribis kotizojn:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Unua kvaronjaro | 26 HM | 274 M | 1626 MA | 51 MS | Sumo 1977 |
| Februaro 1924 . | 15 HM | 380 M | 1287 MA | 34 MS | Sumo 1716 |
| Marto 1924 . | 8 „ | 222 „ | 739 „ | 41 „ | „ 1010 |
| Aprilo 1924 . | 4 „ | 154 „ | 449 „ | 51 „ | „ 658 |
| Dua kvaronjaro | 27 HM | 756 M | 2475 MA | 126 MS | Sumo 3384 |
| De 1 nov.—30 apr. | 53 HM | 1030 M | 4101 MA | 177 MS | Sumo 5361 |

* * *

*Genève*, 20ª de majo 1924.

*H. Jakob*,
Ĝenerala Sekretario de UEA.

---

## Ligo de l' Nacioj.

La 8ª ĝenerala kunsido de la Internacia Unuiĝo de la Asocioj por la Ligo de l' Nacioj kaj la somera kunveno de ĝia Ĝenerala Konsilantaro okazos en Lyon de la 27an de junio ĝis la 3an de julio.

Vendredon, 27. Junio: Kunvenoj de komisionoj.
Sabaton, 28. „ : Kunveno de la Ĝenerala Konsilantaro.
Dimanĉon, 29. „ : matene: solena malferma kunsido; posttagmeze: diversaj vizitoj tra la urbo; vespere: bankedo invitita de la Urbestraro.
Lundon, 30. Junio, mardon, 1. Julio, merkredon, 2. Julio: Kunvenoj de komisionoj kaj ĝeneralaj kunsidoj.
Ĵaŭdon, 3. Julio: fervoja kaj aŭtomobila ekskurso al intermonto Dent-du-Chat, al lago de Bourget kaj al Aix-les-Bains (tagmanĝo invitita).

Du grandaj publikaj paroladoj okazos je poste difinotaj datoj.

La Komitato de la Foiro de Lyon (adr.: Hôtel-de-Ville, Lyon) zorgos pri la loĝado. Por kongresanoj el malaltkurzaj landoj la Organiza Komitato pagos la ĉambron kaj la matenmanĝon.

Klopodoj estas farataj por ricevi senpagan vizon de l' pasportoj kaj rabaton ĉe fervojoj.

Esperantistoj ĉeestontaj tiun Kongreson bonvolu kiel eble plej baldaŭ informi S-ron Poncet, 30 rue Ferrandière, Lyon, por ke io povu esti organizata (se eble propaganda kunveno, aŭ almenaŭ renkontiĝo inter la fremdaj kaj la Lyon'aj Esperantistoj).

Esperantistaj gazetoj bonvolu represi!

Esperanto-Presejo Magdeburg-N